# Eŭropa sekureco kaj kunlaboro



*Helsinki, konferenco pri sekureco kaj kunlaboro en Eŭropo, rigardo en la Finnlandia-Halon dum la malfermo de la lasta konferenca fazo 30. 7. 1975*

Foto: Zentralbild

# Novaj taskoj por la pacbatalo en Eŭropo post Helsinki

## GDR-komitato salutas la rezultojn

Post la sukcesa fino de la konferenco de Helsinki antaŭ la eŭropa publiko staras la tasko preni sub sian politikan-moralan kontrolon la realigon de tiuj gravaj decidoj.
Tion deklaris la ĝenerala sekretario de la GDR-komitato por Eŭropa Sekureco kaj Kunlaboro, prof. d-ro Stefan Doernberg en la ĉeesto de la prezidanto de tiu komitato, prof. d-ro Max Steenbeck. La parolanto substrekis la rolon de la socialisma ŝtataro kaj de la engaĝita eŭropa publiko por la sukceso de la konferenco de Helsinki.
La Fina Dokumento de Helsinki estas ampleksa interkonsento pri la interŝtataj rilatoj laŭ la principoj de la paca kunekzistado, kiun oni devas fari leĝo de la internacia vivo.
Ĉi-rilate deklaris prof. d-ro Günther Drefahl, la prezidanto de la Packonsilantaro de GDR: „Ĝuste lige al la konferenco pri Eŭropa Sekureco kaj Kunlaboro montriĝas la grandaj mobiligaj eblecoj de la sociaj fortoj, jes, ilia nepreco por la sukceso de porpacaj kaj porprogresaj projektoj. La tasko de la porpacaj fortoj tial nun devas esti, fari ekkoneblaj kaj konsciaj tiajn interesularojn kaj akceli ilin, sur tiu bazo plue firmigante la kunlaboron de divers-specaj porpacaj fortoj ene de kaj inter la landoj, por ilin aktivigi por pluaj agadoj.
Kun konkretaj celoj oni devas akceli kaj plivastigi tion, kion la porpacaj fortoj de la mondo komencis 1973 dum la mondkongreso en Moskvo: Komunagado kaj kunlaboro, la klopodo pri kordinitaj agadoj sur ĉiuj kampoj por la akiro, sekurigo kaj utiligo de la paco, kie troveblas samaj aŭ proksimaj starpunktoj, kun respektoplena agnosko de ekzistantaj diferencoj en motivoj kaj partaj problemoj.
Helpante plifortigi la atentemon de la popolaj amasoj kaj de la publika opinio en ĉiuj landoj por la realigo de la solene akceptitaj internaciaj sindevigoj kaj kontraŭ la malprestiĝigo aŭ falsigo de iliaj celoj, ni utiligas la konferenc-rezultojn kiel akran politikan instrumenton por la plifirmigo de jam 30 jarojn sukcese defendato sur nia kontinento paco, kun perspektivoj de ties tutmonda desampleksigo."
En deklaro la partoprenintoj de la kunsido de la GDR-komitato substrekis la neceson paraleligi al la politika malstreĉiĝo la senarmigon. Samtempe necesas subteni la batalon de la demokratiaj fortoj kontraŭ faŝismo, novkoloniismo kaj reakcio.

(El „Informationen" 11/75, bulteno de la Packonsilantaro de GDR)

## La verda libro de Helsinki

La tiel nomata „verda libro" pri la konferenco en la Finnlandia Halo ampleksas 120 paĝojn.
Ĝi enhavas la principojn, laŭ kiuj la partoprenintaj ŝtatoj intencas evoluigi la interrilatojn de la paco, de la kunlaboro kaj amikeco. Jen estas la ĉefaj punktoj de la verda libro, la Magna Charta de la paco en Eŭropo:
suverena egaleco, neuzo aŭ neminaco de forto, netuŝo de la limoj, respekto antaŭ la teritoria integreco, paca reguligo de konfliktoj, ne-enmiksiĝo en la internajn aferojn, estimo de la homaj rajtoj kaj de la fundementaj liberoj, egalrajteco kaj la rajto de la popoloj je memdecido, kunlaboro inter la ŝtatoj, plenumado de la internaciaj devoj.
Helsinki estas komenco. Sekvi devas progreso en la militista sfero, t.e. malpliigo de la armado, disiĝo de la militistaj blokoj. En la jaro 1977 okazos nova konferenco. Ĝi montros la atingitajn sukcesojn.

O. Stolberg

## La konferenco de Helsinki kaj la esperantistoj

Kiam la 1. 8. 1975 la plej altaj reprezentantoj de 35 ŝtatoj solene subskribis la „Finan Dokumenton" de la konferenco pri Sekureco kaj Kunlaboro en Helsinki, certe ĉiu sincera esperantisto ĝojis pri tiu senprecedenca internacia interkonsento.
Ĉiu alineo de la dokumento rekte tuŝas nin, esperantistojn. Ĉar la dokumento traktas pri *internacia* kunlaboro en Eŭropo, kontinento kun dense semitaj lingvaj baroj.
Sur bazo de la dek principoj pri la rilatoj inter la unuopaj landoj povas realiĝi multaj kunligoj kaj internaciaj projektoj el la sferoj de ekonomio, scienco, tekniko, homa medio, kultura interŝanĝo, turismo, klerigado k. t. p. Sed ĉio-ĉi en ankoraŭ neimagebla kadro postulos lingvan interkompreniĝon. Certe ne laste pro tio la dokumento enhavas eĉ propran subĉapitreton pri la lernado de lingvoj.
Tamen, la dokumento nun devas esti realigata, kaj tio postulas ĉies subtenon, ankaŭ la nian.
Tio postulas, ke ni subtenu la iniciatojn por senarmigo.
Kiam H. Hodler, la fondinto de UEA, siatempe diris, ke la sorto de Esperanto „estas intime ligita kun la triumfo de la movado por la starigo de paca ordo internacia", li certe ne povis havi imagon pri la kuro de la historio.
Sed nun Eŭropo staras antaŭ nova etapo. Ĉu ni, esperantistoj, povas resti pasivaj? Certe ne.

D. B.

# Post Helsinki: senarmigon!



*Konferenco pri senarmigo en Vieno, Aŭstrio* Foto: Zentralbild.

**Prof. d-ro Edith Oeser**
**Membro de la prezidio de la Packonsilantaro de GDR**

## Tutmonda konferenco pri senarmigo – aktuala neceso

Ankoraŭ neniam antaŭe en la historio de la internaciaj rilatoj la problemoj de la senarmigo tiel urĝis, kaj samtempe la eblecoj por sukcesa realigo de tiu tasko tiel realas, kiel dum niaj tagoj. Nur dum la lastaj jaroj, dum kiuj evoluadas la internacia malstreĉiĝo, la venko super la „malvarma milito" kaj la konfrontado kaj dum kiuj la paca kunekzistado fariĝas la ĉefa tendenco en la internaciaj rilatoj, nur dum tiuj lastaj jaroj oni povas paroli pri unuaj sukcesoj pri senarmigo. Ni nur menciu la grandajn konvenciojn pri la malpermeso de eksperimentoj kun nukleaj armiloj en la aero, kosmo kaj sub akvo en 1963, la kontrakto pri nepludonado de nukleaj armiloj 1968, la kontrakto pri la malpermeso de produktado, deponado kaj disvastigo de biologiaj kaj toksikaj armiloj en 1972 kaj la kontrakto inter Sovetunio kaj Usono pri la malebligo de atoma milito en 1973.

Ĉio-ĉi signifas, ke internacia malstreĉiĝo kaj senarmigo ne estas subordigitaj sed paralelaj procezoj, ke la paca kunekzistado kreas favoran klimaton por la limigo de la senarmigo. Sed tio ankaŭ signifas, ke sukcesoj ĉe senarmigo samtempe povus akceli la konfidon inter la ŝtatoj kaj tial la internacian kunlaboron.

Elirante de tiuj konsideroj Soveta Unio jam 1971 proponis al la XXVI-a Plenkunsido de UN alstrebi la kunvokon de tutmonda konferenco pri senarmigo. La ministro pri ekstera politiko de USSR Gromyko motivigis la proponon i. a. sekve:

„Laŭ la opinio de la soveta registaro la tutmonda konferenco pri senarmigo devos esti forumo, en kiu ĉiuj ŝtatoj de la mondo, sen esceptoj kaj sur la sama ebeno, povas prezenti siajn konceptojn pri la tuta problemaro de senarmigo, komparante tiujn kun aliaj, kaj tion rilate al la amasaj detru-armiloj same kiel al la konvenciaj armiloj kaj trupoj. Ampleksa opiniinterŝanĝo kaj komunaj klopodoj ebligos difini la plej efikajn rimedojn kaj vojojn por la solvo de la problemo".

La plejmulto de la UN-ŝtatoj subtenis tiun iniciaton, kiu fariĝis unu el la plej popularaj ideoj de la nuntempo. Intertempe estis fondita eksperta grupo ĉe UNO, kiu devos kunordigi la konceptojn kaj proponojn de la registaroj pri la problemo.

Tamen pro la malfavora sinteno de kelkaj ŝtatoj, speciale de USONO kaj PR Ĉinio ĝis nun estis eble fiksi nek daton nek lokon nek tagordon por la tutmonda konferenco pri senarmigo. Ankaŭ 1975 la XXX-a plenkunsido de UN okupiĝos denove pri la starigita propono.

La tempo urĝas. La senarmigo nun fariĝis ĉefa problemo por la internaciaj rilatoj kaj la procezo de la malstreĉiĝo.

La ideo pri la neceso de tutmonda konferenco pri senarmigo intertempe plene populariĝis. Nun devas esti realigataj konkretaj paŝoj por ties kunvokigo.

(El „Informationen", 11/75, bulteno de la Packonsilantaro de GDR)

**Helmut Preißler**

### Al la nepolitikuloj

① La homoj pleje bonas laŭ natur'.
Povrulon ili pro mizer' kompatas,
alporti helpon ili tute ŝatas,
almozon ili donas kun plezur'.
Sed ne per ili mortas la mizer'.
Nur voremul' per ili sin grasigas,
bonec' ilia mondon ne bonigas;
Malplenas plu de la povrul' teler'.
Laŭ tiu fakt' konsciu, petas mi,
ke bonintenca faro ne sufiĉas
kaj ke bonul' estas nomataj vi;
nur gravas ago, kiun vi dediĉas
al viv', en kiu ĉiuj plenfeliĉas.

② La homoj pleje vivas per labor'.
Abele ili fortojn streĉas pene,
maŝinojn ili majstras suverene,
plenumas siajn devojn kun fervor'.
Sed ne altiĝas homoj laŭ nivel'.
Fervor', inventoj misuzataj estas.
Mizer' kaj mondruin' senĉese restas.
Uzeblas ĉio ja por ĉiu cel'.
Laŭ tiu fakt' konsciu, petas mi,
ke ne sufiĉas la labor' senlaca,
ke fervorul' estas nomataj vi;
nur gravas ag' por hom' utildonaca,
popolsubtena, al regant' minaca!

③ La homoj pleje fuĝas de l' perfort'.
paceme vivas, ne malbonon celas,
gefilojn per eduk', instru' modelas,
honeste proksimiĝas al la mort'.
Sed ne minaco de milito foras!
Atomraketoj kuŝas jam staplitaj,
la lanĉobazoj estas establitaj,
riĉulministroj pri milit' fervoras.
Laŭ tiu fakt' konsciu, petas mi,
ke ne sufiĉas paca la sinteno,
ke pacemul' estas nomataj vi;
nur gravas ag', per kies forta peno
estu kaj restu pac' en mondareno.

Trad. D-ro Karl Schulze, Berlin

Sergej Ostrovoj

# VERSOJ PRI LA PLEJ TERURA...

Tiu vintra ĉielo estis kudrita el militpalta ŝtofo. La griza kaj peza. Sed ne pro tio mi komencas mian rakonton. Kaj ne pro tio, ke tiu malvarma rivero havis mallarĝan gorĝon. Ĝi estis glutanta mortajn homojn singulte. Kaj skuiĝis. Kvazaŭ indignanta koro, kiam oni kaŭzas al ĝi doloron.
Mi vidas tiun ĉielon kaj tiun riveron kun la plej etaj detaloj, kvankam pasis jam pli ol dudek jaroj. Tamen eĉ ne pro tio mi komencas la rakonton. Mi staras ĉe la tombo de la patrino kaj per la nudaj piedoj sentas la tutan doloron de la tero – nigran kaj skoriiĝintan – kiu penetras el ĝi en la mondon tra mi, kiel tra la drato de alta tensio.
Panjo, ankaŭ mi baldaŭ fariĝos maljuna. Post mia dorso estas jam pli da vojoj, ol restas antaŭ miaj okuloj. Kaj ili ĉiam kuras kaj kuras en mia memoro, tiuj vojoj. Kaj mi ĉiam rigardas ilin kaj pensas: por kio naskiĝas homoj? Por malfeliĉo aŭ por ĝojo?
Mi paŝadas sur tiu ĉi tero kaj ensorbas lumoombrojn kaj lumokantojn, kiuj ĉirkaŭas homojn. Multe da malbono mi vidis sur miaj vojoj. Kaj multe da bono. Cikatroj plugas mian memoron. Tamen la plej terura sur la tero – estas homo, kiu denove kvarpiediĝis. Sovaĝa kaj sangokula. Mi malŝategas ĝin. Mi malameas ĝin. Mi pretas batali kontraŭ ĝi ĉiun horon de mia vivo.
Kio estas faŝismo? Ĝi estas homaro sur kvar piedoj! Ho, se mi povus vivigi la animojn de l' pereintoj . . .

Sangis la suno en fum-infer',
Kiel obus' tempistis.
. . . Ili ne estis plu sur la ter'.
Tamen ĝi – estis.

Rokojn mordante en koler',
Maro kutime bestis.
. . . Ili ne estis plu sur la ter'.
Tamen ĝi – estis.

Nokte per stel-ornamita sfer'
sin la ĉielo vestis.
. . . Ili ne estis plu sur la ter'.
Tamen ĝi – estis.

Arbo el cindro kun fier'
Spite al mort' majestis.
. . . Ili ne estis plu sur la ter'.
Tamen ĝi – estis.

Dum artileria bombardado per faŝistaj obusoj de unu el lernejoj en Leningrado pereis:

*Ivan Nikolaeviĉ Petrjaev – 7-jara.*
*Oleg Sergeeviĉ Razdorov – 7-jara.*
*Vladimir Petroviĉ Ŝuĥov – 8-jara.*
*Nikolaj Semjonoviĉ Uvarov – 8-jara.*
*Sergej Fjodoroviĉ Nadeĵdin – 7-jara.*

Knaboj! Pereis. Ĉu eblas vort'?
Jen ardas sur neĝo sangruĝaj makuloj.
Vent' lernotablojn okupas sen ord'.
Levas vizaĝojn la kriplaj anguloj.

Faŭkas per breĉoj terura ruin'.
Neelporteble kriegas la muroj.
Subite – silent'. Mortas sonoj. Sin
Pantomime etendas nigraj figuroj.

Nigre sin tenas la stratoj en mut'.
Nigraj ombregoj falas senvorte.
Nigras la branĉoj en morta salut'.
Nigre rigidas la brakoj kohorte.

Knaboj. Ne vivas vi plu sur la ter'.
Buŝoj silentos. Piedoj ne kuros.
Steloj rigardas al sanga kajer'.
Ŝajnas, ke baldaŭ mateno lazuros.

Tiu ĉi nokt' ĉion prenis de vi.
Estis amikoj. Kaj estis patrinoj.
Birdoj, gapantaj kun ŝajna envi'
Al la pasantaj pretere maŝinoj.

Vi tiujn birdojn alportis al dom',
En la manetoj varmigis atente.
Sed la blokad' ilin manĝis en nom'
De la malsato grincanta perdente.

L'urbo vundita rigidas de l'frost'.
Blindaj fenestroj rigardas matenon.
Knaboj! Pri via pereo agnosk'
Ĉirkaŭ la kor' volvas fajran katenon.

Jungos patrinoj sin nun al la sled'.
Ĉerko post' ĉerko. En nokton.
Tra l'stormo.
Kial vi hurlas, obus', kun obsed'?
Kial vi kraĉas per morto kaj morno?

Kiu direktis vin kontraŭ infan'?
Kontraŭ etul' el la klaso unua?
Super la urb' ĉiam hurlas satan'
De l' furioza bombad' kontinua.

Ŝtonoj surdiĝas pro l' raŭka bruad'.
De l' mateniĝo eksangas ĉielo.
Rajdas sur blankaj ĉevaloj laŭ strat'
Frosto bruliga kun vento anhela.

Ci ja, ŝuĉul' de l' munĥena bier',
Sendis obusojn por buĉi infanojn.
Glutu cin fajro, faŝista ĥimer'.
Sango bruligu cin, aĉa tirano.

Multon ci rabis el ĉies destin'.
Multajn torturis ĝis morto kruela.
Ĉu tiuj knaboj tro ĝenis ja cin –
Tiuj etuloj kun rido anĝela??



*Volgograd, rigardo al parto de la monumentaro sur la „Mamajev-Kurgan-altaĵo", kiu estis forte atakita dum la batalego de Stalingrad*

Foto: Zentralbild

# INFANMEMORO

En Amsterdamo, dum la okupado, ni havis gaston en nia domo, kiun mi nomis Onklo Jakobo. Post la milito mi eltrovis lian veran nomon. Li estis revolucia politikisto, kaj krome juddevena, do li devis kaŝi sin. Li loĝis kun mia patrino kaj mi. Mia patro estis maristo, kaj dum la milito ni eĉ ne sciis ĉu li vivas aŭ ne. Iu amiko de mia patro petis al mia patrino kaŝi la maljunulon. „Mi ne povas fari tion; oni suspektus min", kaj ŝi konsentis. „Li estas homo. Li devas resti ie", ŝi diris. Onklo Jakobo kunportis kelkajn librojn kaj multe legis. Nokte li aŭskultis nian radion, kiun dum la tago ni kaŝis sub ĉifonoj en la karbokesto. La nutraĵo iĝis tute nesufiĉa, kaj post jaro Onklo Jakobo malsaniĝis kaj devis resti en la lito. Mi kelkfoje rakontis al li pri okazaĵoj en la strato. Sed mi ne demandis ion. Mia patrino diris: „Kio ajn okazos, ne parolu pri Onklo Jakobo", do mi preferis scii nenion.

Li komencis tusi, kaj mi vidis, ke mia patrino zorgis pri la najbaroj. Neniu el ili favoris la malamikojn, sed eble ili klaĉos. Ŝi ofte devis eliri por aĉeti nutraĵojn, kaj tio ĉiam signifis atendon de kelkaj horoj.

Unu matenon, en la printempo de 1944, ŝi foriris, kaj mi sciis ke ŝi forestos longe. Mi aŭdis la tuson de Onklo Jakobo, kaj kiam mi iris al li, li sidis sur la flanko de sia lito. „Johano, bonvolu alporti miajn vestaĵojn", li diris.

„Onklo Jakobo, la strato estas danĝera por vi kaj vi estas malsana".

„Ne zorgu, knabeto. Estas bela suna tago, kaj mi volas iri en la parkon".

Kontraŭvole mi alportis liajn vestaĵojn. La jako, kiu apartenis al mia patro, estis malnova, iom tro granda por li, sed oni ne povas aĉeti vestaĵojn. Antaŭ ol surmeti ĝin li rigardis la subŝtofon kaj elŝiris etikedon kun la komencliteroj de mia patro. Malrapide, ŝanceliĝante, li iris al la pordo. Mi provis halti lin: „Onklo Jakobo, ne iru. Eble vi mortos. Vi mortos tute sola!" „Tio ne gravas, Johano. Ĉiu mortas sola". „Sed lasu min iri kun vi, onklo". „Restu, Johano. Vi estu bona knabo kaj prizorgu vian patrinon. Si bezonos vin".

Li eliris kaj fermis la pordon malantaŭ si. Mi rigardis el la fenestro. Li marŝis, apogante sin sur la muroj per unu mano. Post multaj malrapidaj paŝoj li atingis la stratangulon de kiu oni vidas la parkon, kaj mi ne plu vidis lin.

Mi ne sciis kion fari. Li volis ke mi restu, sed ĉu mi rajtas tiel forlasi lin? Finfine, eble post kvaronhoro, mi ne plu povis resti. Mi eliris kaj kuris al la parko.

Sur la unua benko, sub floranta ribo kiu iom kaŝis lin de pasantoj sur la parkvojo, sidis Onklo Jakobo. Lia ĉapelo kovris lian vizaĝon. Li ŝajnis dormi. Mi timeme alvenis kaj tuŝis lian manon. Ĝi estis malvarma. Mi tremis.

Do li mortis. Kiel? Ĉu lia koro haltis pro la peno? Mi volis eksalti, krii al la promenantoj en la parko: „Vi malkuraĝuloj, vi lasis homon morti. Kial vi ne faris ion?" Sed mi silentis, ĉar tuj venis la penso: „Li faris tion por mia patrino kaj mi. Li sciis ke li baldaŭ mortos, kaj li ne volis lasi nin kun sia kadavro."

Neniu rigardis nin. Mi lasis lin kaj rapidis hejmen.

Mi ne scias kion oni faris kun li.

Tiom da homoj malaperis en tiu tempo. Tiuj, kiuj vidis ion, silentis; oni ne parolis kun nekonatoj. Post la liberigo, kompreneble, aperis rakontoj, grandparte fantaziaj.

Nun la okupado estas apenaŭ memoro. Ni metis la nomojn de niaj herooj sur monumentojn kaj forgesis ilin. Mi ne kredas ke Onklo Jakobo estas sur iu monumento; ne gravas ĉu li estas aŭ ne. Sed kiam mi memoras kiel li iris al sia morto por ni, mi ne povas malesperi pri la homoj.

Albert Goodheir
(El „The British Esperantist", okt/1973)

---

Jene ci staras ĉe lorna okul'.
Longas la tag' kiel ret' aranea.
Ĉerkas la tankoj en fuma nebul'.
Veas Eŭrop' en sufoko perea.

Ĝemas fajrante loĝejoj kun plor'.
Lasis kviet' min. Ne restis eĉ ero.
Knaboj. Vi – mia eterna dolor'.
Vundo sanganta. Ĉiama sufero.

Vin la patrinoj atendas sen ĉes'.
Fin' jam proksimas Sed koro ne varmas.
Ili sopiras pri l' fila kares'.
Ili ĝis nun pri vi ploras kaj larmas.

Estas sen lim' la patrina ofend'.
– Panjo, mi petas! Ĉesigu! Ne ploru!
... Venas al fin' la terura legend' –
Ido de nia epoko malglora.

Kiam min vekas la frua maten',
Kiam mi tage ridetas al vivo,
Ĉiam memoras pri tiu malben',
Ĉiam refrenas ĝin la efektivo.

Spuras ankoraŭ faŝism' sur la ter'.
Ĝemas kriplul' en ĉiama angoro.
Gloron al idoj de l'kruda sufer'!
Ve al semantoj de l'krim kaj doloro!

Stari sur nulo ne rajtas memor'.
Kaj konscienco ne rajtas devii.
Vivas sur ter' mi en tiu ĉi hor',
Ke povu ĝi plue turniĝi kaj vivi.

El la rusa: V. Samodaj (Moskvo)

---

# „Pacon sur tiu-ĉi tero!"

*Originalo (en hispana lingvo) de Pablo Neruda, Ĉilio;*
*Germana teksto de Bertold Brecht;*
*muziko de Hanns Eisler.*

1. Pacon sur tiu-ĉi tero!
   Pacon al nia kampar!
   Ho ke ĝin ĉiam posedu
   Nia bonzorga homar'!

2. Pacon por nia hejmlando!
   Pacon en nia domar'!
   Ŝirmon ĝi donu fidele
   Al nia laboristar'!

3. Pacon en tiu-ĉi domo!
   Pacon al najbara dom'!
   Pacon al nia najbaro,
   Ĉion por paca hom'!

4. Pacon al la „Ruĝa Placo"!
   Kaj al Lincoln-monument'!
   Al „Brandenburga Pordego",
   Al „la fajr'-flag' en vent'!

5. Pac' al infanoj kore-aj!
   Al kunuloj ĉe Nisa kaj Ruhr!
   Pac' al novjorkaj ŝoforoj,
   Al kulioj de Singapur!

6. Pac' al germana kampulo!
   Al kampulo de l'„Granda Banat"!
   Pacon al famsciencistoj
   En via Leningrad!

7. Pacon al vir' kaj virino!
   Pac' al infan' kaj grizul'!
   Pacon al mar' kaj al grundo;
   Estu por ni favorul'!

tradukis Ernst Wichert

**B. Brecht**

# Anakronisma procesio aŭ libero kaj democracy

Printempis en germana land'.
Sur cindro kaj ruina vand'
Junverdo ŝvebis de betul'
Kuraĝe brilis al okul'.

Jen de sudo el la valoj
Almoviĝis de vasaloj
Pompĉifona procesi'
Du tabulojn portis ĝi.

Ligno verme tre moliĝis
Kaj surskribo jam paliĝis;
Ion tian diris ĝi:
Libero kaj democracy.

Jen preĝeja sonorad'!
Vidvinoj, inoj de soldat',
Orf', tremulo kaj lamant'
Gape staris ĉe la rand'.

Surdulon la blindul' demandis
Kion oni kontrabandis
Tra la polv' laŭ melodi'
Libero kaj democracy.

Antaŭris vir' kun kalvo,
Tondris lia kantosalvo:
„Allons, enfants, god save the king
Kaj la dolaron, ting, ting, ting."

Poste du en kutoj venis,
Ili ciborion tenis.
Kiam supren kut' tiriĝis
Bototubo ekvidiĝis.

Jen al kruc' sur aĉa flago
Mankis nune ĉiu brako;
Ja naĝas oni kun la flu',
Forigis brakojn per surglu'.

Sub la flago paŝis frato,
Deputit' de sankta patro,
Kiu ege malbonfartas
Se orienten li rigardas.

Poste tuj neforgesuloj
Venas stamfe kun postuloj,
Por ke al trancilo fera
estu nokto murdlibera.

Nun iliaj favorantoj,
De la ŝtal' la fabrikantoj:
Al armada industri'
Libero kaj democracy!

Kvazaŭ impotenta kok'
Ĝermano stilzas tra l'epok'.
Persistas je libera vort':
Nomiĝas ĝi perfort'.

Samtakte marŝas instruist',
Potencŝatant' – mensdetruist',
Pro la rajto, al junul'
Demonstri virton de buĉul'.

Sekvas nun medicinist',
Mizantrop', nazi-servist'.

Komunistojn li postulas,
Teste ilin manipulas.

Tri seriozaj sciencistoj,
Gasmortigaj specialistoj,
Por kemio pledas pri
Libero kaj democracy.

Kontraŭjudaj redaktoroj
Estas jam en grandaj zorgoj,
Ke ne manku la deklaro
Pri liber' de l' gazetaro.

Kelkaj civitanoj gravaj,
Iam judmanĝantoj bravaj,
Paŝas jen kun milda trajto
Por minoritata rajto.

Estinta parlamentano,
Hitlertempe purgermano,
Advokato sin proponas:
Novan vojon li jam konas.

Kaj la nigra merkatisto
Diras: Estas mi pledisto –
Eĉ ĝis tempo tre mizera –
Por konkuro la libera.

Jen juĝisto aĉplezure
Montras oldan leĝon nure,
Sin kaj ĉiujn pledas for
De nazia sanghoror'.

Artisto, muzikant', poet'
Al laŭro strebas kaj kotlet',
Bonuloj ĉiuj, kiuj nek
Ĉe murd' ĉeestis, nek ĉe pek'.

Strate estas nun klaksonoj.
Vipas la SS por monoj.
Tamen eĉ por tiuj ĉi:
Libero kaj democracy.

Kaj nazi-virina ligo
Kun levita la tuniko
Nun fervoras pro la ŝato
Al malamika ĉokolado.

Amuzinoj, provokistoj,
Oboluloj, gazetistoj,
Imposto- kaj donac'-kasistoj,
Germana-praland'-aneksistoj.

Kot' kaj sang' kun sama kant'
Vojis tra germana land'.
Ruktis, vomis, estis kri':
Libero kaj democracy!

Kaj venis la fetora hord'
Munkeno-n ĉe l' Isar-bord'
Ĉefa urbo de l'movado,
De germana tombfosado.

Informita de gazetoj,
Staris inter domskeletoj
Malsatanta najbarar'
De konsternita la burĝar'.

Kiam procesi' mefita
Marŝis tra la rub' ekscita,
Venis el la bruna dom'
Sesfigura timfantom'.

Kaj la procesi' stariĝis,
La figuroj ses kuniĝis
Al la procesi' haltanta,
Per tabuloj demonstranta.

Veturis en ses diliĝencoj
Ĉi ses brunaj ekscelencoj
Tra la rub', kaj hurlis la kri:
Libero kaj democracy!

Osta man' la vipon tenas –
La SUBPREMO tiel venas.
En ŝtala ĉar' veturis ĝi,
La donacaĵ' de l' industri'.

Sur rusta tank' estis LEPRO
Bonvena. Ĝin kaptis febro,
Kiun ĝi kaŝus volonte,
Ĉar vindis bandaĝon honte.

Post ĝi TROMPO alparadis,
Kruĉon da bier' svingadis;
Lasas drinki vin senkoste,
Se vi vendas idojn poste.

Olda kiel montoj, sed
Entreprena sen osced'
STULTO venis nun kun pomp',
Ĉiam strabis al la tromp'.

Etendante brakon rande
MURDO alveturas lante.
Kiel brut' sin sternas ĝi
Kun kant': Sweet deam of liberty.

Lasta ĉaro nun alvenis.
En ĝi RABO lokon prenis:
Portis feldmarŝalan robon,
Tenis sur sin' teroglobon.

Ĉiuj ses eminentuloj,
Establitoj, sengraculoj,
Ĉiuj nun postulis pri
Libero kaj democracy.

Stumblis post ĉi plagoj ses
Ĉerkveturileg' kun pez'.
En ĝi, necerte vidiĝis:
Nekonata gent' metiĝis.

Kaj la vent' el la ruin'
Kantis meson al la fin'
Por ĉi uloj, kiuj loĝis
En ĉi domoj. Sin alkroĉis

Al la procesi' la grandaj
Ratoj el muroj falantaj.
Vivu! ili krietis pri
Libero kaj democracy!

Trad. Hero, prilaboris D-ro K. Schulze

Rudi Graetz

# La 30-jara datreveno de liberigo de la faŝismo kaj la Baltmaraj Landoj

Hodiaŭ ĉiu scias, ke Hitler malaŭdace memmortigis sin en la nokto al la unua de majo 1945 per veneno, timante la verdikton de la popoloj, kiujn li kaj lia anaro atakis, elrabis kaj subpremis per brutaj metodoj dum la antaŭaj jaroj. En tiu nokto mi havis telefonan servon. Noktmeze sonoris la telefono kaj per ĝi mi ricevis la ordonon tuj sciigi al la kompaniestro, ke Hitler trovis „heroan morton". Tuj mi vekis kelkajn kamaradojn, por kiuj tiu sciigo same kiel por mi signifis vera komenco de liberiĝo kaj nur poste mi vekis la kompaniestron, junan fanatikan faŝiston. 30 jaroj jam pasis for depost la finiĝo de la dua mondmilito kaj de la liberiĝo. En majo 1975 okazis en Eŭropo fortaj popolmanifestacioj kaj solenaĵoj por memorigo al la viktimoj de tiu faŝisma tempo.

Kial post tiom da jaroj ni ankoraŭ ĉiam devas memorigi tiun duan mondmiliton kaj honori la venkon de la popoloj super la Hitler-faŝismo kaj militarismo? Kial ni tion ne forgesu?

Ĉiu imperiisma milito estas malbona kaj kruela. Ĉiu milito signifas morton kaj detruon, sed neniam per industriaj metodoj estis mortigitaj tiom da milionoj da homoj en gasĉambroj. Neniam antaŭe ekzistis Auschwitz aŭ Ravensbrück, Lidice aŭ Oradur aŭ plene detruitaj urboj kiel Varsovio, Minsk, Dresden aŭ Hiroshima.

Neniam ekzistis tia malestimo de la homaro kaj tiom da viktimoj, kies nombro estas pli ol 50 milionoj da infanoj, virinoj kaj viroj. La imperiismo, naziismo kaj rasismo montris sian plej malhelan vizaĝon.

Ni neniam forgesu tiun timigan tempon. Per niaj teruraj spertoj kaj scioj ni avertu la junajn generaciojn, ke ekzistis tiaj militoj. Ni avertu, ke nova milito signifus la neniigon de la tuta homaro, civilizo kaj kulturo.

Sed ni ankaŭ memorigu, ke dum tiu terura tempo de la Hitler-faŝismo ankaŭ ekzistis milionoj da homoj en oriento kaj okcidento, en la nordo kaj en la sudo, kiuj per granda braveco, sinofero kaj kuraĝo batalis por la libereco de la popoloj kaj por la honoro de la homoj.

Milionoj da homoj suferis, estis murditaj kaj venkis. Ili defendis la rajton de la popoloj por vivi en paco. Ili ŝirmis la idealojn de la progreso kaj de la humanismo kontraŭ la inundo per la faŝisma barbarismo.

Eterna estos la gloro de la popoloj de la Soveta Unio, kiuj portis la ĉefan parton de tiu granda liberiga batalo. Grandaj estas la faroj de la usona, brita kaj franca armeoj, de la partizanoj, de la rezistaj batalantoj el Pollando, Jugoslavio, ĈSSR, Norvegio, Danio, Grekio kaj de aliaj eŭropaj popoloj. Multaj bulgaraj esperantistoj kaj ankaŭ alilandaj perdis sian vivon heroe batalante kontraŭ la faŝismo. Kaj ni ankaŭ ne forgesu la bravan sintenon de la germanaj kontraŭfaŝistoj, kiuj kiel la unuaj jam antaŭ la dua mondmilito gvidis la batalon kontraŭ la Hitler-faŝismo sub la plej malfacilaj kondiĉoj.

La 9an de julio 1975 okazis „Renkontiĝo de reprezentantoj de la Amikec- kaj Pacmovadoj de la Baltmaraj Landoj, Norvegio kaj Islando" en la kadro de la ĉiujare okazanta Balta-Maro-Semajno en Rostock.

La reprezentantoj de plej diferencaj kaj sin distingiĝintaj rondoj de la publiko amplekse interŝanĝis opiniojn kaj spertojn pri la plia firmigo de paco, sekureco kaj kunlaboro en la Balta Mara Spaco.

Ĉeestis inter alie reprezentantoj de pli ol 60 sociaj organizaĵoj kaj eblis por mi ankaŭ paroli esperanton kun dana partoprenintino dum la konferenca paŭzo. De speciala signifo laŭ mia opinio estas la fakto, ke 50 diskutkontribuintoj parolis. Ili venis el ĉiuj baltmaraj landoj kaj el Norvegio kaj Islando. Ili konstatis, ke rezulte al la disbato de la Hitler-faŝismo kaj la liberigo de la eŭropaj popoloj per la komunaj penoj kaj klopodoj de la kontraŭ-Hitler-koalicio, kaj speciale per la decidaj agoj de la Soveta Unio, efektiviĝis fundamentaj transformiĝoj sur la eŭropa kontinento. 30 jaroj paco en Eŭropa estas esprimo por tiaj ŝanĝiĝoj.

Plue diskutintoj vokis al batalo por la paco kaj al batalo kontraŭ ĉio kio estas faŝismo. Se ni parolas pri la faŝismo kaj la milito, tiam ni ankaŭ devas paroli pri la estonteco, konsiderante, ke en okcidentaj landoj estas falsata la historia bildo pri faŝismo kaj milito. Ĉiu komprenos, ke junaj homoj, ja eĉ ke la hodiaŭ 30-kaj 40-jaruloj ne konas militon aŭ eĉ forgesis ĝin, tial necesas diri al la junularo, kio estas la milito kaj kio signifas la faŝismo. Necesas montri kaj pruvi la realajn kaŭzojn de militarismo kaj faŝismo. La historia falsado i. a. konsistas en tio, ke estas kontestata, ke la faŝismo estiĝis kaj estiĝas sur la bazo de la monopolkapitalo.

Prisilentita estas ankaŭ la vera rolo de la kontraŭfaŝisma rezista batalo de la popolo kaj speciale de la laborista klaso. Distingitaj kiel rezistaj batalantoj estas nur la reprezentantoj de la 20a de julio 1944.

Ekzistas ankaŭ fortoj, kiuj ŝatus estingi la tagon de la liberigo el la memoro de la homoj, kiel ekzemple la prezidento de la franca respubliko, Giscard d'Estaing, dirinte okaze de la 30-jara datreveno de la liberigo, ke tiun 8an de majo „ni festas la lastan fojon, kiel tagon de liberigo". Por ni ankaŭ hodiaŭ kompare kun tio gravas la forigo de la restaĵoj de la faŝismo. Gravas priskribi la esencon de la monopolkapitalo por ellabori realan historian bildon kaj krome ekkoni la neceson de komuna batalo de ĉiuj kontraŭ-faŝismaj fortoj. El tio sekvas ankaŭ la neceso de la kunlaboro de la Baltmaraj-Landoj por paco kaj sekureco.

Kelkaj el vi jam konas nian Germanan Demokratian Respublikon en ĝia evoluo por progreso kaj socialismo. Vi scias, ke en GDR la kontraŭfaŝisma heredaĵo estas promesdevigo por la falintaj rezistaj batalintoj de ĉiuj landoj. Kaj tial ĝi en GDR havas sian specialan tradicion. La kontraŭfaŝismaj komitatoj en subdistriktoj, distriktoj kaj en la ĉefurbo de GDR specialan atenton donas al la junularo, konstante laborante kun ĝi. Same kiel kun la Junaj Pioniroj, donante al ili realan historian bildon de faŝismo kaj milito. Ni ne malpliiĝos en tiu nia laboro por paco kaj socialismo.

Kaj de tiu ĉi loko mi deziras peti ankaŭ vin al batalo por paco kaj al batalo kontraŭ ĉio kio estas faŝismo. Valoras batali por la paco.

Mi finu per la „Deklaro de la renkontiĝo de reprezentantoj de la Amikec- kaj Pacmovadoj de la Baltmaraj Landoj, Norvegio kaj Islando" al la publiko:

> „Pacon kaj malstreĉiĝon, kreskantan fidon inter la popoloj bezonas ĉiuj popoloj en sama dimensio. Mondo – el kiu ĉiu ajn milita aranĝo por ĉiam estos forigata – tio estas nia celo".

# Wilhelm Pieck

## unua prezidanto de la Germana Demokratia Respubliko

Se vi vojaĝas en la Germana Demokratia Respubliko, vi ofte vidas tabuletojn, kiuj informas vin, ke kaj kiam „ĉi-tie" estis kaj parolis Wilhelm Pieck. Se vi atente legas ilin, vi miras pri la intensa aktiveco de Wilhelm Pieck, intensa aktiveco de la lastaj jaroj de la antaŭa jc. ĝis kiam li mortis, 85-jara, la 7an de sept. 1960.

Li naskiĝis la 3an de jan. 1876 en la urbeto Guben. Li fariĝis lignaĵisto. Jam en la jaro 1895 liaj kolegoj elektis lin en lian unuan sindikatan funkcion. Wilhelm Pieck ne nur parolis pri proleta internaciismo, sed li agis en ĝia senco. En Osnabrück, la 1an de majo li klopodis organizi laŭ la decido de la IIa Internacio batal-demonstracion kontraŭ la kapitalisma ekspluatado. Kiel sekvo lin lia majstro maldungis. Sed tiu „puno" tute ne kaŭzis la deziratan humiligon al Wilhelm Pieck. Kontraŭe, li aliĝis al la socialdemokratia partio kaj baldaŭ li troviĝis ĉe la flanko de Karl Liebknecht, Rosa Luxemburg, Franz Mehring, Clara Zetkin kaj de aliaj revoluciuloj de la germana proleta movado.

Wilhelm Pieck konsideris la lukton de la laborista klaso en Germanio en grandaj historiaj rilatoj de la internacia strebado al realigo de la historia misio de la laborista klaso. Li ĉiam klopodis interligi la internaciajn kaj naciajn taskojn por la solvo de la problemoj de la internacia proletaro. Liaj spertoj el la praktika agado kiel partia sekretario de la urbo Bremen kaj kiel dua sekretario de la Centra Eduka Komisiono de la socialdemokratia partio en Berlino kapabligis lin, fariĝi unu el la organizantoj de la kontraŭmilita movado en Germanio post la eksplodo de la 1a mondmilito. Wilhelm Pieck plene subtenis la ĉefan sloganon de Karl Liebknecht: „La ĉefa malamiko troviĝas en la propra lando!" Kune kun la ĉefaj „maldekstruloj" li kontraŭis la soci-ŝovinisman sloganon de la dekstraj gvidantoj de la socialdemokratia partio kaj sindikatoj pri la defendo de la imperiisma patrolando kaj kontraŭ la postulo de interklasa paco li postulis klasbatalon. Kiel unu el la fondintoj de la Spartakusgrupo li luktis spite al arestiĝo kaj teroro por la rapida ĉesigo de la milito kaj por la fondo de la IIIa Internacio. Ekde la venko nova, de rusaj laboristoj kaj kamparanoj 1917 en la Granda Socialisma Oktobra Revolucio sub la gvidado de V. I. Lenin kaj la partio de la bolŝevikoj, kiuj tiel inaŭguris la epokon de transiro de l'kapitalismo al socialismo, Wilhelm Pieck senhezite kaj konsekvence troviĝis ĉe la flanko de la bolŝevikoj. Li restis fidela defendanto de Sovetunio kaj de la partio de la bolŝevikoj ĝis sia morto. Same kiel Ernst Thälmann li opiniis, ke ekde la ekzisto de la unua ŝtato de la laboristoj kaj kamparanoj en la mondo la fundamenta demando de la proletara internaciismo



estis la sinteno al la sovetia kompartio kaj al la diktaturo de l'proletaro en Sovetunio. En tiu senco li senlace agadis en la germana kaj internacia laborista movado. Prave li diris, ke la rilatoj al Sovetunio fariĝu kor-afero de ĉiuj germanoj, ĉar li sciis, ke ankaŭ la politiko, kiel ĉiuj gravaj aferoj en la mondo, ne nur estu komprenata logike, sed krome estu sentata el tuta koro por povi kompreni ĝin en sia tuta amplekso.

Kiel membro de la marksisma-leninisma Centra Komitato de la germana kompartio kaj de la Politik-buroo de la germana kompartio sub gvido de Ernst Thälmann, Wilhelm Pieck grave kontribuis al la edukado de la partianoj en la senco de la proletara internaciismo. Lia baza sinteno estis, ke la germana laborista klaso ne povas venke batali por iu demokratia aŭ socia postulo en la lukto kun la imperiismo sen plej strikte atenti la fundamentajn interesojn de la internacia laboristaro.

Dank' al la fido de la revolucia laborista movado Wilhelm Pieck estis delegita en la plej altajn funkciojn de la Komunista Internacio. Tiel ties VIa mondkongreso lin elektis en sian Plenumkomitaton. En la jaro 1931 li fariĝis membro de ĝia politika prezidantaro.

Speciala korafero por Wilhelm Pieck estis la praktika solidareco kun la laboristoj de ĉiuj landoj, precipe kun la batalantoj enkarcerigitaj kaj de ties familianoj. Kiam en la jaro 1922 ĉe la IVa kongreso de la Komunista Internacio estis fondita la Internacia Ruĝa Helpo, Wilhelm Pieck fariĝis membro de ĝia Plenumkomitato kaj en la jaro 1937 ĝia prezidanto.

Post nia liberigo de l'Hitler-faŝismo per la sovetia armeo kaj la popoloj alianciĝintaj kun ĝi Wilhelm Pieck staris en la plej antaŭa vico por eduki la germanan laboristan klason al proletara internaciismo kaj al firma amikeco por Sovetunio kiel por ĉiuj aliaj popoloj. Kiel prezidanto de la Centra Komitato de la germana kompartio kaj poste de la Socialisma Unuiĝinta Partio li kontribuis plej efike por ke la revolucia laborista partio, unuigita en aprilo 1946 el la kompartio kaj el la socialdemokratia partio ekde la komenco evoluis en la senco de la proletara internaciismo. Kiel sekretario de la partio li plurfoje iniciatis gravajn paŝojn por ke la Socialisma Unuiĝinta Partio efike kontribuu al la unueco de la komunisma mondmovado en lukto kontraŭ imperiismo, militarismo kaj faŝismo, por paco, demokratio kaj socialismo.

Kiam mi skribas ĉi tiujn liniojn ni solenas la 30an datrevenon de kiam Wilhelm Pieck proklamis la agraran reformon. Agraraj reformoj ja ankaŭ okazis eĉ en multaj kapitalismaj kaj evolulandoj. Sed la diferenco estas, ke ĉe ni t u j sekvis la realigo. Jam en la unua printempo post la proklamo ne plu ekzistis grundo-posedantoj kun cent aŭ pli da hektaroj, la tuta iama biena grundo tuj estis mastrumata de la novaj posedantoj. Ili povis fari tion dank' al la grandanima ŝtata helpo per kreditoj por agrikulturaj maŝinoj kaj brutoj kaj por tuja konstruo de individuaj hejmoj kaj staloj. (Granda parto de la kreditoj poste fariĝis nerepagendaj.)

La popolo de la Germana Demokratia Respubliko agadas honore al Wilhelm Pieck klopodante senlace, firme ligite al Sovetunio kaj ĉiuj socialismaj landoj, por stabila paca ordo en la mondo kaj por internaciaj rilatoj laŭ vera internacia amikeco.

| | |
|---|---|
| Wilhelm Pieck | prononcu: Vilhelm Pik |
| Ernst Thälmann | prononcu: Ernst Telman |
| Karl Liebknecht | prononcu: Karl Libknefit |
| Rosa Luxemburg | prononcu: Roza Luksemburg |
| Franz Mehring | prononcu: Franc Mering |
| Clara Zetkin | prononcu: Klara Cetkin |

kompartio: multe uzata en la laborista E-movado por komunista partio

L. Schödl

Hella Sauerbrey

# Esperanto-literaturo, ŝtoneto en la mozaiko de la paco

## 1. Enkonduko

Samaĝa kun la homaro estas la revo al paco. Laŭ la legendo regis paco, kiam la homoj uzis nur unu lingvon. Punite per diverslingveco, ili perdis unuecon kaj konkordon.

Jam en fruaj tempoj la homo pripensis la problemon de unuiĝo kaj akordiĝo de la homaro. Filozofoj same kiel reĝoj, sciencistoj, artistoj kaj simplaj homoj provis eltrovi motivojn kaj kaŭzojn por la kvereloj kaj malamo inter la popoloj. Ĉu estis rasaj diversecoj, diverseco de la pensmaniero aŭ de la moralaj aŭ spiritaj idealoj. Ĉu geografiaj aŭ kulturaj distingoj aŭ nur reciproka nekonado?

Kiom da kapoj – tiom da opinioj!

Tempo pasis – militoj eksplodis – gentoj kaj kulturoj pereis, sed la revo al paco kreskis, kreskas kaj plue kreskos, same kiel la sciaro kreskas pri la veraj kaŭzoj de la militoj.

Ankoraŭ Dr. L. L. Zamenhof kredis, ke unu de la ĉefaj kaŭzoj de la kvereloj inter la popoloj estus la diverslingveco kaj tial li revis pri lingvo neŭtrala por fini la lingvan ĥaoson. Sed li ne nur revis, li agis, kreante la Internacian Lingvon kaj per tio transdonante al la homaro rimedon, kiu povas helpi al reciproka interkonada.

Hodiaŭ ni scias, ke helpe de IL oni ne povas forigi la nepacigeblajn kontraŭecojn inter la militinstigantaj kaj pacamaj fortoj, kiuj estas la veraj baroj rilate al pacama mondo.

Ni scias, ke ne sufiĉas revi kaj paroli pri paco. Por eviti militon oni devas „klarigi al la homoj, kia estas la reala situacio, kaj levi la vualon, kiu kaŝas la sekreton de la preparado al konfliktoj..." (Lenin). Do, la milito de la homoj farita realaĵo, kiu ankaŭ devus esti malebligita de la homoj mem.

Samtempe oni devas klarigi kaj prepari pacon.

Sed kiel? Kie? Kiam?

Mi diras: Tuj! Ĉie! Ĉiamaniere!

Ekzistas multnombraj okazoj kaj kampoj. Tre konvena kampo sendube estas la literaturo. Per ĝi oni povas „pentri", klarigi la problemojn, prepari la spiriton por paco. La pasinta kaj nuntempa literaturo donas al ni sufiĉe da ekzemploj per kiuj estas prezentataj la brila multkolora, enhavriĉa, dolĉa kaj ofte ankaŭ suferplena mozaiko de la paco.

## 2. El dana literaturo

Poul Thorsen, la sperta dana esperantisto tradukis multajn poemojn kaj mem riĉigis la E-literaturon per propraj poemoj originalaj. Per akra plumo li „levas la vualon" kaj montras la „realan situacion" helpe de jenaj poemoj kaj epigramoj:

**„Sur Sekura Fundamento"** (ĵurnalo informas, ke por ĉiu homo en la mondo ekzistas 10 tunoj de eksplodforto)
Dormu en trankvilo
sekure en sekuron:
Dektuna eksplodilo
certigas ĉielveturon.

**Nekonataj Konatoj**
Pro kio prezentas pafilojn
rutine la vicoj soldataj?
Ĉu ne prezentinte mil-milojn,
pafilojn jam estas konataj?

**Proverbe**
Ju pli fanfara gloro
des pli amara ploro.

## 3. El vjetnama literaturo

Ke ne mankas suferplenaj mozaikŝtonoj en la porpaca pentraĵo de la Esperanto-literaturo pruvas la nuntempa vjetnama literaturo. Ni klare vidas, ke tie oni plej arde soifas pacon, kie milito regis kaj parte ankoraŭ regas. Oni nur legu kelkajn de la lastaj volumoj de la „Fremdlingva Eldonejo Hanojo"!

**„La horloĝisto de Djen Bjen Fu"** estas la titolo de volumo de elektitaj vjetnamaj noveloj aperinta 1971. Tiu ĉi titolo ne precize karakterizas ĝian multflankan enhavon. Pli bone oni povus titoli ĝin per „Aventuroj kaj homaj sortoj en milita tempo".
Sed oni ne atendu nur glorajn priskribojn de herooj aŭ famaj batalantoj! La noveloj pritraktas simplajn homojn, ĉiutagajn cirkonstancojn kaj preskaŭ nerimarkeblajn heroecojn de simpluloj el la periodo 1945–1964.

En **„Franjo Tu Haŭ"** de Bui Du Ai" temas pri rakonto de la fiŝista vivo en apudmara regiono de Sudvjetnamio dum la provizora okupado de francaj koloniistoj. La ĉefpersono – Tu Hau – sengepatra orfino, fariĝis akuŝistino. Post edziĝo kun vagema maristo ŝi vivas en ties apudmara hejmvilaĝo. Tie okazas invado de la marionetaj kaj francaj soldatoj kaj ŝi devas travivi multajn malfacilaĵojn kaj danĝerojn. Spite al ĉio ŝi ĉiam sin montras helpema kaj humana eĉ al la akuŝintaj virinoj de la marionetaj soldatoj. Vole nevole ŝi konfrontiĝas kun gerilmilito, rezistado,
Kutime nur nevole mi legas librojn kun milita enhavo, ĉar ekde la dua mondmilito, kiam mia frato estis pafmortigita kaj mi travivis bombatakojn, mi ne povas toleri paroladojn aŭ priskribaĵojn pri milito. Ili tro multe timigas kaj malkvietigas min.
Tamen mi ne bedaŭras la decidon, ke mi estis traleginta ankaŭ pluan vjetnaman romanon.

**„Hon Dat"** de Anh Duk
estas tiel altira kaj emociiga, ke mi ne povis ĉesi la legadon. En tute klara modesta maniero estas priskribitaj la homoj, la cirkonstancoj, la okzintaĵoj, naturo kaj pejzaĝo.
Oni devas estimi kaj ami la homojn, oni devas kompreni la cirkonstancojn kaj okazintaĵojn, oni povas imagi al si naturon kaj pejzaĝon. Sen fanfaroni estas rakontitaj la heroaj agoj de la Vjetkonganoj, do de viroj kaj virinoj, de infanoj kaj maljunuloj. Oni konatiĝas kun la vilaĝanoj de Hon Dat, pre-

Foto: Zentralbild



cipe kun unu familio, sed ili staras por ĉiuj.

**„Kun Onklo Ho"**
Ĉu eblas, alilokigi monton kaj plenigi maron?
Jes! Sed kiamaniere?
Ho Chi Minh mem, la respektata gvidanto de la revolucia mondo, la revita idealo de la junularo vjetnama, la plej amata homo de la tuta vjetnama popolo iam, en iu arbarangulo de Vjet Bac, donis la respondon poemforme, kiu rapide fariĝis la gvidilo de la tuta vjetnama junularo:

„Estas neniu laboro malfacila,
nur mankon de persistemo oni timas,
alilokigi monton kaj plenigi maron,
kun firma volo nepre oni sukcesas".

Tiu ĉi mallonga poeziaĵo karakterizas tiun homon, kies agado kaj vivo estas priskribitaj kaj eternigitaj en la volumo titolita „Kun Onklo Ho".
Sur preskaŭ 400 paĝoj oni trovas 21 rakontojn de 21 diversaj aŭtoroj, kiuj havis la okazon labori kun li, proksimiĝi al li. La portreto de tiu, kiu restas eterne por la tuta vjetnama popolo „Onklo Ho", estas pentrita per la memoraĵoj kaj impresoj de liaj kunlaborantoj, kamaradoj kaj eminentuloj. El la 21 rakontoj plej bone plaĉas al mi la 9a „Mia unua klaso", la 12a „Onklo Ho en Tan Trao", la 13a „Ses semajnojn en akompano de Onklo Ho", la 17a „Renkontiĝante kun Onklo Ho", la 20a „La gitaro de Onklo Ho".
Ili aparte taŭgas esti voĉlegataj en klubvesperoj, kunvenoj aŭ solenaĵoj.

## 4. El hinda literaturo

Kadre de la t. n. „Granda Projekto pri la Reciproka Aprezado de la Orientaj kaj Okcidentaj Kulturaj Valoroj" la Eldona Societo Esperanto en Malmö aperigis 1961 sub aŭspicioj de UEA (en kunsultaj rilatoj kun UNESCO) kolekton da rakontoj de Rabindranath Tagore. Ĝia titolo estas „Malsata Ŝtono". Lakshmiswar-Sinha, hinda esperanto-veterano kaj instruisto ĉe la Tagore-Universitato de Santiniketan, tradukis el la bengala lingvo kaj redaktis la kolekton kaj ankaŭ aldonis originale verkitan biografion pri Tagore.
Rabindranath Tagore, la fama hinda aŭtoro kaj filozofo donas interesajn priskribojn pri hindaj karakteroj kaj de naturo kaj de homo. Lia vivoverko estas frukto de hinda kulturo – pasinta kaj moderna – kaj tial serioza studado de lia verko kaj vivago certe ne nur faciligos komprenon de nuntempa Hindujo, reciprokan konadon kaj aprezadon de la kulturaj valoroj de oriento kaj okcidento, sed ankaŭ signifos plian riĉigon de la Internacia Lingvo.
En la enkonduko oni skribas ke „oni povas ankaŭ esperi, ke la verkoj publicitaj aperos poste en diversaj naciaj lingvoj, tradukitaj el Esperanto. Tio


Foto: T. Bilhardt

siavice empleksigos la rolon de la IL kiel pontolingvo, peranto inter diversaj kulturoj kaj konstruanto de la granda tuthoma, vere internacia kulturo".

**„Malsata Ŝtono"**
enhavas nur 126 paĝojn kun 7 rakontoj de Tagore.
El ili precipe plaĉas al mi i. a. „Nubo kaj Suno". „Nubo kaj Suno" estas malgranda vivodramo de juna jurista Magistro Sasawusan. Ankaŭ en lia vivo – same kiel sur la ĉiela sceno – nubo kaj suno ludis siajn proprajn rolojn. Li ŝatis siajn librojn kaj izolan vivon ekster la socio kaj pro tio ne eniris la juristan karieron. Giribala fariĝis lia komprenema amikino. Kelkfoje li estis implikita nevole en jurprocesoj. Malsperta pri homaj aferoj la libroamanto imagis, ke kiel en tempo pasinta la lertaj oratoroj faris nekredeblan miraklon per parolado, tiel ankaŭ li sukcesos per sagosimilaj vorttrezoroj farigi malbonon, subpremi teruron, kuŝigi egoismon. Sed vane! Liaj atestantoj ne havis kuraĝon kaj ne aŭdacis diri la veron. Ili estis konvinkitaj, ke „oni ja tiuokaze devas subaĉeti policiston kaj forgesante manĝon, dormon kaj propran taglaboron, oni devas viziti juĝejon; cetere estas ege danĝere jurprocesi kontraŭ eŭropano – nur dio scias pri la rezulto de jurproceso". Do, Sasivusan estis „laŭleĝe" punita kaj eniris malliberejon por 5 jaroj. Sed finfine la suno denove brilis, kiam Giribola neatendite lin ame renkontis.
Ĉiu rakonto esprimas por ni strangajn karakterojn, kutimojn, morojn kaj pensmanierojn. Ofte oni ne povas distingi, ĉu temas pri fabelo el „mil kaj unu nokto" aŭ konstruo de la fantazio aŭ realaĵo. Sed sendube ili faciligas la komprenon de nuntempa Hindujo kaj la reciprokan konadon, kiuj ja estas antaŭkondiĉoj de pacamaj rilatoj.

## 5. Poezio de Baghy kaj Kalocsay

Kio estus mozaiko de la paco sen poezio? Kio estus Esperanto-literaturo sen niaj ŝatataj, fame konataj hungaraj verkistoj Julio Baghy kaj Kolomano Kalocsay?
Julio Baghy, la romantika verkisto, la homo homa, riĉigis la Esperanto-literaturon per multege da poemoj kaj prozaj verkoj. Homeco estis lia plej alta idealo. Li mem diris „Sen romantika espero kaj sinofero ankoraŭ nenio okazis en la mondo".
Ĉiu novelo, eĉ la plej malgranda poemo esprimas lian amon al la homo, al la naturo, al la vivo mem. „Koloroj", tiu ĉi novelo estas unika laŭdokanto al la pompanta naturo. „Aŭtuna foliaro" – kia unika poemo! Kia delikate pentrita aŭtuna bildo! Sed homeco, naturo, liriko nur povas prosperi en paca mondo!
Pro tio li alvokas poeme

„Ne plu militon! Pacon! Nur pacon!
Gardu la vivon, solan donacon! . . .
. . . Centmilionoj venkos minacon.
Ne plu militon! Pacon! Mondpacon!

Ĉu paco estas imagebla sen majaj, amaj, lirikaj idilioj? Certe ne! Per ili la paco sin ornamas! En la literaturo la idilioj estas „la ruĝaj literoj kalendaraj de l'festoj kaj dimanĉoj". Kolomano Kalocsay ornamis la Esperanto-literaturon per multaj bonegstilaj lirikaj idilioj. Mi nur mencias kelkajn:

Papavo
Inter spikaro ora,
en bluzo ruĝkolora
vi staras kiel granda,
okulojn altiranta
papavo,
kaj pelas min sopiro
alkuri por akiro
de via sorĉa drogo
vokanta per allogo
por havo
de dolĉa ebrieto,
tratikla malkvieto,
ĝis la beata plonĝo
en la torpora sonĝo
de ravo . . .

Fruktoj
En la aŭtuna frukt-abundo,
kiel feino de fekundo,
alvenas vi kun plena korbo
da nuksoj, prunoj, pomoj, piroj,
kaj ĉirkaŭ via dolĉa korpo,
sur bluzostreĉa bustovolbo,
ebrie dancas la sunbriloj.
Ridete frukton vi prezentas,
kaj vian sukan buŝon pentras
purpure ruĝa la maturo.
Mi vidas en sopirtempesto
nur tian frukton de purpuro . . .
– Ho, ĝin surflugi, de plezuro
ebriiĝante, kiel vespo!



*Rabindranath Tagore* Foto: Zentralbild

## 6. La vojon celitan ...

Vere, senlima estas la vico de spertaj brilaj verkistoj, kiuj formis kaj formas la koloran mozaikon de la paco. Ne estas eble, nomi ĉiujn.
Sed fine mi devas nomi la unuan verkiston, kiu estis samtempe la kreinto de Esperanto L. L. Zamenhof. Per liaj kongresaj paroladoj kaj poemoj li donis al ni valorajn atestojn de porpaca E-literaturo originala. Li mem komencis la „mozaikon de la paco", fiksinte la unuajn ŝtonetojn. Ĉiam denove, li pritraktis la internan pacaman sencon kaj de la IL kaj de la E-movado mem. Ĉiam denove li atentigis la esperantistaron, ne flankiĝante iri „la vojon celitan". Jes, ni iras la vojon celitan!
Ĝi estas la vojo de la racio, de la principoj de paca kunekzistado kaj de la sociaj necesoj.
Ĝi estas la vojo de la reciproka konatiĝo helpe de Esperanto. Mi fieras, ke realiĝis en GDR la traduko de la fama ampleksa romano de Bruno Apitz „Nuda inter lupoj", kiu estas valora kontribuo al la nuntempa Esperanto-literaturo, emfazante, ke finfine solidareco, granda homeco kaj oferteco venkas brutecon de milito kaj pro tio prezentiĝas kiel ŝtoneto en la mozaiko de la paco!

# Perdita insuleto?

Perdita insuleto en la vasteco de la Esperanto-movado Kubo. Fermu viajn okulojn kaj pensu momenteton pri ĝi. Ĉu vi faris tion? Se jes, bonvolu malfermi la okulojn kaj plulegi.
En Kubo malproksime de ĉiuj Esperantaj ĉefurboj, de ĉiuj kongresoj kaj renkontiĝoj, de ĉiuj skisemajnoj kaj vintraj feriadoj, malproksime, tre malproksime, de Roterdamo, de la ekirpunkto de revuoj kaj aliaj informiloj, nu, tie en Kubo tamen esperantistoj kapablas vivi kaj esperantumi.
Tamen ili spertas akran solecon. En letero de la prezidanto de Kuba Esperanto-Asocio ni povas legi la jenon: „... kelkfoje ŝajnas al ni ke ni estas perdita insuleto en la vasteco de la Esperanto-movado. En nian landon ne eniras esperantlingvaj dissendoj, eksterlandaj esperantistoj estas maloftuloj kaj la neregula mara poŝto permesas al ni legi Esperantajn novaĵojn kiam ili fariĝas historio."
Niaj kubaj geamikoj petas lernolibrojn en la hispana, librojn en Esperanto kaj revuojn, ankaŭ malnovajn kaj iom difektitajn.
Ni montru al ili kiom forta kapablas esti esperantista solidareco. Ni montru al ili, ke, kvankam vasta, la Esperanto-movado ne permesas la ekziston de perditaj insuletoj en sia sino.
La petitan materialon bonvolu sendi rekte al Kuba Esperanto-Asocio, poŝtkesto 314, Habano 1, Kubo.
Eventuale vi povas ankaŭ mendi por ili ĉe UEA librojn kaj revuojn per pago al UEA mem.
Se vi volas proponi alispecan helpon, bonvolu kontakti la respondeculon de UEA pri landoj kun neorganizita movado:
Renato Corsetti, Via Strabone, 1 I - 00176 Roma, Italio.

## To Huu
## Ili min mortigis krime

Ili min mortigis krime.
Sed, ho, kiel nur murdita
resti povus mi viktime!
Ŝvebas mia spirito spita
en ĉiel' de la patrio,
kiel la vilaĝon pace
l'ombro de la palmfolio
ĉirkaŭbrakas amdonace,
kiel flugas frumatene
kaj vespere cikonioj,
kiel riveretoj plene
verŝas sin kun melodioj
en rizkampon kun verdfrisko,
kiel marondar' refrene
altavoĉe kun persisto
kantas kanton tre solene ...

(El „Danjo")

# Recenzo

*Kjell Walraamoen – Lina Gabrielli: Ni devas vivi. Poemoj. Libro originale verkita en Esperanto. 154 p. 1974 Stafeto. Beletraj kajeroj n-ro 45. Eld. J. Régulo. La Laguna.*
La libro prezentas la poemojn de du verkistoj diferencaj unu disde la alia ne nur laŭ nacieco, sed ankaŭ laŭ temaro kaj temperamento. Dum por la norvego Walraamoen, farmisto kaj arbarhakisto, la ĉefa instigo al lirika kreado venas el la impresoj deirantaj de lia hejmlanda pejzaĝo, la diversaj sezonoj, la homoj de lia ĉirkaŭaĵo kaj nur sporade el amaj sentoj, por la itala ĵurnalistino kaj redaktorino Gabrielli la inspiroj venas ĝuste el ŝiaj koro kaj animo, kiuj estas profunde emociitaj per la amo ĝuste al Kjell Walraamoen, en kies norvega domo ŝi vivis dufoje, 1971 kaj 1972. Tiuj du vizitoj en Norvegujo transformis la ĝistiaman prozistinon en lirikstinon kaj instigas ŝin verse elverŝi siajn sentojn kaj emociojn pri ĉio vivanta, kio ĉirkaŭas ŝin en la norda regiono, sed ĉefe pri siaj rilatoj al sia gastiganto. Do la personaj rilatoj de la du verkistoj estas la ligilo inter la du partoj de la libro ŝajne memstaraj kaj sendependaj unu de la alia kaj pravigis ilian komunan publikigon en unu volumo.
La titolo de la verko „Ni devas vivi" sugestas la konkludon pri pesimisma sinteno de la prezentitaj poetoj. Sed tio estas nur parte trafa. Tiu titolo aludas sentojn tute ne unuecajn ĉe la du verkistoj. Ĉe Walraamoen ĝi fakte aludas certan melankolian trajton, kiu esprimiĝas ekz. per tio, ke versoj pri Septembro kaj ĝenerale pri la aŭtuno estas pli oftaj ol versoj pri aliaj sezonoj. La aŭtuno evidente pli bone konvenas al la melankolia mondkoncepto de la poeto, mondkoncepto, kiu kelkfoje eskaladiĝas ĝis vera pesisimo (ekz. en: La mortiga ŝtalo: 'Ĉiu unuopa ulo estas murdisto'!). Sed troviĝas multaj belaj versoj, kiuj montras lin kiel senteman observanton kaj ĝuanton de la delikata ĉarmo de la naturo kaj kiel profundan amanton.
Ĉe Gabrielli la pesimisma subtono de la librotitolo estas trafa nur je la fino, kie post jubilantaj kantoj pri amo kaj espero aŭdiĝas plendoj de senreviĝo kaj doloro pro perdita amo. Sed dominas optimismaj, gajaj kantoj, kiuj prezentas senpere kaj sen tempoperdo (kiel montras la donitaj datoj) la sentojn elvokitajn per la kunestado kun la amato. Ŝia harmonio kun la estanta situacio montriĝas ankaŭ en tio, ke ŝi inkluzivas en la prikantendan vivoregionon eĉ la hundinon Lejka kaj la ŝafidon Jonathan, al kiu ŝi savis la vivon per aĉeto.
Ambaŭ poetoj versas en moderna formo do sen rimoj kaj laŭ tre malstrikta ritmo, ĉiam klopodante alĝustigi la versformon al la direndaĵo. La poemoj estas bone kaj facile legeblaj kaj bonfare distingiĝas de aliaj tro modernismaj kaj enhave obskuraj poeziaĵoj per sia konkrete kaptebla, komprenebla eldiro. La volumo povas esti rigardata kiel valora pliriĉigo de la originala poezio en Esperanto.

Dr-o Karl Schulze, Berlin

Rudolf Hahlbohm

# La virina problemo en la historio kaj la Internacia Jaro de Virino

**1. La socia pozicio de la virino dum la historia evoluo de la homaro.**

Krom la naturaj biologiaj diferencoj, ne ekzistis rangaj malsamecoj inter la seksoj en la praa komunumo. Viroj ĉasis, virinoj kolektis aliajn nutraĵojn. La samrajteco baziĝis sur la fakto, ke ĉiu plenaĝa ano de la hordo devis kontribui al la ekzistado de la kolektivo, kaj kontribuo de la virinoj kaj viroj estis samvalidaj.

Per evoluo de la agrokulturo ŝanĝiĝis la graveco de la kontribuo de la virinoj al la ekzistado de la socio. Ne plu ĉasado estis la fundamento de la vivteno, sed kulturado de plantoj, kaj tio estis afero de la virino, la viro fariĝis helpanto. Ekonomia supereco de la virino kaŭzis ŝian tiaman socialan pozicion kiel ĉefproduktantino. En la pratempaj hordoj regadis grupa edzeco, ĝi ne ebligis certe difini, kiu estas la patro de infano. Tial oni integris la naskitan infanon en la genton de la patrino. Viro adaptiĝis per edzeco al la gento de lia edzino. La generacioj de la gento nur reprezentis la inan linion, nur ĝi gravis.

Ĉiuj tiaj cirkonstancoj gvidis al hegemonio de la virino. Plue evoluis la produktiloj, sukcesis al la ĉasistoj malsovaĝigi bestojn kaj utiligi ilin. Per divido en bredistoj kaj agrokulturistoj komenciĝis unua dividado de laboro kaj plialtigo de la produktiveco. Plugilo kaj bridita bovo ebligis kultivi cerealojn. Per la kapableco fandi metalojn, oni sukcesis produkti pli bonajn laborilojn kaj armilojn. La interŝanĝo de varoj prosperis. La novajn okupojn praktikis ĉefe la viroj. El prospero de produktiveco estiĝis privata propraĵo. Ne plu estis oportune mortigi militokaptulojn, kiel nenecesaj manĝantoj, ekspluato de ilia laboroforto kontribuis al plua socia prospero. La nuna ordo baziĝis sur individua posedo de produktiloj kaj ekspluatado. La viro dume estiĝis ĉefakiranto de riĉeco. La patra privilegio anstataŭis la patrinan, kaj estiĝis fine patra estreco.

La socia pozicio de la virino, atingita dum la sklaveco, restis ankaŭ en pluaj ekonomiaj socioformacioj. Ŝia senrajteco estis en la mezepoko la sama kiel dum la antikveco. En mezepoka skabena libro de Brno (Moravio) tekstas: „la viro ne nur estas mastro pri la korpo de la virino, sed ankaŭ pri ŝia posedaĵo". La socian estimon de la virino destinis en Eŭropo ĉefe la katolika eklezio. La mito de la biblia pekofalo atestis, ke la virino estu ero de la viro kaj tial estrata de li. Eva estu patrino de la peko. La senrajta pozicio de la virino ne ŝanĝiĝis je transiro al feŭdismo.

La plua evoluo de produktivaj fortoj, la plialtigo de l'produktado de varoj, la grandaj eltrovoj en tekniko kaj geografio kondukis al nova ekonomia socioformacio, al kapitalismo. La novaj kondiĉoj malfirmigis multajn interligojn kaj favorigis emancipadstrebon de la virinoj. Industriitaj produktmetodoj ebligis dungi virinojn kaj infanojn, ili fariĝis gravaj ekspluatobjektoj. Pli kaj pli da virinoj unuiĝis al batalo por ekonomia, sociala kaj politika emancipado en la plej evoluitaj landoj. La batalo por liberigo de la virino interligiĝis kun la lukto por socia progreso ĝenerale. Aŭgust Bebel (1840–1913, gvidanto de la germana socialdemokratio) skribis: „Nenia liberigo de la homaro sen sociala sendependeco kaj samrangeco de la seksoj. La virino devas esti sendependa socie kaj ekonomie, nur tiam ŝi analogas al viro, libere kaj egalrajte."

**2. La liberigado de la virino.**

La plej granda virina organizaĵo estas la 1945 en Parizo fondita Internacia Demokratia Federacio de Virinoj, kun sidejo en Berlin (GDR).

Ĝi unuigas virinojn sen diferenco laŭ raso, nacieco, religio kaj ideologio. Ĝi celas atingi: – plenan egalrajtecon inter virinoj kaj viroj – protekto de l'vivo – klerigon kaj feliĉon de l'infanoj – ŝirmon de l'paco. La Internacia Demokratia Federacio de Virinoj estas ligita kun UNO per stato B. Ĝi estas tegmenta organizaĵo kaj unuigas 117 organizaĵojn el 101 landoj de ĉiuj kontinentoj. Antaŭ la dua mondmilito la egalrajteco estis ĉefpostulo de la virinoj, nunaj temoj de klarigo kaj diskutoj estas krome:
– Nuligo de koloniismo – Batalo kontraŭ atomarmiloj, rasismo, kaj faŝismo. La Internacia Demokratia Federacio de Virinoj originis el profunda sopiro de la virinoj al paco, libereco kaj progreso. En la fondodeklaracio tekstas: „Ni promesas solene, strebi senlace al daŭra paco en la mondo, kiu sole povas garantii feliĉon por niaj familioj kaj prospero por niaj infanoj."

La solvo de la virina problemo nun estas sur tagordo ĉie en la mondo. Laŭ propono de la Internacia Demokratia Federacio de Virinoj, la XXVIIa Asembleo de Organizaĵo de Unuiĝintaj Nacioj proklamis la jaron 1975 kiel Internacia Jaro de Virino.

Jam 1937, en la kadro de la tiama Ligo de Nacioj fondiĝis komisiono de ekspertoj por studi la leĝan situacion de virinoj en la mondo. La organizaĵo de Unuiĝintaj Nacioj dekomence inkluzivigis la emancipadon de la virinoj en sian programon. La Ĉarto de Unuiĝintaj Nacioj enhavas postulon pri egalrajteco inter viroj kaj virinoj. Dum 1946 estis fondita daŭra Komisiono por Virinaj Rajtoj. Ĝia tasko estis, analizi la situacion multflanke kaj prezenti proponojn. En la jaro 1951 UNO aprobis Konvencion pri Politikaj Rajtoj de la Virinoj, subskribita de 41 landoj kaj ratifita de 32 landoj. Tio jam ne estas duono de la membroŝtatoj.

La UNO-Komisiono por la Jaro de Virino, al kiu apartenas reprezentantoj el 23 landoj, konceptis programon. La dokumento postulas i. a. certigi la samajn rajtojn por virinoj kiel por viroj, en ĉiuj ŝtatoj, en profesio kaj politiko por ke ili povus partopreni egalrange je la formigo de la socio. La koncepto enhavas apelon al la membroŝtatoj pri forigo de diskriminacio de virinoj en ĉiuj sferoj. La dokumento plue rekomendas aranĝojn sur internacia kaj regionaj teritorioj por sukcesigi la egalrajtecon de la virino. La socialismaj ŝtatoj iniciatis postulon pri kompleksa ŝtata helpado por infanoj, kiel elementa postulo por garantii la egalrajton. Ili plue postulis, ke la daŭraj membroj de la Sekureca Konsilantaro de UNO reduktu siajn militbudĝetojn po 10 procentoj, ĉar emancipo de virino nur eblas realigi dum paco. Plua postulo estas, ke la UNO leĝe konfirmu internacie la unuan de septembro kiel „Baltaltago por Paco" kaj la okan de marto kiel „Internacia Tago de Virino". Ankaŭ la Internacia Demokratia Federacio de Virinoj prezentis al UNO vicon da proponoj.

Plenumo de Jaro de Virino estas de eminenta graveco, ne nur por virinoj, sed ankaŭ por la progresivaj fortoj en la tuta mondo. La UNO-konkludo deklaras de principon de jurista kaj fakta egalrajto de la viroj kaj virinoj kaj estas agnosko de la kreskanta aktiveco de virinoj de procedo de evoluo de la homaro. La Internacia Jaro de Virino ne estas limigita je agadoj en kadro de UNO, ĉie en la mondo okazas seminarioj, konferencoj, kongresoj kaj aliaj aktivecoj, kiuj celas plifortigi la protekton de la patrino kaj infano kaj solvon de problemoj koncernantaj demokratajn rajtojn kaj liberecojn, malarmigon kaj pacan kunekzistadon. Aktivecoj, apud multaj aliaj dum la jaro, estas ekzemple:

– Internacia Virina Kongreso de UNO en Meksiko,
– nova familia leĝo en Kubo, kiu legitimas la profunde ŝanĝitan pozicion

de virino, depost komenco de l'revolucio en Kubo,

- Konferenco de Arabaj Virinoj en Parizo,
- manifestacio en la iama faŝista koncentrejo por virinoj kaj infanoj en Ravensbrück (GDR), honore al 92 000 viktimoj,
- malarmiga seminario de IDFV ĉe sidejo de UNO en Novjorko,
- ampleksa eldonprogramo de Sovetunio pri elstaraj virinoj.

En kiu amplekso eblas realigi legitimajn pretendojn de virinoj, dependas de l'karaktero de socia ordo pokaze. En socialismaj ŝtatoj virinoj estas plenestimataj, posedas ĉiujn eblecojn realigi siajn celojn kaj evoluigi siajn kapablecojn. Ankaŭ en aliaj landoj la virinoj progresis, venke atingis pli da rajtoj, sen akiri jam plenan egalrajtecon. Tamen ankoraŭ milionoj da virinoj de la mondo devas vivi en sklaveco, neinstruitaj kaj subpremitaj. Plej grava celo estas tial ŝanĝi la pozicion de tiuj ĉi virinoj. La plej gravajn barilojn kaŭzas en multaj landoj la estantaj reĝimoj kaj socialaj strukturoj. Kie regadas subpremo, faŝismo kaj rasa diskriminigo ne eblas egalrajto por virinoj. La Internacia Jaro de Virino devas fari bilancon pri atingaĵoj, evidentigi progresojn de la demokratia virina movado kaj fiksi pluajn celojn.

Per ŝanĝigo de produktinstrumentoj la homo mem ŝanĝigas, evoluigas siajn kapablojn. Friedrich Engels konstatis: „Laboro estas unua fundamento por ĉia homa vivo, tiugrade, ke oni povas diri, ĝi kreis la homon mem." Ŝanĝiĝis ankaŭ la psiko de la homo dum la homara evoluo socia. La ofte akcentita diverseco de la seksoj, ne nur devenas el biologia diferenceco, depost komenco de neegalrajteco, knaboj kaj knabinoj estis edukitaj laŭ malsamaj gvidbildoj. Ĉis la nuna tempo knaboj estas edukitaj al nutrantopozicio, dum knabinoj estas preparitaj al estontaj patrinaj devoj. Multaj de la laŭdire tipaj kvalitoj de la vira aŭ ina seksoj, tial estas aledukitaj. La opinio pri ecara esenco kaj rolo de la virino radikas en la klasa socio, dum kiu ŝi estis subpremita kaj forigita de klerigadeblecoj kaj socia agado.

Per la socialisma Oktobrorevolucio komenciĝis profunda ŝanĝigo por la homaro, ĉar ĝi ne anstataŭis unu ekspluatordon per alia (kiel antaŭaj revolucioj), sed ĝi finigis ekspluatadon de homo per homo. Ĝi ankaŭ malfermis vojon por vera emancipigado de virino, unuafoje en la mondo. Vojo kiun montris Clara Zetkin je la Internacia Virina Konferenco 1910 en Kopenhago. Tiu ĉi konferenco proklamis la 8an de marto kiel Internacian Tagon de Virino. Malpermesita demonstracio de virinoj je 8a de marto 1917 (laŭ malnova rusa kalendaro: 22a de februaro) en Petrogrado donis motivon por eksplodo de la revolucio en la cara regno. La kolizioj kun la polico transformiĝis al Februarrevolucio, kiu forbalais la carismon. La fina venko de la socialisma revolucio donis al rusaj virinoj liberigon, ekonomian kaj socialan samrangiĝon. Evidentiĝis, ke la virina problemo nur estas solvebla lige kun solvo de tutsociaj problemoj.

Same kiel en Sovetunio, en ĉiuj socialismaj landoj, la realigo de egalrajteco dekomence estis elemento de ŝtata politiko. En la Germana Demokratia Respubliko estas plenumitaj ĉiuj konkludoj kaj konvencioj de UNO pri pozicio kaj rajtoj de virino. Sisteme kaj kontinue estis realigita la jura kaj politika egalrajteco, ekzemple: – sama salajro por sama laboro – rajto por klerigado – protekto de patrino kaj infano – memdecido pri gravedeco.

En GDR, la Jaro de Virino samtempe estas 30a jubileojaro de liberigo el faŝismo per la sovetarmeo. Foriĝis komenco de nova vivo en homa digno por la virinoj kaj antaŭkondiĉo por realigo de egalrajteco. La virinoj intertempe fariĝis veraj kunkonstruantoj de socialisma ŝtato. 84,5 procentoj de laborkapablaj virinoj laboras profesie, lernas aŭ studadas, 33,4 procentoj de la deputitoj kaj 21,4 procentoj de urbestroj aŭ komunumestroj estas virinoj. Ĉiu tria direktoro de lernejo kaj juĝisto kaj 45,4 procentoj de l'skabenoj estas virinoj.

La komisiono por preparo kaj realigo de l'Internacia Jaro de Virino en GDR, prezentis je komenco en internacia gazetara konferenco riĉan programon de aktivaĵoj. Estas honoriga tasko por la virinoj de GDR realigi la Internacian Kongreson de IDFV 1975 en Berlin, ĉefurbo de GDR.

# Danjo en Vjetnamio

## Verkita de SATOME Katumoto ilustrita de ENDÔ Teruyo tradukita de membroj de Ikebukuro Esperanto-Societo, Japanio, 46 p

*Anstataŭ recenzon ni publikigas partojn el tiu kortuŝa, milda kaj ŝoke skua libreto de japana verkisto Saotome.*

Mi volas rakonti pri la knabino, kiu estas en mia koro.

Danjo estas ŝia nomo. Ŝi vivas ankoraŭ nun en angulo de tiu ĉi vasta mondo. „Ĉu oni verkos libron pri mi...?", ŝi certe ridetas honteme, mi pensas.

Danjo estis 13-jara, kiam mi vidis ŝin. Kiam mi unuafoje vidis la hontemulinon, kun la nigra hararo faskita malantaŭe, en flava ĵerzo kaj svelta pantalono bone sidantaj sur ŝi, mi trovis ŝin simila al facilmova sciuro.

„Bonan tagon, Sciureto", mi salutis.

Ekster la fenestro fluas la rivero Danubo.

Trans Danubo situas la urbo Peŝto. Kaj sur la monteto en tiu ĉi flanko estas la urbo Buda.

La du urboj unuigitaj nomiĝas Budapeŝto.

Meze sur al rivero troviĝas la insulo, nomata Margit. En sezono plena de verdo, en la bela urbo, kie ŝvebis la odoro de lilako kun zefiro, mi hazarde renkontiĝis kun la trupo de saĝa Sciureto. Tio okazis en la posttagmezo de la 18a de majo 1971.

Nu, ni aŭskultu Danjon:

„Mia hejmloko estas Sudvjetnamio. Inter kampoj kaj rizkampoj maldense staras domoj kun pajla tegmento kaj tera muro. Kun muĝo lante iras laborema bubalo surdorse portante infanojn sur kampara vojeto. Senfina vico de palmoj, kaj tre-tre kvieta loko. ... Se ne estus milito", tiel komencis rakonti saĝa Sciureto.

Jam ne videblis la ridkavetoj sur la vangoj briletaj.

„Ne, estas kvieta vilaĝo, ho ne, ... *estis* kvieta vilaĝo..."

Kial ŝi korektis, ke ne estas, sed estis kvieta vilaĝo? Ĉi tio signifis, ke ŝia hejmloko jam ne ekzistas...?

Fakte en Vjetnamio daŭris la longa, kruela milito ankaŭ tiam, kiam mi vidis Danjon, samkiel antaŭe.

Malgraŭ tio, la loĝantoj en la malgranda lando neniam senesperiĝis, kaj bataladis tolerante ĉion malfacilan kun la devizoj: „Batali estas pli bone ol fariĝi sklavoj!" aŭ „Nenio estas pli valora ol libero kaj sendependeco!"

Pro tio, kiom da sango elfluis, kaj kiom da vivoj pereis...! Ankaŭ la vilaĝo Hanh Tin, kie loĝis Danjo, estis supremita de la ŝuoj de usonaj soldatoj, kaj pereis en la milita flamo.

Ĝi malaperis kun la pajlaj tegmentoj kaj la domoj de la tera muro. Kaj eĉ ankaŭ pli ol 60 vilaĝanoj...

*Se vi volas legi pri la sorto de Danjo, kiu eble nun vivas en la Libera Vjetnamio, mendu la libreton. Ĉe Ikebukuro Esperanto-Societo, 35-28, Kami-Ikebukuro-2-tyôme, Toksima-ku, Tokio, 170, Japanio. Subtenu la noblan sintenon de la verkisto, kiu skribas ĉe la fino de la libreto:*

„Estas al mi feliĉe, se vi enportos ĉi tiun libron en klasĉambron kiel materialon por scii pri vjetnama milito, kaj prenos ĝin en via babilado. Ankaŭ Danjo, kiu malkaŝis sian malĝojan travivaĵon, konsentos la proponon kun larmoplenaj okuloj.

Georgi Korotkeviĉ

# El la vivo de ardanta homo



*A. Lunaĉarski* Foto: Zentralbild

23-an de novembro de nuna jaro la tuta progresema homaro celebras signifoplenan tagon – la 100-jaran datrevenon de la naskiĝo de eminenta aganto de la Soveta Ŝtato, rimarkinda literaturisto, publicisto, pensulo, neforgesebla batalanto por paco kaj progreso Anatolij Lunaĉarski.

En Moskvo oni konas sufiĉe multajn lokojn, kiuj estas iel ligitaj kun la memoro pri tiu eminenta homo kaj lia bolega agado. Sed hodiaŭ ni rakontas nur pri unu el tiuj lokoj, kiu portas modestan nomon = Memoriala kabineto de A. V. Lunaĉarski. Tie, en la domo 9/5, kiu staras ĉe la kruciĝo de du stratoj: Lunaĉarski-strato kaj la strato de Vesnin' (eminentaj arkitektoj).

La scienca kunlaborantino Elena Dunajeva, kiu jam delonge laboras en tiu-ĉi muzeo, rakontas:

Ĉio, kio troviĝas en la Memoriala kabineto, ne estas simple konservata. En la jaro 1934-a, kiam Lunaĉarski mortis, la verkisto Miĥail Kolcov, parolante dum la vespero de rememoroj, diris:

Estas devo de ĉiuj, kiuj vidis kaj aŭdis Lunaĉarski', kiu memoras tiun radian, ardantan homon, kolekti ĉion, kion lasis li en literaturo, en la leteroj, en la vivaj impresoj, por transdoni la tutan mirindan ravon de unu el la plej grandaj homoj al la estontaj generacioj.

Kaj oni plenumas tian sugestion. Ĉio, ligita kun la agado de Lunaĉarski, la partia kaj ŝtata aganto, diplomato kaj literaturisto: libroj kaj leteroj, ĵurnaloj kaj fotoj, rememoroj kaj pentraĵoj, ĉio estas kolektata en la Memoriala kabineto kaj studata. Iuj eksponaĵoj kaj homoj, kiuj liveris ilin, propramane aŭ pere, havis neordinaran sorton kaj historion.

Ekzemple la rusa pentristo Miĥail Verbov vivas nun en Usono. En pasinta jaro li vizitis Moskvon. La pentristo rakontis al ni, pri la pasinteco, pri lia vivo kaj agado dum la unuaj postrevoluciaj jaroj kaj subite rememoris, ke li dufoje pentris Lunaĉarski'. Li ekmemoris . . . Tio ne estas facila, ĉar pasis pli ol duono da jarcento. Sed la memorkapablo de la pentristo estas sufiĉe bona. Tial ni kune venas al la Memoriala kabineto, esperante trovi tiujn pentrajojn. Nia espero ne trompis nin. Ni paŝas tra la ĉambroj kaj jen la gasto el Usono ĝoje ekkrias:

Jen estas ĝi!

Vere, ni vidas pendi surmure portreton, faritan per krajono. La pentristo ne markis daton, kiam li faris la portreton. Sed streĉinte la memoron pri pasinteco, li difinas, ke tio okazis proksimume dum la jaroj 1923/1924.

De la portreto Lunaĉarski rigardas koncentrite ekspensiĝinta. Lia vizaĝo estas la vizaĝo de saĝa, bonkora homo, kies vivo tute ne estas facila.

En unu el la vitrinoj ni trovas ankoraŭ unu pentraĵon faritan de nia gasto. En la angula de la pentraĵo estas skribita la dato de 1a de novembro 1923. La pentraĵo montras Lunaĉarski sidanta ĉe la tablo. Li tenas en la manoj manuskripton. Ĉirkaŭe sidas aktoroj de Moskva drama Malgranda Teatro (Maly Teatr). La Popola komisaro por klerigo legas al ili dramon „Ursa edziĝfesto", kiun li verkis laŭ motivoj de „Lokis"-novelo de Prosper Merimée. La dramo, kiel ni scias, baldaŭ post la tralego ekvidis la lumon de la scenejo kaj poste ekranon de kinematografo.

Ni trarigardis pentraĵojn kaj fotojn. Ni vidas Lunaĉarski ĉe la skribtablo, en rondo de amikoj, inter artistoj kaj inter simplaj laborhomoj.

Jen – ankoraŭ multaj atestoj pri la senlaca laboro de tiu homo kun vere neelĉerpebla energio – liaj libroj, artikoloj, recenzoj, tezoj, alvokoj. Inter ili – alvokoj „Al ĉiuj gelernantoj", „Al tuta rusa instruistaro kaj ĉiuj agantoj en sfero de popola klerigo", „Kulturaj taskoj de laborista klaso", „Tezoj pri la taskoj de marksisma literatura kritiko", liaj libroj – „Teatro kaj revolucio", „Lenin kaj literaturscienco", ankaŭ dramaj verkoj „Oliver Cromwell", „Campanella", „Liberigita Don Quixote", „Faŭst kaj la urbo" kaj aliaj.

Dum tiuj jaroj Lunaĉarski

- organizas kaj gvidas gigantan kaj malfacilan laboron por la likvido de analfabeteco;
- gvidas la agadon de Popola Komisario por klerigo;
- laŭ komisio de Soveta Registaro veturas al Ĝenevo, kie li partoprenas la agadon de la Ligo de Nacioj, defendas sovetajn proponojn pri senarmiĝo, demaskigas „ĝenevajn pacfarantojn", kiuj intencas dronigi la sovetajn proponojn en fluo de vakaj vortoj;
- faras paroladojn kaj referatojn en kursoj de propagandistoj, en Konferenco de metalistoj, en Kurski-stacidomo al ruĝarmeanoj, en Konferenco de junaj komunistoj de Sokolniki-distrikto de Moskvo, en multaj aliaj kunvenoj kaj konferencoj;
- interparolas kun multaj reprezentantoj de malnova intelektularo kaj per forto de viva vero, de fera logiko konvinkas ilin iri al venkinta proletaro kaj labori kune por konstruado de nova mondo;
- partoprenas akutajn diskutadojn pri vojoj de nova socialisma kulturo, pri rilato al kultura heredaĵo de pasinteco, varmege kaj konvinke defendas la linion de Lenin-partio, luktas kontraŭ ĉio pseŭdo-revolucia, kontraŭ ĉio esence fremda;
- luktas por novaj literaturo kaj arto, kiuj stabile staras sur tero, kiuj apartenas la la popolo, klare vidas grandan kaj luman estontecon, proksimigas ĝin;
- aktive subtenas ĉiujn eminentajn kaj ankaŭ ankoraŭ junajn literaturistojn, pentristojn, aktorojn, kiuj aldonas „La tutan sian sonoran forton de poeto" al la laborula popolo.

Li havis multe, terurege multe da laboro. Malgraŭ tio li trovis tempon (oni diris: „per ia miraklo") por

- tralegi kaj pritaksi esploron de maljuna rusa sciencíulo pri la epoko de renesanco;
- fari ruslingvan artan tradukon de versoj de la granda hungara poeto-revoluciulo Sándor Petöfi;
- paroli dum la solena vespero, dediĉita al granda kreinto de „Faust" Johann Wolfgang Goethe;
- interesiĝi pri internacia helplingvo Esperanto, varmege subteni agadon de sovetaj esperantistoj, kiuj jam uzas tiun lingvon por disvastigo de

vero pri Sovetio en multaj landoj. Estante honora prezidanto de la Kongreso de proletaj esperantistoj en 1926 en Leningrado, li skribis en sia salutletero al la kunvenantaj delegitoj de Kongreso la vortojn, kiuj iĝis tre popularaj inter la mondesperantistaro. Tie estis notita, ke iuj aprioraj konsideroj de teoria karaktero igas lin esprimi sian detenon al la esperantista kazo. Sed la faktoj estas aĵo obstina. Oni ne povas ne agnoski faktojn, ĉar ili devigas al agnosko. Kaj la faktoj pledas por Esperanto.

Pri multaj, tre multaj aferoj kaj problemoj okupis sin Lunaĉarski. De kie venis tiel neelĉerpebla energio por vere „ĉirkaupreni neamplekseblan"? La literatura esploristo Korneli Zelinski skribis pri tio:

„Aŭdante la tondron de Judeniĉ-blankgvardiaj kanonoj dum la ofensivo al Petrogrado, Lunaĉarski kunvokis aŭskultantojn por tralegi al ili tradukojn el verkoj de forgesita svisa poeto Konrad Ferdinand Meyer, kiujn li faris dum „libera tempo". Matene de la sekvonta tago li jam pridiskutis la metodan sistemon de programoj por lernejoj kaj faris prelegojn por soldatoj kaj maristoj pri Beethoven, Goethe, Tolstoj, Ĉajkovski kaj Leonardo da Vinci.

Ĉiu fenomeno, speciale en la sfero de arto intencis direkti ne al la pasinteco, sed al estonteco, preni ion sanan ... Pro tio Lunaĉarski faris tiel multajn prelegojn dum multnombraj vesperoj kaj jubileoj, skribis tiel multajn antaŭparolojn por eĉ neatentataj libretoj. Li faris tion kun altanimeco de „Lorenz Brilega", kiel nomis lin la amikoj.

La historio konas homojn, kiuj kreis ion, kio iutempe interesis homojn, sed poste estis forgesita. Sed oni konas ankaŭ vere fortanimajn homojn, kies agada kaj kreada heredaĵo eĉ post ilia morto maltrankviligas milionojn da koroj. Tia kreado ne apartenas al la pasinteco, sed aktive intervenas la laboron de la posteuloj. Ĝuste tion oni devas diri pri la heredaĵo de Lunaĉarski.

**Rudolf Hahlbohm**

# La Germana Kamparana Milito

**„La potenco estu donata al la ordinara popolo". Thomas Müntzer 1525.**

Dum la 15a jarcento pliakriĝis kaj evidentiĝis la profundaj antagonismoj de la feŭda socio. Prospero de produktivaj fortoj, progreso en scienco kaj tekniko, evoluo de novaĵ produktiloj, prosperanta produktado de varoj, krevigis la limigon de simpla naturalekonomio. Novaj varo-mono-rilatoj trarompis barilojn, la sociala strukturo de la popolo diferenciĝis, kreskis riĉeco kaj malriĉeco, evoluis la socia tavolo de plebanoj.

Ruiniĝo de l'malsupra nobelaro kaj sekve de tio pliintensivigita ekspluatado de la kamparanoj, konfliktoj inter princoj kaj nobelaro, inter urboj kaj ekleziularo, kreskanta riĉeco de la eklezio, plifortiĝanta opozicio de la popolo kontraŭ ekleziuloj, kaj la monopolpozicio de la patriciaj gentoj en la urboj, konfliktoj inter la gildoj, rabo de komunumaj kampoj de la kamparanoj per la princoj, tio ĉio estis simptomoj de komencantaj grandaj ŝanĝoj ekonomiaj. La monosistemo nuligis la naturan limon de la ekspluato, ĉar monon oni povas akumuli. La cirkulado de mono instigis produktadon de varoj kaj el tio altiĝis la valoro de l'tereno, kiel produktilo. Vid-al-vide al la novaj evoluotendencoj evidentiĝis la maltaŭgeco de la estanta feŭda ordo kaj la neceso de fundamenta ŝanĝo. Kelkloke en Eŭropo estiĝis antaŭkondiĉoj por transiro al manufaktura produktado. La novaj kapitalismaj produktmanieroj subfosis pli kaj pli feŭdajn produktkondiĉojn. Pleja barilo por libera evoluo de l'frua kapitalismo ankoraŭ estis en Germanio la teritoria kaj ŝtata dissplitiĝo. Dume evoluis elementoj de nova ekonomia socioformacio en la sino de la feŭdismo, kreskis malkontento de la popolamaso pro mizeriĝo de iliaj vivokondiĉoj.

Pleje plimalboniĝis la stato de la kamparanoj, sur ili pezis la tuta ŝarĝo de la socio.

Dum tiu ĉi ekonomia proceso samtempe turniĝis la spirita vivo kontraŭ la feŭda-klerikala mondkoncepto kaj hombildo.




Foto: Zentralbild

La plimizeriĝo de la popolamasoj estigis en multaj landoj de Eŭropo kontraŭfeŭdajn ribelojn. La plej ampleksa estis la ekleviĝo de la ĉeĥa popolo sub la gvido de Jan Hus, kontraŭ feŭda, klerikala kaj fremda subpremo.

En Germanio komencis fazo de bataloj 1476 en la sudo. Tie la paŝtisto kaj muzikisto Hans Böheim ĉiudimanĉe predikis al amasoj de kamparanoj pri granda ŝanĝo, kiun anoncis al li la Virgulino Maria, dum sonĝo. Ne plu estu nek imperiestro, nek papo, nek imposta dekonaĵo, nek avido kaj diboĉo de la ekleziuloj. Iliaj leĝoj ne plu validos, ĉiuj estus gefratoj, laboros kaj dividos komune. La kamparanoj kolektiĝis en sekretaj ligoj. Kamparanoj de la alpaj landoj ribelis kontraŭ siaj estroj. Ribeloj okazis en Nederlando kaj Frislando. Dum pluaj jaroj Sudgermanio fariĝis centro de kamparanaj ribeloj. La kamparanoj formis siajn postulojn per dekdu paragrafoj, kiuj analogis al la historia socia progreso.

Konformis al la historiaj kondiĉoj, ke sociorevoluciaj ideoj kaj postuloj esprimiĝis religie. La kamparanoj deduktis siajn postulitajn rajtojn el la Biblio. Fundamento estis la pretendo pri realigo de l'„Dia Justeco".

El komunaj ekonomiaj interesoj sukcesis ideologie interligiĝi kamparana kaj urba malsupraj tavoloj. Konspiraj instrumentoj estis sekretaj organizaĵoj, ekzemple „Bundschuh" (Bindŝuo) ... Unua eminenta ribelo de l'Bindŝuo okazis 1493, plej efika Bindŝu-konspiranto

estis la servutulo Fritz Jos. Li sukcesis organizi ribelojn en 1502, 1513 kaj 1517. Malgraŭ perfido, li ĉiam povis eskapi kaj fariĝis fine legenda persono. Konspiraj intencoj de la kamparanoj ofte estis perfiditaj dum la konfeso en la preĝejo. Nova ondo de kontraŭfeŭda aktiveco krome ekleviĝis en Sudgermanio, en Svisio kaj Hungario.

Ideologia ĉefapogilo de la feŭda ordo kaj plejgranda bienarestro estis en Germanio la katolika eklezio. Kiel portanto de ideologia potenco, ĝi malhelpis ĉiujn progresemajn tendencojn. Precipe la supera klerikularo vivis kiel parazitaro. Tial la feŭdismo ne povis esti atakita efike, sen ataki ĝian centralan klerikalan organizaĵon. En Germanio maturiĝis la objektivaj kaj subjektivaj kondiĉoj por ribelo de la ekspluatitaj amasoj.

La proklamo de la 95 tezoj de la iama monaĥo d-ro Martin Luther je la 31a de oktobro 1517 sur la portalo de la kastela preĝejo en Wittenberg kaŭzis ĝeneralan reforman movadon. La opozicio de Luther plidisvastiĝis al nacia afero, inkluzivis klasojn kaj tavolojn de la germana popolo kaj atingis ankaŭ Francion, Italion kaj Hispanion. La kritiko de Luther pri indulgenco kaj fistatoj en la sistemo de la roma-katolika eklezio senteme trafis la papan kurion. La movado kontraŭ la papeklezio tremigis ankaŭ la feŭdan sistemon, kiu bazis sin sur la ŝolastika teologio. La reformacio pliampleksiĝis al eŭropa graveco. Luther mem nur intencis reformi la eklezion, sen tuŝi la sociajn kondiĉojn, sed la akriĝo de la klasa antagonismo kaŭzis, ke la kritiko pri papismo kaj klerikalismo fluis en ĝeneralan batalon kontraŭ princoj kaj la tuta feŭda sistemo. La popolamasoj komencis apliki konsekvencojn el la ideoj de Luther, li mem iris al la flanko de la princoj. Plej konsekvenca daŭrigo de la reformacio favore al la popolo, estis la agado de Thomas Müntzer. Li predikis la rajton de l'popolo je rezisto kontraŭ misuzo de la potenco per sendiaj potenculoj. Müntzer ne nur kritikis misuzon de klerikala kaj neklerikala potenco, li ankaŭ komencis agi kaj proklamis sian programon de sur la predika pupitro. Li ligis socialajn kaj politikajn celojn kun la imago de la Regno de Dio sur tero, socio sen subpremo kaj ekspluatado. Ĉie forpelita el oficoj, li vagante semis siajn ideojn inter la popolo kaj fondis sekretan ligon inter opoziciaj fortoj. Lia devizo estis „Omnia sint comunia" (Ĉio estu komuna).

Denove ekflamis ribeloj, ili disvastiĝis al revolucia milito. La decida fazo komenciĝis dum somero 1524, centroj de ribeloj estis en Sud- kaj Mezgermanio kaj en la Alpolandoj. Formiĝis grandaj kamparanaj rotoj kaj bivakoj. Inter 1524 kaj 1525/26 leviĝis centmiloj da kamparanoj, ministroj, metiistoj kaj plebanoj kontraŭ ekspluatado kaj subpremado. Komenciĝis la senkaŝaj bataloj. La revoluciaj fortoj konkeris kastelojn, palacojn kaj monaĥejojn. Malgraŭ militista supereco, la kamparanoj hezitis, kredis al falsaj promesoj, opiniante, ke ili atingos sajn celojn sen batalo. La princoj lerte eluzis la situacion, prokrastigis promesitajn kontraktojn. Per zioligo de la unuopaj kamparanaj rotoj, per trompo ili sukcesis unuigi siajn armeojn kaj ŝanĝis la fortoproporcion. Fine la princaj armeoj povis venki la dividitajn unuopajn rotojn. Kulminon atingis la Germana Kamparana Milito sur la Turingaj-Saksaj teritorioj sub la gvido de Thomas Müntzer. Decida batalo okazis je la 14a–15a de majo 1525 kontraŭ la unuigitaj armeoj de la princoj. En heroa luktado la kamparanoj, mettistoj, plebanoj kaj ministoj malvenkis sur la batalkampo de Frankenhausen.

La venĝo de la princoj estis terure. Kontraŭ la ribelantoj furiozis kruela teroro de la feŭda potenco. Miloj de ili estis mortbatitaj, terure ekzekutitaj, torturitaj, kripligitaj kaj punigitaj per monpunoj kaj pliintensigita servutado. La malvenko de la revoluciaj kamparanoj kaj plebanoj influis la socian vivon por longa tempo en Germanio kaj malebligis unue pluan socian progreson.

La Germana Kamparana Milito estis la ĝis tiam plej granda amasomovado en la historio de la germana popolo. Reformacio kaj Kamparana Milito fariĝis komenco de la Fruburĝa Revolucio. La Germana Kamparana Milito estis unu el la plej grandaj decidaj bataloj en Eŭropo.

La Germana Kamparana Milito pruvis la historioformigan potencon de la popolo. Ĝi el sia mezo formis ideologiajn kaj politikajn gvidantojn kaj batalantojn de eminenteco. Je la pinto de la ofte disaj ribeloj troviĝis servutaj kamparanoj, metiistoj, iamaj soldatoj, malsupraj ekleziistoj ministoj kaj paŝtistoj. Sed la plej elstara persono, kiu reliefis la ĉefetapojn de la Fruburĝa Revolucio en Germanio, estis Thomas Müntzer. Li daŭrigis la per Martin Luther komencitan Reformacion, fariĝis superanta ideologo de l'popolmilito kaj montris vojon al la estonteco.

La Germana Kamparana Milito estiĝis el la profundaj antagonismoj de la feŭda socio je la fino de l'15a kaj komenco de l'16a jarcento. La kamparanaro ankoraŭ ne povis venki sen gvidado per la burĝaro. Sed la burĝa klaso ankoraŭ ne estis sufiĉe prosperinta, por unuigi ĉiujn opoziciajn fortojn sub sia flago. La kamparanaj plebanaj rotoj ofte batalis izolite, komunan agadon malhelpis malvaste lokitaj interesoj. Samtempe alianciĝis en la batalo kontraŭ la malsupraj popoltavoloj katolikaj kaj lutheraj princoj, katolikaj kaj lutheraj nobelanoj, katolikaj kaj lutheraj patricianoj. La Germana Kamparana Milito estis elirpunkto por revolucia tradicio-linio en la historio de la germana popolo. La heredaĵo de l'batalo de la kamparanaro, la progresivaj ideoj de Thomas Müntzer kaj aliaj revoluciaj batalantoj trovis plenumon en la Germana Demokratia Respubliko. Post la liberigo de l'faŝismo per la Antihitler-Koalicio la postulo de Thomas Müntzer estis plenumita: „La potenco estu donata al la simpla popolo." La socialisma Germana Demokratia Respubliko gardas kaj realigas ĉiujn progresemajn tradiciojn. La heredaĵo de la Germana Kamparana Milito antaŭ 450 jaroj estas viva en GDR.




Foto: Zentralbild

# Grava sciigo el Japanio

Ni sciigas ke la japana peranto de PACO ŝanĝiĝis.

La nova peranto kaj la adreso jen estas:
Japanio: SATOO Yasuo (nova peranto de PACO)
Ooizumigakuen-tyo 777, Nerima-ku
TOKIO 177 Japanio

La adreso estas sama kiel de la sidejo de Japana Pacdefenda Esperantista Asocio/MEM-japana sekcio. Samtempe bonvolu ne plu adresi al la malnova peranto.

Ni elkore deziras pluajn kunlaborojn al ĉiuj pacaktivuloj per la interŝanĝo de la opinioj en diversaj sferoj.

Multe da sukcesoj en ĉiuj flankoj!
samideano via

Satoo Yasuo.

# THOMAS MANN
# 1875-1975



*Thomas Mann kaj Johannes R. Becher, la unua prezidinto de Kulturligo de GDR*

Foto: Zentralbild

**Thomas Mann**, kies naskiĝtago revenas ĉi-jare la centan fojon, rangas kiel romanverkisto, novelisto kaj eseisto inter la plej elstaraj literaturistoj en la unua duono de la 20-a jarcento. Kiel filo de grandkomercisto li naskiĝis la 6-an de junio 1875 en Lübeck kaj mortis la 12-an de aŭgusto 1955 en Zürich. Li studis kaj unue verkis en München. Krom per multaj eseoj, en kiuj li pritraktis la temon pri la arto kaj pri la pozicio de la arto kaj la artisto en la reala vivo, sed poste ankaŭ pri la politika pozicio kaj efiko de la burĝa verkisto, li elstaras precipe per siaj grandaj romanoj. Tiuj estas: „La familio Buddenbrook" (1901, prezentanta la nehaltigeblan malsupreniron de komercista familio tra kvar generacioj kiel simbolo por la diseriĝo kaj finiĝo de la burĝa socio entute); „La sorĉa monto" (1924, kleriga kaj eduka romano, en kiu manifestiĝas lia maturiĝo de „senpolitikulo" al verkisto agnoskanta la devon al politika partieco); „Josefo kaj liaj fratoj" (1933/43), granda, kvarvoluma poemo pri humaneco manifestiĝanta en la agado de la heroo por la socio); „Lotte en Weimar" (1939, kun Goethe kiel centra figuro, montranta al la mondo, kontraste al la faŝisma, pli bonan Germanion); „Doktoro Faŭstus" (1947, kultur- kaj epokromano, montranta al la arto la vojon al la popolo); „La konfesoj de la kavaliro-fripono Felix Krull" (1954, prezentanta la problemon pri la artisto en la burĝa socio en humora-burleska formo).

Dum sia tuta vivo Thomas Mann luktis kun la problemo de la burĝa ekzistado kaj ties ekzistorajto. Li estis ĉiam la granda kronikisto de la burĝa disfalo, kiun li tamen ne sentis kiel mondpereon, sed kiel la plenumon de historia verdikto. Kvankam li neniam atingis la komprenon por la proletaro kaj ne prezentis ĝin literature, li tamen ekhavis je la fino de sia vivo certan senton pri la forto kaj rolo de la proletaro kaj manifestis tion ekz. per la konata eldiro pri la „kontraŭkomunismo kiel la baza malsaĝeco de nia epoko". Komence li estis tre malinklina al politikaj konfesoj, sed sub la efiko de la mondhistoria evoluo li esprimis siajn politikajn konvinkojn pli kaj pli akre, precipe en la batalo kontraŭ faŝismo kaj naziismo.

Pri la problemo de la faŝismigaj tendencoj de sia tempo, pri la kontraŭspirita sinteno de la faŝismo kaj pri ties metodo uzi delogajn-magiajn rimedojn por la akirado de la potenco, Th. Mann unue okupiĝis arte en la novelo „Mario kaj la magiisto" (1930). En trafa antaŭdiro li montras en tiu novelo, ke la faŝismo estas renkontebla kaj venkebla nur perforte.

En „Mario kaj la magiisto" la faŝismo estas enkorpigita per la figuro de la ĝibulo Cipolla, kiu aranĝis en malgranda itala banloko publikan prezentadon kiel prestidigitisto kaj iluziisto, sed fakte li pruviĝas hipnotigisto, kiu serĉas kaj trovas sian diablan plezuron en la kompleta submetigo ne nur de unuopaj personoj, sed de la tuta spektantaro sub sian volon. Nur Mario, la kelnero, pri kiu Cipolla okupiĝis kiel lasta, trovas la forton liberigi sin kaj la ceterajn spektantojn el la hipnota tranco.

La ĉi-suba fragmento estas la fino de tiu novelo kaj priskribas la lastan eksperimenton de la magiisto Cipolla (nomanta sin mem „kavliro") kun la kelnero Mario kaj ties finan, liberigan faron.

D-ro Karl Schulze

## Thomas Mann
# La fino de Cipolla
### El la novelo „Mario kaj la magiisto"

...

Ni konis lin home, ne konante lin persone, se vi bonvolas permesi al mi la diferencigon. Ni vidis lin preskaŭ ĉiutage, kaj en ni estiĝis kelka partopreno en lia kondutmaniero sonĝema, facile perdiĝanta en spiritoforesto, kiun li korektis en hasta transiro per speciala servemo. Li kondutis serioze, kaj nur infanoj kapablis provoki lin al rideto. Li estis ne grumblema, sed neflata, sen intenca afableco, aŭ pli bone: li rezignis pri afableco, li evidente na havis la esperon plaĉi. Lia figuro estus ĉiuokaze restinta en nia memoro, unu el la ne pompaj vojaĝmemoroj, kiujn oni retenas pli bone ol iun alian pli konsiderindan. Sed pri liaj cirkonstancoj ni sciis nenion plu, ol ke lia patro estis malgrava skribisto en la Municipio[1] kaj lia patrino lavistino.

La blanka jako, en kiu li plenumis siajn profesiajn servojn, aspektigis lin pli bone ol la miskoloriĝinta kostumo el maldika ŝtofo striita, en kiu li nun supreniris, havante ĉirkaŭ la kolo ne kolumon, sed flame desegnitan silktukon, super kies finaĵoj la jako estis fermita. Li alpaŝis al la kavaliro, sed tiu ne ĉesis movi sian fingrohokon antaŭ la nazo, tiel ke Mario devis alproksimiĝi ankoraŭ plu, apud la krurojn de la potenculo, senpere ĝis la seĝo. Poste Cipolla ekprenis lin kun disetenditaj kubutoj kaj donis al li tian pozicion, ke ni povis vidi lian vizaĝon. Li rigardis lin nezorge, mastre kaj serene, de supre ĝis malsupre.

„Kio estas tio, raggazo mio?"[2] li diris. „Tiel malfrue ni interkonatiĝas? Tamen vi povas kredi al mi, ke mi delonge konatiĝis kun vi ... Sed jes, mi delonge direktis mian atenton al vi kaj certigis min pri viaj bonegaj ecoj. Kiel mi povis ree forgesi vin? Tiom da negocoj, vi scias ... Diru do, kiel vi nomiĝas? Nur la antaŭnomon mi volas scii."

„Mario estas mia nomo", la juna homo respondis mallaŭte.

„Ho, Mario, tre bone. Do, la nomo ekzistas. Tre ofta nomo. Antikva nomo, unu el tiuj, kiuj konservas la heroajn tradiciojn de la patrujo. Brave. Salve!"[3] Kaj

[1](it): urbodomo, magistratejo
[2](it): knabeto mia
[3](it): Estu salutata!

el sia neregula ŝultro li etendis brakon kaj platan manon oblikve supren, plenumante la romian saluton. Se li estis iom ebria, tio ne povis mirigi; sed poste kiel antaŭe li parolis tre klare akcentite kaj flue, kvankam je tiu tempo io sata kaj paŝaeca, iom da incitemo kaj petolemo jam estis en lia tuta konduto kaj ankaŭ en la sonmelodio de liaj vortoj.

„Nu, mia Mario", li daŭrigis, „estas bele, ke vi venis ĉi-vespere kaj krome surmetis tian ŝikan koltukon, kiu bonege konvenas al vi kaj estos ne malmulte utila por vi ĉe la knabinoj, la ĉarmaj knabinoj de Torre di Venere..."

De la starlokoj, proksime de tie, kie ankaŭ Mario antaŭe staris, aŭdiĝis rido – estis Giovanotto kun la militfrizaĵo, kiu ĝin eligis. Li staris tie kun sia surŝultrigita jako kaj tute krude kaj moke ridis „Haha!"

Mario, mi kredas, suprentiris la ŝultrojn. Ĉiuokaze li ekmoviĝis. Eble estis fakte ektremo, kaj la movo de la ŝultro nur servis por kaŝi ĝin tuj poste kaj por sciigi, ke la koltuko same kiel la bela sekso estas al li indiferentaj.

La kavaliro supraĵe rigardis malsupren „Tiun ni ne priatentos", li diris, „li estas ĵaluza, verŝajne pri la sukcesoj de via tuko ĉe la knabinoj, eble ankaŭ, ĉar ni tiel amikece interbabilas ĉi tie supre, vi kaj mi... Se li volas, mi memorigas lin pri lia koliko. Tio kostas al mi tute nenion. Diru iomete, Mario: Vi distriĝas hodiaŭ vespere... Kaj tage vi servas en mercerejoj?"

„En kafejo", korektis la junulo.

„Pli ĝuste en kafejo! Jen Cipolla foje maltrafis. Cameriere[4] vi estas, trinkejisto, Ganimedo, – jen kio plaĉas al mi, plia antikva memoraĵo, – salvietta!"[5] Kaj al tio, je la plezuro de la publiko, la kavaliro denove etendis salutante la brakon.

Ankaŭ, Mario ridetis. „Sed antaŭe", li poste aldonis justece, „mi servis kelkan tempon en vendejo en Portoclemente." En lia rimarkigo estis io de la homa deziro subhelpi profetaĵon, konstati en ĝi ion ĝustan.

„Do, do! En vendejo de mercerajôj!"

„Oni vendis tie kombilojn kaj brosojn", Mario rediris evite.

„Ĉu mi ne diris, ke vi ne ĉiam estis Ganimedo, ne ĉiam servis kun la servotuko? Eĉ se Cipolla maltrafas, li faras tion per konfidiga maniero. Diru, ĉu vi konfidas min?"

Neklara movo:

„Duona respondo", konstatis la kavaliro. „Akiri vian konfidon estas sendube malfacile. Eĉ mi, kiel mi vidas, ne facile sukcesas. Mi rimarkas en via vizaĝo trajton de nebabilemo, de tristeco, un tratto di malinconia[6]... Diru do al mi", kaj li persvade ekprenis la manon de Mario, „ĉu io vin afliktas?"

„Nossignore!"[7] tiu respondis rapide kaj decide.

„Io vin afliktas", la magiisto insistis, aŭtoritate superante tiun decidecon. „Ĉu tion mi ne vidus? Vi certe ne povas kredigi ion al Cipolla! Memkompreneble estas la knabinoj, knabino estas. Pro amo vi afliktiĝas."

Mario vigle kapneis. Samtempe denove aŭdiĝis apud ni la brutala rido de Giovanotto. La kavaliro ekaŭskultis. Liaj okuloj vagis ie en la sfero, sed liaj oreloj volonte ekkaptis la ridon. Sed dume lia kunludanto preskaŭ eskapis de li, ĉar en subita ekmovo Mario turniĝis for de li kaj direktis sin al la ŝtupoj. Li estis ruĝa ĉirkaŭ la okuloj. Nur lastmomente Cipolla sukcesis reteni lin.

„Haltu!" li diris. „Tio mankus. Ĉu vi volas forkuri. Ganimedo, en la plej bona momento aŭ senpere antaŭ la plej bona? Restu ĉi tie, mi promesas al vi belaĵojn. Mi promesas al vi konvinki vin pri la senkaŭzeco de via aflikto. Tiu knabino, kiun vi konas kaj kiun ankaŭ aliaj konas, tiu – kiu do estas ŝia nomo? Atendu! Mi legas la nomon en viaj okuloj, ĝi ŝvebas sur mia lango, kaj mi vidas, ke ankaŭ vi estas ĝin elparolonta..."

„Silvestra!" Giovanotto kriis de malsupre.

La kavaliro neniel ŝanĝis la mienon.

„Ĉu ne ekzistas maldiskretaj homoj?" li demandis, ne rigardante malsupren, kvazaŭ senĝene dialogante kun Mario. „Ĉu ne ekzistas treege maldiskretaj virkokoj, kiuj kokerikas ĝusta- kaj malĝustatempe? Jen li prenas al ni la nomon de sur la lipoj, al vi kaj al mi, kaj eble eĉ kredas, la vantulo, posedi specialan rajton je ĝi! Ni lin lasu! Sed Silvestra, via Silvestra, nu, diru nur, jen knabino, ĉu ne? Vera trezoro! Estas korhaltige vidi ŝin iri, spiri, ridi, tiom ĉarma ŝi estas. Kaj ŝiaj rondaj brakoj, kiam ŝi lavas kaj ĉe tio ĵetas la kapon en la nukon kaj skuas la harojn de sur la frunto! Anĝelo de la paradizo!"

Mario fikse rigardis lin kun antaŭenŝovita kapo. Li ŝajne forgesis sian pozicion kaj la publikon. La ruĝaj makuloj ĉirkaŭ liaj okuloj, pligrandiĝinte, aspektis kvazaŭ surpentritaj. Mi malofte vidis tiaĵon. Liaj dikaj lipoj staris dise.

„Kaj ĝi afliktas vin, tiu anĝelo!" Cipolla parolis plu, „aŭ pli ĝuste, vi afliktiĝas pri ĝi... Tio estas diferenco, karulo mia, gravega diferenco, kredu al mi! En la amo okazas miskomprenoj – oni povas diri, ke miskomprenoj nenie tiom oftas kiom ĉi tie. Vi eble opinias, ke Cipolla scias nenion pri la amo, tiu kun sia korpa difekto. Eraro, li scias tute multe pri ĝi, li estas sperta pri ĝi laŭ ampleksa kaj insista maniero, estas rekomendinde aŭskulti lin pri amaferoj! Sed ni lasu Cipollan, ni lasu ĉarman Silvestra! Kiel? Estus eble, ke ŝi preferas al vi iun kokerikantan virkokon, tiel ke li povas ridi kaj vi devas plori? Ke ŝi preferas lin al vi, al tiel sentema kaj simpatia junulo? Tio estas malmulte verŝajna, tio estas neebla, ni scias tion pli bone, Cipolla kaj ŝi. Se mi imagas min sur ŝia loko, vidu, kaj mi povas elekti inter tia gudrita bubaĉo, tia salita fiŝo kaj marfrukto – kaj Mario, kavaliro de la servotuko, kiu moviĝas inter la gesinjoroj, kiu lerte prezentas refreŝaĵojn al la fremduloj kaj amas min per vera, varmega sento, – estu certa, tiam la decido ne estas malfacila por mia koro, tiam mi bone scias, al kiu mi donacos ĝin, al kiu tute sola mi ruĝiĝante donacis ĝin jam delonge. Estas tempo, ke li, mia elektito, vidu kaj komprenu tion! Estas tempo, ke vi vidu kaj ekkonu min, Mario, mia plejamato... Diru, kiu estas mi?"

Estis abomeninde, kiel la trompisto ŝajnigis sin ĉarma, kokete tordis la oblikvajn ŝultrojn, sopire okulumis per la sakethavaj okuloj kaj montris siajn splitiĝintajn dentojn en dolĉefekta rideto. Ho, sed kio fariĝas el nia Mario dum liaj blindigaj vortoj? Estas malfacile por mi tion diri, kiel estis malfacile por mi tion vidi, ĉar estis la malkaŝo de plej intimaj sentimentoj, la publika elmontro de senkuraĝa kaj iluzie feliĉega pasio. Li tenis la manojn interplektitaj antaŭ la buŝo, liaj ŝultroj leviĝis kaj malleviĝis pro fortegaj spiroj. Certe pro feliĉo li ne fidis siajn okulojn kaj orelojn kaj tiumomente nur forgesis tion, ke li vere ne devas fidi ilin. „Silvestra!" li spiris el plej profunda brusto, venkite de emocio.

„Kisu min!" diris la ĝibulo. „Kredu, ke vi rajtas! Mi vin amas. Kisu min ĉi tien", kaj per la pinto de la montrofingro, fortenante en manon, brakon kaj malgrandan fingron, li montris al sia vango, proksime de la buŝo. Kaj Mario kliniĝis kaj kisis lin.

Tiam estis granda silento en la salono. La momento estis groteska, monstra kaj streĉa – la momento de la feliĉego de Mario! Kio estis aŭdebla en tiu malbona tempospaco, en kiu ĉiuj rilatoj de feliĉo kaj iluzio altrudiĝis al la sento, estis la rido de Giovanotto je nia maldekstra flanko. Oni aŭdis ĝin ne tuj je la komenco, sed tuj post la trista kaj farsa unuiĝo de la lipoj de Mario kun la abomeninda karno subŝoviĝanta al lia tenero. La rido eliĝis unuope el la atendo, brutala, malice ĝoja kaj tamen, se mi ne tro eraris, ne sen subtono kaj nuanco de kompato pro tiom da reva malavantaĝo, ne tute la kunsonado de tiu krio „Poveretto", kiun la magiisto antaŭe deklaris kiel malĝuste direktita kaj pretendis por si mem.

Sed samtempe, jam dum ankoraŭ aŭdiĝis tiu rido, la supre karesita magiisto fajfigis la rajdvipon malsupre, apud la seĝopiedo, kaj Mario, vekite, ek- kaj resaltis. Li staris kaj gapis, kun la

[4](it): kelnero

[5](it): buŝtuko, servotuko (vortludo kun la antaŭe uzata „Salve")

[6](it): trajto de melan-kolio

[7](it): Ne, sinjoro



# Bruno H. Bürgel

## 1875 – 1975

## Vivo kaj verko de astronomo

La dekkvaran de novembro 1875 Bruno H. Bürgel naskiĝis en Berlin. Lia patrino estis kudristino, jam baldaŭ malsaniĝis kaj mortis 1884.
Lia legitima patro Adolph Trendelenberg, famkonata sciencisto, neniam konfesis sin al sia filo.
La ŝuisto Gustav Bürgel kaj lia edzino adoptis la knabon. La familio vivis en tre malriĉaj vivkondiĉoj. Post foriro el la vilaĝa lernejo 1889 Bürgel, dekkvar jarojn aĝa, komencis labori kiel metilernanto en la ŝuista laborejo de sia patro. Poste li laboris kiel ŝtonpremisto, kiel fabriklaboristo kaj travivis la maldolĉan mizeron de juna proleto. En la jaro 1895 plimalboniĝis lia ekonomia situacio, Bürgel senlaboriĝis.
Jam frutempe ekvekiĝis en li la intereso kleriĝi kaj legi bonkvalitajn librojn. La juna Bürgel speciale dediĉis sin al la astronomio. Li sukcesis trovi laboron en la Urania-observejo en Berlin kaj laboris kiel helpanto uzante ĉiun okazon pluklerigi sin teorie en la biblioteko kaj praktike en la observejo.
Bürgel riskis siajn unuajn paŝojn kiel verkisto. La unua artikolo aperis en la rusa jurnalo „Mir Bojhi" (Mondo de dio), la dua en la centra organo de la socialdemokratia partio de Germanujo „Vorwärts" (Antaŭen), kies redaktoro estis Wilhelm Liebknecht.
En la jaro 1910 aperis lia unua libro „El malproksimaj mondoj", populara klarigo de la universo, ĝi estas lia ĉefverko. La famkonata naturesploristo Ernst Haeckel (1834–1919) eĉ prijuĝis ĉi tiun libron kiel la „plej popularan klarigon" de la universo. La unua mondmilito interrompis la laboradojn de Bürgel. Post la milito 1919 li eldonis (44 jarojn aĝa) siajn vivrememorajôjn sub la titolo: „De laboristo al astronomo". En ĝi li priskribis sian malfacilan vivovojon; kiel li estis altenmontinta sur malglataj vojoj laŭ la vortoj: „Per aspera ad astra" (el la latina lingvo: „Per penadoj al la steloj").
En la vivo de Bürgel komenciĝis tre aktiva tempo. En multnombro da ĵurnalartikoloj, paroladoj kaj radiodisendaĵoj Bürgel parolis al ĉiam pligrandiĝanta nombro da homoj. Li ne nur skribis pri astronomaj temoj, sed li ankaŭ okupis sin pri demandoj kaj problemoj el filozofio, historio, kulturhistorio, kaj diversaj natursciencaj sferoj. Li bonege komprenis malabstrakte kaj populare alproksimigi al la amasoj ankaŭ la plej malfacilajn sciencaĵojn; ĉiu devis kompreni liajn paroladojn kaj skribaĵojn, sed antaŭ ĉio la laboristo, al kiu ĝis nun la sciencfontoj restis fermitaj!
En la jaro 1925 aperis la libro „Universo kaj mondsentimento", en kiu li provis prezenti la influon de la stelaro sur la kulturvivon de la homaro.
Du multe legitaj fabela kaj aventura libroj aperis 1920 respektive 1928, nome „La strangaj rakontoj de doktoro Ulebuhle" kaj „La aventura libro de doktoro Ulebuhle". En la jaro 1932 aperis „La mondpercepto de la moderna homo". Tri libroj konatigis Bürgel kiel bonsentimentan kaj humuran babilanton: „La malgrandaj ĝojoj" (1934). „Cent tagoj da sunbrilo" (1940) kaj „Pri la ĉiutaga ĉagreno" (1941). Liaj bonegaj skribaĵoj ĉie estis volonte legataĵo Bürgel ĉiam plipopulariĝis.
En la jaro 1936 aperis lia biografa romano „Steloj super la stratetoj".
Dum la tempo de la Dua Mondmilito aperis la libro „Semo kaj rikolto".
La noveldonaĵo en la jaro 1947 ricevis la titolon „La libro pri la vivo kaj la morto".
Bürgel malakceptis la terorsistemon de la naziistoj, kaj kelkaj laboraĵoj estis konfiskitaj per la naziista cenzurejo. Li tre suferis sub la ĉiam plue etendiĝanta milito kaj la detruo de kulturvaloroj.
1946 kaj 1947 aperis la grava astronomia libro „La homo kaj la steloj" kaj „Vojo de la homaro" kaj kiel lia lasta „La torĉportantoj".
La unuan de Julio 1948 Bürgel mortis en sia domo en Potsdam-Babelsberg.
Lia vivoverko:
22 libroj kun du milionoj da ekzempleroj, parte tradukitaj en ok fremdajn lingvojn, pli ol du mil paroladoj en 350 urboj, proksimume 3 000 gazet- kaj ĵurnalartikoloj kaj multnombraj radiosendaĵoj. Liaj verkoj pruvas altan kapablon populare kaj malabstrakte prezenti natursciencajn temojn kaj elfundamente humanisman deziron.
Vortoj de Bürgel al ni:
„Kiu vere enpenetris en la esencon de la senfina naturo, perdas kaj la arogecon kaj ankaŭ la malindan devotecon antaŭ aliaj homoj. La astronomio instruas al ni modestecon kaj dignon."

La teksto estas presita en varbfolio.
El la germana teksto (eldonita de „Astronomia Centro", Potsdam, Nova Ĝardeno), tradukis Richard Schulz, mallongigita.

---

trunko klinita malantaŭen, premis la manojn, unu super la alia, sur siajn misuzitajn lipojn, poste per la maleoloj de ambaŭ manoj plurfoje batis al si kontraŭ la tempioj, sin turnis kaj malsuprenkuris la ŝtupojn. Dume la salono aplaŭdis kaj Cipolla, kun la manoj plektitaj sur la genuoj, ridis per la ŝultroj. Malsupre en plena kurado, Mario abrupte sin turnis, disigante la krurojn, suprenĵetis la brakon, kaj du eksplodoj, plate sonegantaj, trabatis la aplaŭdon kaj ridegon.
Tuj poste ekestis silento. Cipolla salte leviĝis de sur la seĝo. Jen li staris, defende flankenetendinte la brakojn, kvazaŭ li volus krii: „Haltu! Silentu! Ĉiuj for de mi! Kio estas tio?", la sekvan momenton li refalis sur la seĝon kun la kapo rulanta sur la bruston, kaj la postsekvan li terenfalis flanke de la seĝo, kie li restis kuŝanta, senmova senorde ĵetita pakaĵo de vestoj kaj oblikvaj ostoj.
La tumulto estis senlima. Sinjorinoj tikante kaŝas la vizaĝon sur la brusto de siaj akompanantoj. Oni vokis la malgrandan maŝinaron nebrile metalan, apenaŭ pistolforman, kiu pendis en lia mano kaj kies preskaŭ ne ekzistantan tubon la sorto direktis en tian ne antaŭviditan kaj fremdan direkton.
Ni prenis – nun finfine – la infanojn kaj tiris ilin al la elirejo preter la intervenanta paro de policanoj. „Ĉu vere tio estis la fino?" ili deziris scii por esti certaj . . ." Jes, tio estis la fino", ni konfirmis al ili. Fino kun teruro, ege fatala fino. Kaj tamen liberiganta fino – mi ne povis kaj ne povas ne senti ĝin tiel!

Trad. D-ro K. Schulze

Detlev Blanke

# Pri la kontribuo de la laboristaj esperantistoj por la evoluo de la germana – soveta amikeco en la tempo de la Respubliko de Weimar[1]

*Verkita omaĝe al la 30a jubileo de la liberigo de la eŭropaj popoloj el sub la faŝima jugo pere de la kontraŭhitlera alianco, kie Soveta Unio portis la decidan kaj plej malfacilan parton.* (2)

## 1. La lingvo Esperanto – ilo en la batalo de la internacia proletaro

Kiam kun la evoluo de la burĝaro kaj ĝia nacia konscienco evoluis en Eŭropo nacioj kaj plene elformiĝis naciaj lingvoj, la latina ĉeses esti la internacia lingvo de la scienculoj. En tiu tempo scienculoj kiel Leibniz, Descartes aŭ Comenius proponis plane krei universalan lingvon kaj internacie enkonduki ĝin, kiu anstataŭos la latinan. El la ĝis nun ĉ. 700 provoj konstrui internacian skribon (pazigrafion) aŭ lingvon kaj internacie enkonduki ĝin por plifaciligi la internacian lingvan interkompreniĝon (3) nur „Esperanto" de d-ro L. Zamenhof (1887) montriĝis praktike taŭga kaj konstante gajnis signifon, precipe en la socialisma ŝtataro.

Fine de la 19-a kaj komence de la 20-a jarcentoj larĝaj tavoloj de la ĉefe pacifisme orientita burĝa Esperanto-movado nutris la iluzion, ke per internacia lingvo oni povus malhelpi militon kaj atingi „ĝeneralan interfratiĝon de la homaro". La unua mondmilito detruis tiun iluzion en multaj honestaj humanisme konvinkitaj esperantistoj.

Laboristoj uzis Esperanton por la celoj de la revolucia batalo jam antaŭ la 1-a mondmilito, sed pli amplekse nur post 1920, kaj tion des pli, ĉar burĝaj rondoj la lingvon jam delonge uzis por siaj celoj, ekzemple inter alie dum 1-a mondmilito por ŝovinisma militpropagando (4). La fondita 1921 en Praha, „Sennacieca Asocio Tutmonda" (SAT) estis preskaŭ jardekon efika internacia organizo por la klasbatalo. Tiu organizo konscie uzis Esperanton por la proleta batalo. SAT raportis en siaj publikaĵoj kaj ĵurnaloj (ekz. „Sennaciulo". 1924–1931 ĉiusemajne) pri la situacio kaj la batalo de la laboristaro en la tuta mondo, informis detale pri la sukcesoj de la socialisma konstruado en Sovetunio kaj kontribuis per tio bonege al la internacieca edukado de multaj laboristoj.

Kiam, stimulite per periodo de relativa stabiliĝado de la kapitalismo en Eŭropo, fine de la 20-aj jaroj en SAT kreskis la influo de la socialdemokrataj kaj kosmopolitikaj – anarkismaj fortoj, kaj kiam spite al multflankaj streboj precipe flanke de sovetaj kaj germanaj komunistoj oni ne sukcesis rekonduki SAT al la pozicioj de la klasbatalo, revolucia opozicio de la internacia laborista Esperanto-movado 1932 en Berlin fondis „Internacion de Proletaraj Esperantistoj (IPE). IPE, en kiu 1932 estis organizitaj jam pli ol 13 000 laboristaj esperantistoj el 18 landoj (6) rigardis kiel sian ĉefantaskon sur la fundamento de marksisma mondkoncepto batali kontraŭ imperiismo, faŝismo, nacia kaj koloniisma subpremado, agadi por la ĉiuflanka fortigo kaj defendo de Sovetunio kaj meti Esperanton plene kaj senkompromise en la servon de la revolucia batalo de la internacia proletaro (7). IPE daŭrigis la siatempe positivan laboron de SAT kaj mobilizis per siaj ĵurnaloj „Internaciisto" (1930–1933 Berlin) kaj „Sur Posteno" (1933 Moskvo, 1934–1938 Amsterdam) multmilajn laboristajn esperantistojn, uzi la internacian lingvon kiel ilon de neesperantistaj laboristaj rondoj. Tio okazis ĉefe per „Proleta Esperanto-Korespondado (PEK)" kiu ne nur multajn naciajn laboristajn gazetojn en multaj landoj regule provizis kun informoj ricevitaj per Esperanto kaj denove tradukitaj en la naciajn lingvojn, sed ankaŭ signifskale peris kolektivan korespondadon kaj konkursojn inter fabrikoj en Sovetunio kaj laboristaj kolektivoj en kapitalismaj landoj. La bulgara nacilingva PEK-bulteno „Mejdunaroden rabselkor" (Internacia laborista kaj kamparana korespondado) ekz. havis eldonkvanton de 7 000 ekzemplerojn en la jaro 1934 (8) kaj estis uzata, parte eksterleĝe, de la bulgara laborista gazetaro kaj aliaj proletaj informiloj en la tuta lando.

IPE, 1935 aligita al la „Mondkomitato kontraŭ faŝismo kaj milito" (9) devis esti likvidita en la jaro 1939, ĉar pro la progresanta faŝismigo de la plej multaj eŭropaj registaroj ĉiam pli el la landaj sekcioj devis labori eksterleĝe, aŭ, kiel ekde 1933 la germana sekcio de IPE, estis grandparte paralizitaj aŭ likviditaj. Krom tio okazis, ke la plej forta apogilo de IPE la soveta esperantista movado, fine de la 30-aj jaroj fakte malaperis.

La progresivaj ideoj de IPE hodiaŭ, en tute ŝanĝitaj historiaj kondiĉoj, denove vivas en la Esperanto-movadoj de la socialismaj landoj kaj, en sia antimilita kaj kontraŭfaŝisma sinteno, ankaŭ en la Mondpaca Esperantista Movado (MEM).

## 2. Germana Laborista Esperanto Asocio (GLEA), organizaĵo de la revolucia germana proletaro

La unuaj laboristaj Esperanto-grupoj en Germanio ekestis 1908, kaj 1911 en Leipzig fondiĝis GLEA. Sed nur post la unua mondmilito ekeblis sistema laboro. Kiel plej gravan taskon GLEA rigardis esti proletara propagand-organizaĵo por Esperanto, sed ŝiaj membroj aktive kunlaboris en la tiame progresiva SAT. En kelkaj regionoj, ekzemple en Saksujo, komunismaj membroj de GLEA uzis Esperanton inter alie por korespondado inter Ruĝfrontaj batalantoj kaj

sovetaj partneroj, kaj la organo de la germana Komunisma Partio „Sächsische Arbeiter-Zeitung (SAZ)" (Saksa Laborista gazeto) (10) ofte presis leterojn kaj raportojn el Sovetunio, peratajn per Esperanto-korespondantoj (precipe Otto Bäßler).
Kiam 1924 post la disbato de la laboristaj registaroj en Saksujo kaj Turingio per „Reichswehr" (armeo de la germana ŝtato) „SAZ" estis malpermesita, la Esperantista Gazetara Servo de (G)LEA (Otto Bäßler kaj Walter Kampfrad el Leipzig) de januaro ĝis oktobro 1924 eldonis 16 numerojn (po 4–8 paĝoj) de la grandformata gazeto „Völkerspiegel" (Spegulo de la popoloj) (11). La materialoj devenis senescepte el proletaraj Esperanto-gazetoj aŭ laboristaj korespondajoj. „Völkerspiegel" fakte anstataŭis la malpermesitan organon de la Komunista Partio.
La influo de la Komunista Partio de Germanio (KPD) montriĝis ĉefe ekde 1930, kiam socialdemokrataj skismemaj grupoj dum la 8-a asocia kunveno 1930 en Essen forlasis LEA-n. Samjare LEA sub nova gvidantaro (KP-membroj Vildebrand, Bäßler, Kraushaar) realigis sian aliĝon al la fondita en 1929 interessocieto por laborista kulturo „IFA" (12). Dum tiu 8-a asocia kongreso parolis la membro de la Centra Komitato de KP, Wilhelm Florin (13), kaj dum la 9-a asocia kongreso 1932 en Eisenach parolis la prezidanto de IPA, Fritz Bischof (14).
LEA (ekde 1930 „Laborista Esperanto Asocio por germanlingvaj regionoj"), kiu 1932 havis 4 000 membrojn en 206 grupoj (15), posedis ekde tiam klaran marksisman-leninisman pozicion, respegulis en sia organo „Laborista Esperantisto" la linion de la Komunista Partio de Germanio kaj envicigis Esperanton plene en la politikan batalon. „Ni ne plu estas societo de lingvo-amikoj" klarigis la distriktestro de LEA kaj prezidanto de IFA por regiono Mecklenburg, Rudi Graetz, „sed ni konscie devas meti Esperanton en la servon de la klaskonscia laboristaro. Ni devas organizi fabrikan kaj vilaĝan korespondadon. Dum strikoj kaj aliaj grandaj ekonomiaj kaj politikaj bataloj ni devas stari en la unua vico kaj tuj nodi leteran kontakton kun niaj eksterlandaj amikoj. Per interŝanĝo de ideoj ne devas ligi la germanajn grupojn de liberpensuloj kaj aliajn laboristajn organizojn kun la rusaj grupoj, por tiumaniere lerni kaj el la sukcesoj kaj el la eraroj de niaj rusaj kamaradoj" (16).
LEA ne nur en Mecklenburg sed ankaŭ en Berlin kaj Saksujo estis grava apogilo de ITA. En ĝiaj grupoj oni ne nur lernis Esperanton, sed ankaŭ diskutis pri naciaj kaj internaciaj politikaj-problemoj, kiel tre klare pruvas kelkaj grupaj informiloj (17).
Kiam la faŝismo tuj 1933 disbatis LEA-n, multaj el ĝiaj membroj eksterleĝe


VÖLKER SPIEGEL
Esperanto im Dienste der Berichterstattung
Herausgeber: Presse-Kommission Leipziger Arbeiter-Esperantisten
Weißgardistische Schutzkorps in Finnland

*„Popola Spegulo" n-ro 16, oktobro 1924, Leipzig*

daŭrigis sian politikan laboron kaj informis la eksterlandon pri la faŝismo (inter alie per kamuflitaj presaĵoj [18]) aŭ fondis rezistad-grupojn (19). Simile kiel IPE en internacia kadro la eksterleĝa LEA en Germanio savis la moralan vizaĝon de la Esperanto-movado. La „neŭtrala" UEA ekzemple organizis siajn kongresojn 1933 en Kolonjo kaj 1935 en Romo en faŝisma ĉirkaŭaĵo. Al la burĝa germana Esperanto-movado utilis nek la fondiĝo de la senkaŝe faŝisma „Nova Germana Esperanto-movado" (1931) nek la adaptiĝo (Gleichschaltung – samŝaltigo) de la „Germana Esperanto Asocio" (1933). Ambaŭ porfaŝisme orientigitaj asocioj 1936 estis malpermesitaj (20).
La organizitaj en la Kulturligo de GDR esperantistoj daŭrigas la tradiciojn de la revolucia Germana Laborista Esperanto-Asocio.

## 3. Esperanto en la servo de la informado pri Sovetunio

La venko de la Granda Socialisma Oktobra Revolucio kreis la kondiĉojn en la nove fondita Sovetunio plene meti la internacian lingvon en la servon de la soveta laborista klaso. Kiam la sovetpotenco 1925 proklamis la neceson de larĝa internacieca eduklaboro inter la laborulaj amasoj, la Sovetrespublikara Esperantista Unio (SEU) ricevis la socian komision kunagi ĉe la realigo de multaj internaciaj individuaj kaj kolektivaj korespondligoj, kaj ĉe la informado de la kapitalisma eksterlando pri la sukcesoj de la socialisma konstruado (21). Post mallonga tempo SEU estis la plej forta kaj plej bone organizita landa asocio iam ajn ĝis nun ekzistinta en la historio de la Esperanto-movado. SEU liveris elstaran politikan kaj fakan laboron. El la 10 000 membroj de SEU komence de la 30-aj jaroj (22) estis 45 % laboristoj, 9 % kamparanoj, 40 % intelektuloj, 6 % ceteraj (23). Ĝis 1934 en Sovetunio aperis pli de 200 titoloj en Esperanto, inter ili multaj politikaj traktatoj („Komunisma biblioteko", EKRELO) kaj fakaj verkoj pri Interlingvistiko kaj esperantologio (24). Tre efika estis la internacia laborista korespondado. Ekzemple la „Instituta por Soci-Edukado" en Kremenĉug de 1. 1.–11. 6. 1932 ricevis 9 645 leterojn el 456 lokoj en 27 landoj (inter ili 5 180 leterojn el 165 germanaj lokoj!) (25).
Multaj sovetaj materialoj aperis en eksterlandaj gazetoj. Ekzemple 1927 sovetaj Esperanto-materialoj estis publikigitaj en ĉ. 100 gazetoj en 16 landoj (26).
Tiu elstara kontribuo de sovetaj laboristaj esperantistoj al la internacia disvastigo de la vero pri la unua laborista kaj kamparana ŝtato de la mondo kaŭzis, ke la soveta Esperanto-movado gajnis grandan prestiĝon en la soveta socio.

## 4. La kontribuo de la laboristaj esperantistoj por la evoluo de la germana-soveta amikeco en la epoko de la Respubliko de Weimar

### 4.1. Germana-soveta amikeco, tradicio de la revolucia germana laborista movado

La amikeco kaj batalkuneco inter revoluciaj germanaj kaj sovetaj laboristoj havas malnovajn tradiciojn. Jam la amasbataloj de la germana laborista klaso 1905–1907 estis forte influitaj de la rusa februara revolucio. Lenin, kiu rigardis Germanion kiel modelon de progresinta kapitalisma ŝtato, jam antaŭ la oktobra revolucio havis abundajn kontaktojn kun gvidantoj de la maldekstra socialdemokratio kiel Franz Mehring, August Bebel, Clara Zetkin, Karl Liebknecht kaj Rosa Luxemburg. La maldekstraj socialdemokratoj jam tiam postulis decide „la fratan ligon de la germana laborista klaso kun la laborista klaso de Ruslando kaj Pollando" (27).
La Komunisma Partio de Germanio jam dum sia Fondiĝa Kongreso sin konfesis senrezerve por la juna Sovetpotenco (28) kaj mobilizis 1920 milionojn da germanaj laboristoj kontraŭ la eksterlanda intervencio, per la devizo „For la manojn de Sovetruslando". Kiam la ger-

mana socialdemokratio pli kaj pli malkaŝe perfidis la interesojn de la laborista klaso, oficialigis ideologion de antisovetismo kaj antikomunismo, kaj kiam la okcidentaj potencoj strebis fari Germanion puŝkojno kontraŭ Sovetunio, la formiĝado de la internacia kaj precipe de la germana laborista klaso por la gardo de Sovetunio fariĝis unuaranga neceso. Sed la germana laborista klaso sciis ankoraŭ relative malmulton pri la nova ŝtato, kiu estis kalumniita per la monopola kaj per la socialdemokrataj gazetaroj. Pro tio la laboristaj esperantistoj havis gravan taskon. Ili ne nur povis informi sin mem kaj siajn kolegojn, sed ankaŭ kapablis aranĝi rektajn personajn rilatojn kun sovetaj civitanoj.

### 4.2. Antaŭkondiĉoj por la germanaj sovetaj kontaktoj per Esperanto

La kondiĉoj, sub kiuj la rilatoj inter germanaj kaj sovetaj laboristaj esperantistoj povis evolui, estis favoraj.
El la 6 329 membroj de SAZ (1930) en 42 landoj estis 1 987 el Sovetunio kaj 1 835 el Germanio (29). Sovetaj kaj germanaj esperantistoj havis gravajn funkciojn en SAT. Ankaŭ en la 1928 ekestinta SAT-opozicio kaj en la fondita 1932 IPE kunlaboris sovetaj (inter alie Drezen, Demidjuk, Nekrassov) kaj germanaj komunistoj (Otto Bäßler, Vildebrand, Kissler, Schwenk). La fondita 1930 Eldonkooperativo por Revolucia Esperanto-Literaturo, EKRELO (30) estis soveta-germana komuna entrepreno. La libroj estis presitaj de SEU en Moskvo kaj distribuitaj internacie per Walter Kampfrad en Leipzig. EKRELO de 1930–1933 presis entute pli ol 70 titolojn. Temis pri dokumentoj pri la konstruado en Sovetunio, pri internaciaj politikaj problemoj kaj pri beletra kaj faka literaturo, ĉefe plume de sovetaj aŭtoroj. Oni planis 1933 komenci la eldono de 16-voluma verkaro de Lenin kun entute 6 000 paĝoj (31). Tiu plano ne estis realigita.
En la unuaj 14 numeroj de la gazeto de la SAT-opozicio, „Internaciisto" (pli poste organo de IPE), 1930/31 aperis 56 korespondeziroj el Germanio kaj 67 el Sovetunio (32). La plej grava kontribuo al la evoluo de la amikaj rilatoj estis tamen la fakto, ke LEA neniam prezentis kontraŭsovetan pozicion sed – kiel jam menciite – kontinue evoluigis siajn rilatojn al SEU. Sekve en rezolucio akceptita dum la 8-a asocia kongreso de LEA 1930 oni diras inter alie:
„. . . La laboristaj esperantistoj sentas solidare kun la laboristaj kamaradoj el Sovetunio . . . kaj ĵuras, ke ili defendos Sovetunion per ĉiuj fortaj kaj rimedoj." (33). Tiu kongreso laboris, laŭ raporto de „Meždunarodnij jazyk" („Internacia Lingvo", organo de SEU) „laŭ bolŝevisma linio." (34)




### 4.3. Kelkaj formoj de la rilatoj inter germanaj kaj sovetaj laboristaj Esperantistoj

La plej kutima formo de rektaj kontaktoj inter sovetaj kaj germanaj laboristaj esperantistoj estis persona korespondado, kiu ne malofte pluevoluis al kolektiva korespondado inter Esperanto-grupoj aŭ laborkolektivoj. El tiuj rilatoj pli ofte ekestis internacia socialisma konkurso, foje lige kun interŝanĝo de flagoj. Vojaĝoj de germanaj laboristaj esperantistoj al Sovetunio okazis pli ofte, restadoj de sovetaj esperantistoj en Germanio estis maloftaj.
Pri la menciitaj formoj de la kontaktoj ni raportos en la sekvontaj alineoj pli detale.

#### 4.3.1. Esperanto-korespondado inter germanaj kaj sovetaj laboristoj.

En „Laborista Esperantisto", oficiala organo de LEA kaj en „Internaciisto", organo de IPE, inter la koresponddeziroj de germanaj laboristoj ofte troviĝis la aldono „precipe kun Sovetunio". La anoncoj ofte estis konkretaj specialaj deziroj. La maŝinteknikisto Ernst Rebel el Neumark/Saksujo (35) ekzemple serĉis laboron en Sovetunio. Ankaŭ Walter Kampfradt el Leipzig (ne identa kun W. K. distribuinto de EKRELO) volis labori en Sovetunio „ĉar la vivo en Germanio estas infero" (37). En la SEU-gazeto la soveta esperantisto Baranov rekomendas al Kampfrad: „Vi ne devas forkuri el Germanio. Vi devas organizi la germanan proletaron kaj gvidi ĝin en la batalon kontraŭ la kapitalistoj. Tiam la germana infero fariĝos paradizo!" (38).

Krom la individua leterŝanĝo evoluis antaŭ ĉio efika kolektiva korespondado.
„Plifortigu la internacian ligon de fabriko al fabriko, de lando al lando! Skribu al ni senprokraste!" alvokis fabrikaj Esperanto-grupoj el Leningrado siajn germanojn kolegojn (39). Tiaj ligoj ekzistis grandnombre. La maŝinfabriko „Vorošilov" en Minsk havis tiajn kontaktojn kun laboristoj de la firmao Schneider (lampo-fabriko) en Leipzig, kun junkomunistoj en Wurzen kaj kun la Asocio de Proletaj Verkistoj en Hamburgo (40). Laboristoj de la germanaj aŭtomobilfabrikoj (41) kaj la laboristoj el la transformator-fabriko Berlin kun siaj kolegoj en Moskvo (42). Multaj germanaj junuloj entuziasme salutis la alvokon de LEA, korespondi kun sovetaj junkomunistoj (43).
Kolektivajn rilatojn same deziris laboristaj korespondantoj de multaj fabrikgazetoj en Hamburg (44), grupoj kaj filioj de „Proletaj Liberpensuloj" (45), 600 antifaŝistoj en Leipzig kun Ruĝarmeanoj, maristoj, artileriistoj, kavaleriistoj, infanteriistoj kaj pilotoj el Sovetunio (46).
La filio de „Proleta Esperanto Korespondado (PEK)" en Berlin serĉis specialajn ligojn kun Sovetunio „por kelkdek berlinaj fabrikoj, firmaoj kaj organizaĵoj" (47). Por konvinki nepartianojn, esperantistoj el Leipzig serĉis materialojn pri la realigo de la 5-jarplano (48). Pedagogoj kaj studantoj ĉe la Pedagogia Instituto por Profesia Edukado el Lugansk serĉis kontaktojn kun marksismaj pedagogoj el Berlin (49).
Precipe firmaj estis la ligoj inter la Ruĝfrontanaro Leipzig kaj Ruĝarmeanoj el Smolensk, perataj de Otto Bäßler (Leipzig) kaj Isaak Krolik (50) kaj de Sergej A. Izmailov (51). (Tiuj-ĉi laboristoj ankoraŭ nun havas interrilatojn).
La amplekson de la germanaj-sovetaj rilatoj en la kadro de la internacia korespondado de la sovetaj laboristaj esperantistoj oni povas vidi ankaŭ per kelkaj interesaj sovetaj statistikoj. La laborista esperantista korespondklubo en Kirgana (Ukrainio) en la tempo de 1. 8. 1926 ĝis 1. 1. 1928, do dum 17 monatoj, forsendis 753 leterojn eksterlanden kaj ricevis 558 respondojn. La klubo korespondis kun 23 landoj, inter alie ankaŭ kun 15 urboj en Germanio (Hamburg, Leipzig, Auerbach, Falkenstein, Untermentzig, Chemnitz, Riesa, Dresden, Stuttgart, Burkhardtsdorf, Litzenstein, Essen, Dachsdorf, Solingen, Kassel) (52). La Instituto por Socia Edukado en Kremenĉug en la tempo de 1. 1. ĝis 11. 6. 1932 ricevis entute 9 645 leterojn kaj agitmaterialojn el 27 landoj (456 lokoj). Inter tiuj lokoj estis 165 sole en Germanio, el kiuj venis 5 180 leteroj.
Se oni pripensas, ke post tio sekvis Francio kun nur 550 leteroj el 63 lokoj,

oni ekkonas la grandegan signifon de la germanaj laboristaj esperantistoj en tiu korespondado (53).

#### 4.3.2. Sovetaj kaj germanaj Esperanto korespondaĵoj en la nacilingva gazetaro

Por la laboristaj esperantistoj Esperanto ne estis memcelo sed ilo por la informado de proletaj amasoj. Per la publikigo de multaj ricevitaj el Sovetunio Esperanto-korespondaĵoj en germanaj gazetoj kaj de leteroj de germanaj laboristoj en sovetaj organoj la internaciaj rilatoj de la esperantistoj efikis trans la kadro de la propra movado.
Dank' al perado de Otto Bäßler, tiama estro de la 11-a taĉmento de la Ruĝfronto de Okcidenta Saksujo, la „Sächsische Arbeiter-Zeitung (SAZ)" (Saksa Laborista Gazeto) de 1924–1932 regule represis leterojn kaj artikolojn inter alie el Smolensk kaj Perm, kun la aldono „Proleta Esperanto-Servo". Temis ekzemple pri la Ruĝa Armeo (54) la elekto de Soveto (55), la detala raporto de Otto Bäßler pri liaj travivaĵoj 1926 en Sovetunio (56), pri la socialisma konstruado en Smolensk (57) la refuto de mensogoj pri sovetaj punejoj (58) kaj multaj aliaj kontribuoj.
Rudi Graetz peris raportojn por la gazeto „Volkswacht" (Popola Gardo) en Mecklenburgo pri altigo de la salajroj en la metalfabriko Krasny Sulin (59), refutis mensogojn pri la laŭdire malbonaj vivkondiĉoj de sovetaj instruistoj (disvastitaj inter alie por „Mecklenburger Volkszeitung" (gazeto de la Socialdemokrata Partio de Germanio) (60) kaj pri perforta labordevigo en Ruslando (disvastigitaj per la „Christlicher Gemeindebote", gazeto de la Preĝejo „Sankta Spirito" en Rostock (61).
La gazeto „Rote Fahne" („Ruĝa Flago") sub titolo „Brave esperantistoj!" estimis la rilatojn noditajn al Sovetunio per laboristaj esperantistoj (62) kaj la 25-an de febr. 1931 presis tutan paĝon de sovetaj materialoj perataj per Esperanto (63). La 3-an de majo 1931 oni legis sub la titolo „Tri-fojan saluton ‚Ruĝ'Front' al la laboristaj esperantistoj!". la jenan aprezon: „Kun plej granda aprobo ni komunikas, ke ĉiuj majaj salutoj el Sovetunio kaj el la aliaj landoj estis tradukitaj kaj perataj per „Laborista Esperanto Asocio por germanlingvaj regionoj", filio Berlin C 25, Dirksenstr. 42, ili ankaŭ ricevis la leterojn de la proletaj Esperanto-organizaĵoj de la koncernaj landoj. Tiu fakto, ke la kampanjo de la laboristaj korespondantoj por la 1-a de majo estis organizita tiel grandskale kaj zorgeme, montras la grandegan signifon de la Esperanto-movado por la internaciaj rilatoj de la revolucia laboristaro. Trifojan ‚Ruĝ'-front!' al niaj bravaj esperantistoj." (64)
Aliaj gazetoj (65), ekzemple „Arbeiterpolitik" (Laborista Politiko) Berlin, „Bergische Arbeiterstimme" (Laborista voĉo el Berga regiono) Solingen, „Bayrisches Echo" (Bavara Eĥo) Munkeno, „Neue Zeitung" (Nova Gazeto) Munkeno, „Ruhr-Echo" sekvis tiun ekzemplon aŭ presis kompletajn aperintajn en Esperanto broŝurojn germanlingve en daŭrigoj (65). La „Ligo de la amikoj de Sovetunio" en Hamburg kaj LEA 1931 komune eldonis kolektaĵon „Laboristaj kaj Kamparanaj leteroj el Sovetunio" (67).
Multaj leteroj kaj raportaj de germanaj laboristaj esperantistoj estis publikigitaj ankaŭ en sovetaj jurnaloj.
Ekzemple 1927 en „Rabotĉij putj" aperis leteroj de la laborista esperantisto Willi Willendorf (Hamburg) el la malliberejo. Willendorf estis partoprenninta 1923 la popolleviĝon de Hamburg kaj estis enkarcerigita kelkajn jarojn (68). Ekde 1930 „Komsomolskaja Pravda" publikigis leterojn el la tuta mondo, inter ili ankaŭ el Germanio (69).
PEK-raportoj el Germanio estis publikigitaj ankaŭ en „Bezbožnik", Moskvo (n-ro 23: Tri salutleteroj el Germanio), „Džerjinjec" (n-ro 99: Salutletero el Essen), „Majak Kommuni", Sevastopol (n-ro 71) kaj aliaj gazetoj (70).
Speciale grandan disvastigon per sovetaj amas-medioj trovis maja letero de Berlinaj laboristoj, subskribita de 73 Berlinaj proletaj organizaĵoj kaj fabrikaj komitatoj, kiu estis sendita al Sovetunio en 130 manskribaj Esperanto-ekzempleroj. Ĝi aperis inter alie en „Pravda Severa", „Komsomolec", „Majmakser Arbeiter", „Nižegorodskaja Komuna" (80 000 ekzempleroj), „Leninskaja Smena" (10 000 ekzempleroj), en la aktualaj novaj filmoj de multaj sovetaj filmteatroj, estis laŭtlegita en laboristaj kolektivoj de diversaj fabrikoj, montrita en murgazetoj kaj kulturejoj, en pli ol 100 ekspozicioj – tielmaniere ĉ. 11 milionoj da sovetaj laboristoj ricevis la majajn salutojn de siaj germanaj klasfratoj (71).
Multaj sovetaj gazetoj havis laboristajn esperantistojn kiel konstantajn korespondantojn, ekzemple la gazeto „Pravda Severa" (Arĥangelska) 15 nur el Germanio (72).
En eseo komparanta la reakcian kulturpolitikan evoluon en Germanio kun la ekfloro de la kulturo en Sovetunio la 1-a prezidanto de LEA, Willi Vildebrand, tute prave resumis: „La laboristaj esperantistoj ja pro siaj korespondaĵoj estas plej bone kaj senpere informitaj pri la stimulado de la proletaj kulturstreboj en Sovetunio kaj tielmaniere kuntravivas la konstruadon de socialisma sociordo."

#### 4.3.3. Interŝanĝo de flagoj

La individua kaj kolektiva korespondado de la laboristaj esperantistoj ofte evoluis al tre stabilaj amikaj rilatoj, ofte simboligitaj per interŝanĝo de flagoj. Ekzemple 1926 Otto Bäßler transdonis flagon de la Ruĝ'frontanaro Leipzig al la kursanoj de la infanteria lernejo „Masnikov" en Smolensk. La Smolenska flago ricevita kiel reciproka donaco estas portita ĝis 1933 ĉe la pinto de multaj demonstracioj en Leipzig kaj estis savita (de Gustav Mettin) trans la tempon de la faŝimo. Hodiaŭ ĝi troviĝas en la „Iskra"-memorejo en Leipzig (74).
1928 amikeca flago de la fervojista Esperanto-grupo el Sverdlovsk alvenis en la LEA-grupon de Lausa-Weixdorf, kiel reciproka donaco por la flago sendita al Sverdlovsk de la laboristaj esperantistoj el Weixdorf. Tiu flago, hodiaŭ konata kiel „Weixdorf-a tradicia flago de la germana-soveta laborista solidareco", spite al multaj traserĉoj de lia domo flanke de nazianoj esti savita de Alfred Stoll kaj troviĝas en la Instituto kaj Muzeo por Historio de la urbo Dresden" (75).
La laboristaj esperantistoj aliĝintaj al la „Laborista kultura kaj sporta Kartelo" en Ruhla 1926 kaj 1927 flegis korespondadon kun laboristoj de la fabriko „Kommunar" (hodiaŭ „Kirov") en Minsk kaj interŝanĝis amikecajn flagojn okaze de la 11-a datreveno de la Oktobra Revolucio. Ankaŭ tiu soveta flago povis esti savita antaŭ la ungegoj de la faŝistoj, spite al la traserĉoj de la domo kaj voko al la tribunalo „pro ŝtatperfido" kontraŭ la komunisto Karl Pascher el Ruhla. La flago 1945 de la urbodomo Ruhla salutis la sovetan armeon. La flago de la germanaj laboristoj estis detruita per faŝistoj kune kun la fabriko „Kommunar". La 7-an de novembro 1961 germanaj komunistoj el Ruhla, inter ili Karl Pascher, transdonis novan flagon al la laboristoj de la „Kirov"-fabriko en Minsk (76).
La flago 1928 transdonita de LEA kaj Ruĝfrontanaro Strehla al la Ruĝarmeanoj de Bobrisk estas hodiaŭ en la Bjelorusa Ŝtata Muzeo en Minsk. La reciproke transdonitan al Ruĝfrontanaro de Strehla sovetan flagon de la sovetaj Ruĝarmeanoj trovis la faŝistoj kaj detruis ĝin (77).
Ankaŭ la brodita en Esperanto flago de la Centra Laborista Unuiĝo Smolensk, kiu la 1-an de majo 1928 estis transdonita al delegacio de la Ruĝfrontanaro Dresden, povis esti savita kaj hodiaŭ same troviĝas en la „Instituto kaj muzeo por Historio de la urbo Dresden". Kopio de tiu flago servas kiel migranta flago de la urbdistrikta estraro de la Socialisma Unuiĝinta Partio de norda Dresdeno por la plej bona 100-persona taĉmento de la laboristaj batalgrupoj de tiu-ĉi urbdistrikto (78).
Menciita estu ankaŭ la flago de Greiz, kiun 1931 ricevis la laborista esperantisto Herbert Trummer de Isaak Klejmann el Sinferopol. La flago montras la

sekvan surskribon en Esperanto kaj rusa lingvo: Proletoj el ĉiuj landoj unuiĝu! Lernu Esperanton, la lingvon de internacia interfratiĝo. Sovetunio – Germanio. Al la germanaj kamaradoj en Greiz-Irschwitz. De la laboristoj el Simferopol." La flago transvivis la militon en originaleca kaŝejo, en birda dometo en la ĝardeno de Trummer, kaj estis transdonita 1950 al la Partia Lernejo en Greiz (79).
La historio de tiuj flagoj kaj ilia savado antaŭ la faŝistoj estas parto de la historio de la germana-soveta amikeco.

#### 4.3.4. Konkursoj

Ekde 1930, verŝajne stimulitaj per la soveta 5-jar-plano, el la multaj per Esperanto realigitaj kolektivaj rilatoj ofte evoluis konkursoj, plej ofte proponitaj flanke de la sovetaj laboristoj. La plej konataj kaj ankaŭ 1931 realigitaj konkursoj estis kontraktoj inter kolektivoj el Berlin kaj Moskvo kaj inter laboristoj el Rostock kaj Krasny Sulin.
Ekzemple 1931 la distrikta estraro Berlin de LEA kun ĝiaj 7 grupoj kaj 180 membroj konsentis konkurson kun la SEU-grupo Moskvo (80), kiu estis subtenata (ankaŭ finance) de la prezidio de la sindikatoj en Moskvo. La esperantistoj el Moskvo sindevigis, ligi laborkolektivojn el 50 fabrikoj en Moskvo kun kolektivoj de fabrikoj en Berlin, havigi germanajn PEK-materialojn por 5 gazetoj kaj radiostacioj en Moskvo, sendi informojn pri Sovetunio al la gazeto „Rote Fahne" kaj al fabrik-gazetoj en Berlin, subteni la teknikan kvalifikadon de sovetaj laboristoj per ricevitaj per Esperanto spertoj de eksterlandaj esperantistoj kaj inviti al Moskvo delegacion de LEA Berlin okaze de la 16-a datreveno de la Oktobra Revolucio, por kontroli la plenumon de la kontrakto kaj por interŝanĝi flagojn.
La LEA-grupoj en Berlin sindevigis krom la realigo de taskoj por la plibonigo de la Esperanto-laboro
- evoluigi la internacian laboristan korespondadon inter fabrikoj en Berlin kaj en Sovetunio;
- partopreni aktive en ĉiuj aranĝoj (demonstracioj, amaskunvenoj, festoj, ekspozicioj ktp.) de la revolucia proletaro de Berlin;
- kunlabori kun la gazetoj „Rote Fahne", „Berlin am Morgen", „Die Welt am Abend" kaj „Junge Garde";
- organizi delegacion por la vojaĝo 1931 al Moskvo.

1931 kvarpersona delegacio de LEA veturis al Sovetunio kaj interŝanĝis en Moskvo flagojn kun siaj sovetaj partneroj. Pri la travivaĵoj dum la 8-semajna vojaĝo ili raportis en la broŝuro (8 000 ekzempleroj) „Kion ni travivis en Soveta Ruslando (81).
En Mecklenburg la prezidanto de IFA kaj distriktestro de LEA, Rudi Graetz, organizis konkurson de diversaj proletaraj organizoj el Rostock, Güstrow kaj Bützow kun la metalfabriko en Krasny Sulin (82). La metallaboristoj inter alie sindevigis produkti pli da fand-gisaĵo kaj ŝamoto. Tiun unuan konkurson peris la SEU-organizo de Krasny Sulin, kaj ĝin parteprenis poste la grupoj de la „Internacia Ruĝa Helpo" kaj la „Unuiĝo de batalantaj ateistoj". Venkis en la konkurso en Mecklenburg la grupo de la komunisma junulаro en Güstrow (kiu inter alie povis duobligi la nombron de junpioniroj, krei novajn fabrikajn kaj bienajn ĉelojn de la komunisma junularo). En Krasny Sulin venkis la fabrikparto „ŝamoto" kun planplenumo de 214 %.
La prezidanto de la distrikta mecklenburga estraro de KP, Hans Warnke, 1932 transdonis al la laboristoj de Sulin la flagon por la venkinto kaj kiel reciproka donaco fine de majo 1932 sovetan flagon al la venkinta grupo Güstrow. Dum la transdono de la flago ĉeestis la konata poeto Erich Weinert (83), fama proleta poeto. Lia poemo, speciale verkita pri la flago bedaŭrinde perdiĝis. La soveta flago povis esti savita kaj hodiaŭ troviĝas en la Muzeo de Güstrow.
Tiuj kaj multaj ĉi-tie ne menciitaj konkursoj havis egan valoron por la germanaj laboristoj kaj kompreneble precipe por la organizintoj de LEA ĉefe pro la plua politika mobilizado por la pliprofundigo de la amikeco kun la juna Sovetunio.

#### 4.3.5. Germanaj laboristaj esperantistoj en Sovetunio

Nur malmultaj sovetaj esperantistoj vizitis Germanion, ĉar Sovetunio dum la epoko de la Respubliko de Weimer ne ankoraŭ disponis pri sufiĉe da valutoj kaj ĉar krome la germanaj oficejoj malfaciligis aŭ rifuzis la envojaĝon de sovetaj civitanoj. Venis inter alie Ernesto Drezen kaj Georgi Demidjuk, gvidantaj funkciuloj de SEU, kiuj partoprenis 1923 la 3-an SAT-kongreson en Kassel kaj 1929 la 9-an SAT-kongreson en Leipzig (84).
Tamen relative multaj germanaj laboristaj esperantistoj havis la eblecon viziti Sovetunion. El la 150 eksterlandaj esperantistoj, kiuj partoprenis la 6-an SAT-Kongreson 1926 en Leningrad, estis 86 sole el Germanio (85). El ili 25 (!) (86) restis pli longan tempon en Sovetunio kaj tie trovis laboran. Willi Zimmermann, ekzemple, migris ĝis Jerevan kaj post sia reveno multe prelegis en Germanio (87). Peter Klopffleisch, kiu laboris inter alie kiel libropresisto en „Dvorjec Truda" (Palaco de la laboro) en Leningrad, raportis en „Sächsische Arbeiter-Zeitung" sub la titolo „Germana libropresisto raportas el Sovetunio".
Erich Hartmann kaj Walter Naumann finis la raporton pri siaj travivaĵoj (22 monatoj kiel laboristoj en Sovetunio") per la vortoj: „Ni konatiĝis kun la vivo de la rusaj laboristoj, ni profitis la gigantajn akiraĵojn de la revolucio, kaj tielmaniere Sovetunio fariĝis por ni vera patrujo. Ni defendos Sovetunion kontraŭ ĉiuj imperiismaj atakoj" (89).
Ankaŭ Otto Bäßler, kiu vojaĝis en Sovetunio 1926, 1927 kaj 1930, publikigis siajn raportojn en daŭrigoj en „Sennaciulo", en „Sächsische Arbeiter-Zeitung" (Saksa laborista gazeto) (90) kaj en „Laborista Esperantisto" (91).
Tre efika propagandlaboro sukcesis al Adolf Schwarz (Ŝvarc), kiu apartenis al la delegacio de la LEA-estraro Berlin, kiu 1931 vojaĝis al Sovetunio por taksi la konkurson inter Berlin kaj Moskvo. Schwarz per biciklo vojaĝis kelkajn monatojn tra Germanio kaj prelegis ĉ. 100-foje pri siaj travivaĵoj en Sovetunio, antaŭ plene okupitaj salonoj de proletaraj organizoj precipe en urboj de Mecklenburg kaj meza Germanio, kiel ankaŭ en Berlin (92).

#### 4.3.6. Pri la ideologia – eduka efiko de la germanaj-sovetaj rilatoj al la evoluo de la politika konscienco de germanaj laboristoj

La laboristaj esperantistoj ne izoliĝis kiel sekto, sed plene envicigis siajn internaciajn rilatojn en la politikan agadon de la revolucia germana laborista movado. Pro tio la politika-ideologia efiko de la kontaktoj kun Sovetunio kompreneble vaste transpaŝis la rondojn de la esperantistoj, la rektaj intensaj personaj rilatoj, kiuj evoluis kun sovetaj civitanoj dank'al la facile lernebla internacia lingvo Esperanto, estis ideologie eksterordinare efikaj, ĉar la persona informo kompreneble impresas multe pli forte ol novaĵoj el la gazetaro.
Diversaj senpartiaj laboristaj esperantistoj per tiuj personaj kontaktoj korektis sian opinion pri Sovetunio aŭ fariĝis membroj de KP. La plej multaj laboristaj esperantistoj (kaj tio diferencigas ilin de la tiu-tempaj neŭtralaj burĝaj esperantistoj) uzis Esperanton ne kiel mem-celon aŭ kiel instrumenton por la solvo de ĉiuj sociaj problemoj, sed kiel utilan rimedon en la politika batalo de la laborista klaso, ne pli, sed ankaŭ ne malpli.

## 5. Notoj

1) Respubliko de Weimar (elp. Vajmar), tempo de 1919–1933, antaŭ la potenc-akiro de la faŝismo en Germanio.
2) La germana versio de tiu-ĉi studo aperis en „der esperantist", Berlin, n-ro 69–72 (1–4 1975). Amplekse kaj abunde dokumentita la temo estas pritraktita en: Detlev Blanke, „Der Anteil der Arbeiter-Esperantisten bei der Entwicklung der deutsch-sowjetischen Freund-

schaft in der Zeit der Weimaer Republik", 67 p., Erfurt, (Kulturbund der DDR), 1974.
3) Pri la diversaj projektoj kaj pri iliaj sukcesoj parte nur mallongtempaj informas inter alie
- Bausani, Alessandro: „Geheim- und Universalsprachen, Entwicklung und Typologie", Stuttgart 1970.
- Couturat, L. et Leau, L.: „Histoire de la langue universelle", Eldonejo Hachette, Paris, 1903
- Drezen, Ernest: Historio de la mondolingvo", eldonejo EKRELO, Leipzig, 1930
- Guerard, A. L.: „A short history of the international language movement", London 1922
- Monnerat-Dumaine, M.: Précis d'interlinguistique générale et speciale". Eldonejo Malaine, Paris 1960
- Pei, Mario: One language for the world", New York 1961.
4) Steche, Albert: „Die Bedeutung der Welthilfssprache Esperanto für das deutsche Volk in Krieg und Frieden", Leipzig, 1915, p. 21
5) vgl. Blanke, Detlev: „Internacio de Proletaj Esperantistoj (IPE), historia skizo, en GDR-numero „Paco" (1974), Berlin (Kulturligo)
6) „Internaciisto", organo de la internacio de proleta esperantistaro, Berlin (1932) n-ro 45, p. 81
7) Komp. la rezolucion de la IPE-kongreso en „Internaciisto" (1932) n-ro 45, p. 85
8) „Sur Posteno", Organo de IPE kaj SEU, Moskvo (1934) n-ro 28/29 (164–165) p. 113
9) sama fonto, p. 110
10) Kp. „Sächsische Arbeiter-Zeitung (SAZ) (Saksa Laborista gazeto), Organo de la Komunisma Partio de Germanio, Leipzig 1924–1932
11) Kp. Bäßler, Otto: „Fortschrittliche Traditionen" (Progresemaj tradicioj) en „der esperantist" (1966) n-ro 5/6, p. 33–34 – Akto „Völkerspiegel", Staatsarchiv Leipzig, akto Polizeipräsidium, n-ro 55
12) Komp. Protokolo de la 8-a Asocitago, 1930, Essen, en: „Arbeiter-Esperantist" (Laborista Esperantisto), Berlin, oficiala organo de la Laborista Esperanto Asocio por la germanlingvaj regionoj, (1930) n-ro 6
13) sama fonto
14) „Arbeiter-Esperantist" (Laborista Esperantisto"), (1932) n-ro 8
15) sama fonto
16) „Volkswacht" Schwerin, organo de la Komunista Partio de Germanio, 12. 2. 1931
17) Komp. ekz. „Nova Vento", Informilo de LEA, distrikto Berlin-Brandenburg-Pommern, 1931/1932, Berlin (multobligita, posedo de la aŭtoro)
18) Kp. Schödl, Ludwig: „Nivea" en „der esperantist" (1971) n-ro 50, p. 4–6
19) Pri la rezistado-grupo Schleusener-Grützmacher komp. Becker, Diethelm: „Der Arbeiter-Esperanto-Bund auf dem Weg zu einer revolutionären Organisation des deutschen Proletariats" p. 47–48, (ŝtatekzamena disertacio, universitato Rostock, historia instituto, 1908)
20) Kp. Linz, Ulrich: „Esperanto dum la Tria Regno" en „Germana Esperanto Revuo", organo de la Germana Esperanto Asocio, Nürnberg, Nr. 7/8, 10/1966, 1/1967
21) Drezen, Ernest: Analiza historio de Esperanto-movado", Leipzig (1931), p. 86. (Drezen estis ĝenerala sekretario de SEU).
22) Kp. Bulteno de Centra Komitato de Sovetrespublikara Esperantista Unio, Moskvo (1931) n-ro 1, p. 3
23) „Sur Posteno", Moskvo, organo de SEU (1935) n-ro 31/32 (167/168), p. 130
24) „Sur Posteno" (1936) n-ro 1/2
25) „Meždunarodny jazyk, Eżemesjacnij žurnal po voprosam meždunarodnogo jazyka ego prakticeskovo teorii, primenenija i rasprostranenija", Moskvo (1932) n-ro 11/12, p. 314
26) „Arbeiter-Esperantist" (1931) n-ro 2, p. 4
27) Grundriß der Geschichte der deutschen Arbeiter-Bewegung, (skizo de la historio de la germana laborista movado) (Berlin 1965), p. 81
28) sama fonto, p. 107
29) SAT, jarlibro 1929 kaj 1930, Paris (1930), p. 228
30) – Akto de la Polizeipräsidium Leipzig, n-ro 3637, pri EKRELO, Ŝtata arkivo Leipzig, 186–188
- „La revuo Orienta", n-ro 3, 4, 5 en ĝi „EKTELO" de Kei Kurisu (en japana lingvo, kaj EKRELO-titoloj en Esperanto), n-ro 3, p. 95–104, n-ro 4, p. 148–154, n-ro 5, p.
- Informoj, de Ulrich Lins, Kolonjo, FRG
31) „Arbeiter-Esperantist", Berlin (1932) n-ro 4 „Internaciisto" (1932) n-ro 37, p. 38
32) Komp. „Kongreso de revoluciaj esperantistoj" (protokolo), eld. „Internaciisto" Berlin (1931), p. 40–43
33) „Arbeiter-Esperantist" (Laborista Esperantisto) (1930), n-ro 6, p. 47
34) „Meždunarodnij jazyk" (1931) 1, p. 25
35) „Internaciisto" (1931) n-ro 13/14, p. 108
36) „Internaciisto" (1932) n-ro 31, p. 5
37) „Meždunarodnij jazyk" (1928), n-ro 3/4, p. 87
38) sama fonto
39) „Internationale Verbindung", propaganda eldono de „Arbeiter-Esperantist" (1930) n-ro 9
40) „Bulteno de Centra Komitato de Sovetrespublikara Esperantista Unio, Moskvo (1935) n-ro 3, p. 19
41) „Arbeiter-Esperantist" (1931) n-ro 1, komp. ankaŭ „Internaciisto" (1931) n-ro 12, p. 96
42) sama fonto
43) „Arbeiter-Esperantist" (1928) n-ro 9
44) „Bulteno" (vidu fonto 40) (1930) n-ro 5, p. 73 kaj (1931) n-ro 1, p. 6
45) sama fonto, 5/1930
46) „Bulteno . . ." (1930) n-ro 10/11, p. 161
47) „Internaciisto" (1930) n-ro 3, p. 24
48) „Internaciisto" (1930) n-ro 5/6, p. 127
49) „Internaciisto" (1932) n-ro 40, p. 56
50) Kp. Krolik: „Nia amiko Otto" en „Raboĉij putj", Smolensk, 20. 9. 1967
- Noto en „der esperantist" (1972) n-ro 53, p. 8, laŭ kiu Otto Bäßler estas „Honora civitano de la urbo Smolensk"
51) Komp. „Izvestija" de 16. 2. 1932, n-ro 39 (16 967), en tiu n-ro la artikolo „Na jazykje Esperanto", respesita en „der esperantist" (1972) n-ro 53, p. 16
52) „Meždunarodnij jazyk" (1928) n-ro 5/6, p. 145–146
53) „Meždunarodnij jazyk" (1932) n-ro 11/12, p. 314
54) „Sächsische Arbeiter-Zeitung (SAZ) (Saksa Laborista Gazeto) 20. 2. 1926, dua aldone
55) SAZ 23. 6. 1926, aldono
56) SAZ 14. 8., 16. 8., 2. 9., 6. 9., 11. 9., 13. 9. 1926 aldono („Sur la vaporŝipo al Leningrad")
57) SAZ 28. 11. 1927, aldono „La Ruĝfronto"
58) SAZ 3. 3. 1927, rubriko „Laboristaj leteroj"
59) „Volkswacht" (Popola Gardo) 29. 12. 1931
60) „Volkswacht" 13. 9. 1931
61) „Volkswacht" 15. 12. 1931
62) „Rote Fahne" Berlin, 20. 3. 1931 sub la titolo „Revolutionäre Mai-Botschaften aus allen Ländern" (Revoluciaj maj-mesaĝoj el ĉiuj landoj)
- pri tio ankaŭ en „Internaciisto" (1931) n-ro 13/14, p. 106
63) Komp. „Bulteno" (vidu fonto 40) (1931) n-ro 5, p. 1
64) „Rote Fahne" Berlin, 3. 5. 1931 (n-ro 102), kvara aldono
65) Komp. la liston en „Internaciisto" (1932) n-ro 35/36, p. 28
66) Ekzemple la EKRELO-broŝuroj „Bolŝevisma Komunumo O.G.P.U.", „Batalo por metalo", „Kial Johann-Liebhardt estis distingita per Lenin-ordeno" aperis en „Ruhr-Echo", komp. „Internaciisto" (1932) n-ro 45, p. 84
67) Komp. „Arbeiter-Esperantist" (1932) n-ro 1, p. 2
68) Laŭ letero de I. Krolik de 4. 5. 1973 al la Centra Laborrondo Esperanto en Kulturligo de GDR en „der esperantist" (1974) n-ro 63/64. La rilatoj renodiĝis nur en 1974, Kp. „der esperantist" n-ro 70 (2/1975) p. 23
69) „Arbeiter-Esperantist" (Laborista Esperantisto) (1931) n-ro 5, p. 2
70) „Internaciisto" (1931) n-ro 22/23, p. 191
71) „Internaciisto" (1931) n-ro 27/28 p. 225 „Internaciisto" (1931) n-ro 27/28, p. 225 „Arbeiter-Esperantist" (1931) n-ro 9
72) „Bulteno . . ." (1930) n-ro 10/11, p. 180
73) „Arbeiter-Esperantist" (Laborista Esperantisto) (1931) n-ro 1, p. 2,
74) Komp. Krolik, Isaak: „Nia amiko Otto" en „Raboĉij putj", Smolensk, 20. 9. 1967
- Bäßler, Otto: „Auf den Spuren des Roten Oktober" (Laŭ la spuroj de la Ruĝa Oktobro) en „der esperantist" (1967) n-ro 11/12, p. 7–8
- Britikova: „En la lingvo Esperanto" en Izvestija", 16. 2. 1972, citita laŭ „der esperantist" (1972) n-ro 53, p. 16
75) „La historio de flago . . . estas la historio de homoj. Junularaj korespondantoj Laŭ la spuroj de Lenin.
Atestantoj de fidelo al la instruo kaj verkaro de Lenin.
Weixdorf-a tradicia flago de germana-soveta Laborista solidareco. En „Sächsische Zeitung" (Saksa Gazeto), Dresden, 28. 5. 1970
76) komp. – Kirjuŝin, P.: „Karl Ferts iz Tjuringii" en „Izvestija" (1928) n-ro 11/12, p. 341–342
- „Bulteno . . ." aliloke, (1929) 2, p. 27
- „Eine Fahne macht Geschichte" en „Der Rote Schmied" (La Ruĝa Forĝisto), Ruhla (aprilo 1966) p. 7
- Dammköhler, Heinz: „Das Minsker Banner" (La silka flago de Minsk) en „Das Volk" Erfurt, 21. 7. 1967, p. 8
77) Laŭ letero al la aŭtoro de Max Schade, 30. 1. 1969
78) – Förster, Rudolf: „Die Fahne von Smolensk" en „Sächsische Zeitung" 15. 2. 1958
- Krolik, Isaak: „Die Geschichte der internationalen Freundschaft der Werktätigen Smolensks und Dresdens", en „Wissenschaftliche Zeitschrift der Pädagogischen Hochschule „K. F. Wander" (Scienca jurnalo de la Pedagogia Altlernejo K. F. Wander"), Dresden 1 (1967) n-rp 2
- Institut und Museum für Geschichte der Stadt Dresden (instituto kaj muzeo por historio de la urbo Dresden), Informationsdienst (informa servo) 2 (4) 1969, p. 33–34, prezentata sur tablo VIII kaj IX, L. Krolik sur tabulo XVI
79) Trummer, Herbert: „La vojo de nia soveta Esperanto-flago" en „der esperantist" (1969) n-ro 34/35, p. 18–19
80) Komp. „Arbeiter-Esperantist" (1931) n-ro 2, p. 5
„Arbeiter-Esperantist" (1931) n-ro 12, p. 1
„Internaciisto" (1931) n-ro 12
„Arbeiter-Esperantist" (1932) n-ro 3, p. 7–8
„Bulteno . . ." aliloke (1931) n-ro 2, p. 9–10
81) „Arbeiter-Esperantist" (1932) n-ro 3 „Internaciisto (1932) n-ro 35/36, p. 29
82) Graetz, Rudi: „Der Einfluß der Großen Sozialistischen Oktoberrevolution auf deutsche Arbeiter-Esperantisten" en „der esperantist" (1967) n-ro 16/17, p. 9–10
- Becker, Diethelm: Serie: „Aus der Geschichte der Arbeiterbewegung" en „Küstenblick", urbo-gazeto de Rostock, 23. 10. 1966, 4. 11. 1966
- Gärber, Ursula: „Die Fahne aus dem Roten Sulin". Serio en „Schweriner Volkszeitung" 4./5. 11. 1967
- Becker, Diethelm: „Der Arbeiter-Esperanto-Bund", aliloke, p. 38–42 (kp. noton 19)
83) „Sächsische Volkszeitung" (Saksa Popolgazeto" 25. 10. 1967, p. 6
84) „Sächsische Arbeiter-Zeitung (SAZ) 7. 8. 1929 1-a aldono, SAZ 8. 8. 1929, 1-a aldono
85) „Internaciisto" (1931) n-ro 12, p. 94
86) SAZ 11. 2. 1928, rubriko „Arbeiterkultur"
87) „der esperantist" (1972) n-ro 55/56, p. 20
88) „SAZ", 23. 11. 1926
89) „SAZ" 11. 7. 1928, rubriko „Arbeiterkultur"
90) Komp. „SAZ"-aldonoj 14. 8. 26, 2. 9. 26, 13. 9. 26
„SAZ" 2. 12. 1927, aldono „Arbeiterbriefe"
91) Bäßler, Otto: „Reiseeindrücke – als Esperantist in der Sowjetunion" en Arbeiter-Esperantist (1930) n-roj, 9, 10, 11.
92) Schwarz, Adolf: „Post dumonata vizito en Sovetunio. Germanaj kamaradoj raportas pri siaj travivajoj en Sovetunio" En: „Bulteno . . .", aliloke (1932) n-ro 5, p. 33–34

El la germana originalo
tradukis Linde Knöschke

# Pri IPE

En letero de 7. 1. 1975, sinjoro E. Borsboom el Bunnik, Nederlando, esprimis sian opinion pri mia artikolo „Internacio de proleta esperantistaro", kiu aperis en la GDR-numero de „Paco" 1974.

S-ro Borsboom en sia letero i. a. skribis:

„Ĝenerale mi povas diri, ke via pritrakto donas objektivan analizon super la laborista movado kaj ke ĝi multrilate estas vera kaj fidinda. Tamen mi notis kelkajn punktojn, kiuj ne estas ĝustaj. Vi donis al kelkaj faktoj alian akcenton aŭ simple ne menciis ilin, tiel ke la leganto ricevas kelkloke tute alian impreson pri la situacio ol ĝi estis en realo.

**Kelkajn ekzemplojn:**

ĉe 4 la opozicio kaj la fondo de IPE (paĝo 33)

a) Mi (= Borsboom) estus menciinta, ke la teksto de la broŝuro de Ejd. Nekr. unue aperis en Sennaciulo. Tiu gazeto tiam funkciis kiel vere libera tribuno. Poste aperis la artikolaro en memstara broŝuro.

b) Vi tre verŝajne scias, ke la komunistoj pli malpli puĉe akaparis en 1930 Germ. Lab E-o Asocion kaj ke tiu organizo sekve de tio splitiĝis. La moderaj membroj elpaŝis kaj fondis sian propan lab. asocion. Se vi parolas pri „pli klarvidaj esp-aj proletoj", vi vekas la impreson, kvazaŭ nur ili estus la bonaj esp-istoj kun la ĝusta vojo.

c) En 1931 estis 75 % de la SAT-membroj en la opozicio al SAT. Tio ne estas vera.
La tuta kolektivo de Sovetiaj E-istoj *devis* (fare de Ernest Drezen) forlasi SAT kaj aliĝi al la opozicio. Multaj Sovetianoj *kontraŭvole estis ŝovitaj* en la opozicion. Mi posedas leterojn de sovetianoj el tiu tempo, kiuj konfirmas tion.

d) Vi notas, ke EKRELO eldonis 60 titolojn, kvazaŭ tio estus granda merito. Vi ne notis, kiu per mono ebligis tiun eldonadon. Estis SAT. Drezen uzis SAT-monon por siaj propraj celoj.

e) Kial fariĝis IPE „unu el la plej potencaj organizoj"? Pro libro-eldonado? Post la konsumo de la SAT-kapitalo preskaŭ ne plu aperis io.
Pro la nombro de la IPE-kongresanoj? Ekz. ne pli granda ol en SAT-kongresoj!
Pro la laborkapablo de IPE-gvidantoj? Iliaj voĉoj estis preskaŭ tuj post la fondiĝo de IPE sufokitaj; 1933 Germanio, 1955 Sovetio.
Pri la nombroj de IPE-membroj estu tre singarda. „13 000 espistoj el 18 landoj kun 33 gazetoj" kaj „IPE havis ĉ. 17 500 membroj". Tiuj ciferoj havis siatempe nur propagandan signifon (kial ne!) sed absolute ne kovis la veron.

f) PRI PEK vi donis la pozitivan flankon kaj prisilentis la negativan! Kompreneble mi ne volas nei, ke IPE ludis gravan rolon, sed por tion pruvi oni ne bezonas misakcenti kelkajn faktojn.
Mi petas, ke vi publikigas mian komenton en „Paco". Ekde „Ĝenerale mi povas diri... ĝis misakcenti kelkajn faktojn".

Mi ĝojas, ke s-ro Borsboom reagis al mia artikolo kaj mi jen respondas:

Tute depende de sia ideologia starpunkto oni venas al tre diversaj pritaksoj rilate al historiaj faktoj. Tio verŝajne ankaŭ koncernas s-ron Borsboom kaj min. Pri la Laborista Esperanto-movado, pri kiu mi skribis, ekzistas jam sufiĉe da dokumentoj, kiuj estis konsulteblaj. Krome mi utiligis la eblecon amplekse Konsulti la iam gvidajn IPE-funkciulojn W. Vildebrand, O. Bäßler, L. Schödl, W. Kampfrad k. a. Ili ĉiuj, kiel ankaŭ R. Graetz, aktivis ankaŭ en la Germana Laborista Esperanto-Asocio kaj sekve estas tute kapablaj prijuĝi laŭ propraj spertoj la okazintaĵojn. Krome mi utiligis kelkajn eblecojn diskuti kun la iama elstara IPE-funkciulo, Bill Keable el London.

Krom pri via punko **a)** mi do, bedaŭrinde, ne povas konsenti kun viaj kritikoj.

**Pri b)**

La historiaj faktoj estas, ke estis ĝuste la socialdemokratoj, kiuj postulis, ke en ĉiu loko kun LEA-grupo tiu dividiĝu en socialdemokratia kaj komunista grupoj. Tiun de A. Sproeck faritan proponon la 8a asocia kongreso de GLEA 1930 en Essen malakceptis kun granda plimulto. Samjare Sproeck, Puff kaj Deubler fondis la „Socialistan Esperanto-Asocion (SEA)". (Kp. la protokolon pri la kongreso en Arbeiter-Esperantist 6/1930).

Do pri „puĉo", nuntempe en iuj esperantistaj rondoj volonte uzata termino, oni vere ne povas paroli. Kompreneble homoj, kiel Vildebrand, Bäßler, Muravkin k. a. estis „pli klarvidaj". Ili tre klare ekzemple vidis la faŝisman danĝeron kaj volis mobilizi ankaŭ LEA por kontraŭbatali tiun danĝeron. La historio bone pruvis per tre tragikaj rimedoj, ke la avertoj de la komunistoj ne estis senbazaj. Hitler konkeris la potencon. La dua mondmilito venis, aŭ eble ne?

Ankaŭ estas historia fakto, ke la socialdemokratoj ne havis saman pritakson pri la alproksimiĝinta faŝisma danĝero.

**Pri c)**

Restas la fakto, ke SAT post la skismo ŝrumpiĝis al sensignifa sekto. La filozofio de „sennaciismo", kiu, formale, ja ne estis deviga aŭ oficiala por SAT, tamen estis pli malpli la reganta ideologio de la monda organizo (kp. jam la nomon de la organizo!!)

La kontraŭdiro inter la Lanti-a „for la neŭtralismon" kaj la timo, ke SAT iel povus agadi (ĝi ja nur estu kleriga, kultura organizo) estis la lamiga faktoro. Krome, kiel oni en laboristaj rondoj povas agi kulture, klerige kaj sendogmige, se ne politike? La sovetunia SAT-anaro kompreneble ne povis daŭrigi sian kunagadon kun tia SAT. Tio ne signifas, ke ĉiuj sovetuniaj SAT-anoj devis samopinii kun Drezen, tial viaj leteroj.

**Pri d)**

EKRELO ŝajne eĉ eldonis 70–80 titolojn. Tute precize oni ankoraŭ ne scias tion. Sed certe oni ne povas argumenti, ke Drezen uzis SAT-monon „por siaj celoj". Se kunlaboro kun SAT ne plu eblis, ne eblas kotizi. Krome oni devas, se jam kalkulante, konsideri, kion donis la sovetunia esperantistaro al SAT.

Krom tio mi persone kelkfoje parolis kun Walter Kampfrad, la ĉefo de la internacia distribua aparato de la EKRELO-materialoj en Leipzig. Li vendis la materialon kaj sendis la monon al Soveta Unio. Por tio oni presis novajn titolojn.

**Pri e)**

Kompreneble ankaŭ vi scias, ke IPE fondiĝis nur en 1932 (21. 8. 1932) kaj ke en 1933 komencis en Germanio la tempo de la faŝismo. GLEA estis unu el la plej fortaj IPE-sekcioj, kiu tuj estis likvidita. Fakte mi devas tamen korekti min kaj skribi „IPE estis survoje por fariĝi unu la plej potencaj internaciaj Esperanto-organizaĵoj". Sed la politikaj cirkonstancoj tion ne ebligis. Rilate al la ciferoj mi konsentas, ke estas malfacile pruvi ĝian verecon. Sed tio, ŝajne, validas ankaŭ por aliaj Esperanto-organizaĵoj.

**Pri f)**

Pri PEK mi ne konas negativan flankon, sed nur scias, ke fakte per tiu rimedo la esperantistoj pli malpli sukcesis rompi la verdan cirklon kaj utili al neesperantistaj rondoj.

D. Blanke

L. Schödl

# Ŝiboleto[1]

Kia bela vetero! Eĉ ne nubeto je la ĉielo. Ĉiu, kiu ne devis resti, strebis ekster la urbon – en la Vienan Arbaron, al Lobaŭ, aŭ tute simple al la briklagetoj. Iam tie estis brikfarejo, poste la restintaj argilkavegoj pleniĝis per akvo. Tiel ili fariĝis la plej proksimaj plaĝoj por la gejunuloj de la laborista kvartalo Favoriten. Ja ne mankis en tiu jaro 1934 senlaboruloj, kiuj disponigis pri multe da tempo, sed ne pri mono por povi uzi la tramon. Ankaŭ mi soifis al freŝa bano, ankaŭ mi ne havis moneron en la poŝo, sed piede povis atingi la „briklagetojn".

Survoje mi ree cerbumis pri problemo, kiun mi ankoraŭ ne sukcesis solvi: trovi revoluciajn esperantistojn en Vieno, kun kiuj eblus kunlaboro en kadro de IPE. Ja ekzistis relative forta socialisma Esperanto-organizo, sed kun revoluciaj, marksismaj esperantistoj ni apenaŭ havis kontaktojn, nur en Bad Ischl, en Linz, en Steyr – kaj fino. Kaj Vieno, la ĉefurbo ...? Tamen necesis ankaŭ uzi Esperanton en la lukto kontraŭ la klerikal-faŝisma diktatoreco, kiel en Germanio kontraŭ Hitler-faŝismo, tiel en Aŭstrio kontraŭ Dollfuß-faŝismo. Ĉi lasta ne kapablis kontraŭi la influon de Hitler, kiu pretiĝis aneksi Aŭstrion.

Mi jam vizitis plurajn E-grupojn kaj esperantistojn, sed ĉie renkontis la tiam tipan sintenon: Vivi tiel, ke oni kiel eble plej sendanĝere transvivos ĉi tiun aĉan tempon. La registaro Dollfuß en februaro jus montris sian vizaĝaĉon, superŝutinte la laboristajn kvartalojn per kanonkugloj kaj mitralsalvoj, ĉar ĝia plua regado estis minacata per ĝenerala striko sub la gvido de la „Respublika Ŝirmligo". Ankoraŭ jubilis la reakcio, ĉar post ekscita ĉaso kaj alta kapopremio ĝi sukcesis kapti kaj pendigi fajrobrigadan kapitanon, tre ŝatatan de l'popolo pro lia kuraĝo. Nun regis la trankvileco de vasta tombejo. La kompartio 2) en Aŭstrio estis tre malforta. Tamen, la malforta kompartio ĝenis la „pacon". Ĝi preskaŭ ĉiutage organizis demonstraciojn, distribuadis flugfoliojn ktp.

De monteto bele etendiĝis malsupre la lagetoj, kaj kie troviĝis iom da verdaj herbejoj, kuŝis homoj kaj ĝuis la varman majan sunon. Mi ne estis sola. Akompanis min mia kuzino, vera indiĝena vienanino. Jen, sur lana kovrilo, iom izolite de la aliaj grupoj, ni vidis junulinon kaj kvar aŭ kvin junulojn. Du ŝakludis, la aliaj babilis pri ŝajne interesa temo. Inter ili kuŝis mandolino. Mi atentigis mian kuzinon pri la grupeto.

„Vidu, kiel vigle ili diskutas! Kaj kiel inteligentaj ili aspektas! Kantemaj ili ankaŭ estas. Ili aspektas tre simpatiaj, kvazaŭ gekamaradoj. Mi volonte konatiĝus kun ili."

„Sed kiel? Vi ja vidas, ke ili metis sin iom for de la aliaj homoj, do ŝatas esti inter si. Kaj se ili fakte estas kamaradoj, tiam ili certe ne konfesas tion al vi."

„Tamen, ni provu!"

Malrapide, kvazaŭ sencele, ni proksimiĝis. Ili ĉesis konversacii, kio nur ŝajnis pravigi mian suspekton. Subite ĉiujn interesis la ŝakludo de la du. Nu, ankaŭ min! Ni restis starante kaj de supre rigardis. Regis ĝena silento. Ne estis malfacile sentebla, ke du personoj nun estis tro ĉi tie.

Kiel komenci? Eksonis la triumfa ŝakmato.

„Ĉu iu bonvolus ŝakludi kun mi?" Kaj por pravigi mian impertinecon pro mia trudo: „Mi jam longe estas for de mia hejmo kaj ne havis eblecon por ŝakludi."

Ke mi ne estis vienano, sed venis el Germanio, tion ĉiu infano ĉi tie estus aŭdinta ĉe la unua de miaj vortoj. El la faŝisma Germanio! Kia ulo? Ŝvarmis ja en Aŭstrio faŝistoj el la „malnova regno". Ĉu unu el ili? Alikaze ne estis malfacile diveni laŭ mia eksteraĵo, ke ne troviĝis groŝo en mia poŝo. Nu, kiel ankaŭ estu, la plej granda – estis li Hugo – diris al sia frato: „Nu, Valter, ludu kun li!"

Mi estis feliĉa. Estis longa, interesa ludo. Sed kiel mi ankaŭ klopodis, devus esti fino, kaj mi pli streĉis miajn pensojn pri „kio sekvos post la ŝakludo?" ol por la ludo mem. La solvo venis tute neatendite. Jam antaŭ la ŝakmato Johano prenis la mandolinon, iomete sonigis la kordojn kvazaŭ antaŭludo de orkestro kaj komencis melodion. Tuj la tuta grupo kunkantis. Ili kantis mallaŭte, nur por si mem, solene – en itala lingvo. Ili ankoraŭ ne sciis, ke ili plene malkaŝis sian sekreton antaŭ mi. Jen la ŝiboleto! Nur pene mi povis subpremi rideton triumfan.

La kanto finiĝis. Atendu! Nun sekvos la surprizo!

„Mi konas ĉi tiun kanton. „La konsterniĝo estis kompleta.

„Donu al mi la mandolinon, mi kantas ĝin germane!" Dum mi kantis, sereniĝis iliaj mienoj. Memkompreneble, kiu sciis ĉi tiun revolucian italan kanton, apartenanta al la proleta kulturo, nekonata ĝenerale, nur povis esti kamarado. Do, mi reciprokis la ŝiboleton. Nun senĝene hajlis la demandoj de ambaŭ flankoj. Mi eksciis, ke ili apartenis al grupo komunisttendenca, kiu formiĝis en la gimnazio. Ili ĵus sukcese absolvis la abiturientan ekzamenon. Hugo en la klaso estis „la franco", ĉar li plej bone sciis la francan lingvon. (Cetere, jarojn poste mi spertis, ke ankaŭ la aliaj bonege regis la francan, kaj ne nur tiun.) De ili mi detale estis informita pri la batalmetodoj de junaj komunistoj. Ekzemple: Grupeto promenas en trafikdensa strato. Subite, je oportuna momento, kamerado ĵetas ŝnuron trans la portrama konduktilo kaj altentiras ruĝan flagon kun martelo kaj falĉileto. Kroĉileto aŭtomate enhokiĝas kaj ne plu tiel simple estas demetebla. Tuj kolektiĝas homamaso kaj policistoj. Ĉiuj konsciiĝas, ke vivas la komunisma movado spite al ĉiuj metodoj de subpremo. Necesas voki la fajrobrigadon, kiu tute ne sentas specialan bezonon, urĝi. Antaŭ ol grimpi supren, necesas krome interrompi la elektran kurenton.

Mi rakontis pri la faŝisma teroro en Germanio kaj pri la lukto de germanaj komunistoj ĝenerale kaj de la esperantistoj de la Germana Laborista Esperanto Asocio speciale. Ili atente aŭskultis, bone komprenis la valoron de Esperanto por povi utiligi la internacian proletan solidarecon kaj ricevi internacian subtenon. Mi proponis, ke ankaŭ ili fariĝu esperantistoj por povi agi simile. Antaŭ disiro, ni interkonsentis rendevuon por la sekva tago.

Mi ne estis tro certa, sukcesi. Jam ofte okazis, ke aŭskultantoj entuziasmiĝis pri Esperanto, sed kiam ili pasigis nokton, ili rekonsciiĝis pri tiom da taskoj kaj pri la streĉoj por studo de nova lingvo.

Malfeliĉe la sekvan tagon mi ricevis informon de miaj kamaradoj el Berlino, ke mi tuj revenu pro speciala tasko. Restis do nur lasta revido. Tamen, akurate mi venis al la renkontejo. Mi trovis la grupon en tute alia animstato. Inter ili estis junulo, kiu ne ĉeestis la pasintan tagon Sendube li gvidis la grupon. Mi tuj divenis, kio okazis. Ĝenite ni sidiĝis ĉirkaŭ tablon, kaj – memkompreneble – la nova kontraŭ mi. Estis ankaŭ li, kiu komencis la konversacion. Detale li demandis pri la situacio en Berlino, pri la sinteno de la unuopaj politikaj grupoj, pri la ŝancoj de nia lukto. Ĉiuj aliaj nur atente aŭskultis. Tiel pasis ĉirkaŭ duona horo. Tiam li denove etendis al mi la manon trans la tablon. Estis senteble, kiel de la koroj falis la ŝtonoj.

Pasis kvar – kvin semajnoj. Mi troviĝis ĉe miaj bonegaj geamikoj Renoj kaj Peĉoj Cuvillier en Viarmes, proksime de Paris. Estis la lastaj tagoj antaŭ la IPE-kongreso en Lille. Iun tagon alportis la poŝtisto leteron el Vieno. Kia ĝojo! Tri paĝoj en bona Esperanto. Ili do lernis, kaj kun kia sukceso!

La grupo bone uzis Esperanton. Mi revidis ilin en la jaro 1935 en Aŭstrio, du el ili vizitis min en Francio en 1937. En 1945/46 ni ree korespondis kaj evidentiĝis, ke ili restis fidelaj. Fine, ĉe UK en Budapeŝto mi revidis Hugo.

Ofte mi legas lian nomon en E-gazetoj kaj ĉiam mi memoras pri la briklagetoj.

1) Ŝiboleto = Vorto, per kies prononco oni distingis inter la anoj de du izraelaj triboj: Ei-tie rekoniga vorto.

2) kompartio = Komunista Partio

# Ĉefanĝelo en feltbabuŝoj serĉata

## Gaja historio de Berta Waterstradt

Se ni jam vivus en la komunismo, ĉi tiu historio ne estus skribita, ĉar tiuokaze mi povintus tuj kunpreni senpage la ŝuojn, kiuj konformis al miaj bezonoj, estante kaj elegantaj kaj komfortaj kaj krome sidante bonege. Sed ĉar ni devas ankoraŭ barakti kontraŭ la malnobla mamono, mi ektimis en la vendejo rimarkante, ke mi forgesis hejme mian monujon. Ja estas vere, ke oni rigardas min kuraĝa persono, sed mi simple ne kuraĝis peti la vendistinon rezervi la ŝuojn al mi por unu horo. Feliĉe mi rememoris, ke mia verkisto-kolego Heimer loĝas ĉirkaŭ la angulo kaj certe pruntedonos al mi la sumon por la aĉeto. Kaj li donis.
Ĝojante, li havigis al mi la ŝuojn, kiujn mi ne tuj surmetis, ĉar pluvo minacis. Mi promenis tra la Urbdoma Strato, kiam iu frapis mian ŝultron. Estis Bert, la edzo de mia verkisto-kolegino Christiane. Li havis liberan tagon, kiun li uzis por rigardi la novan vendejkvartalon, la vendejojn de ekstere, la restoraciojn de interne. Mi volonte akompanis lin. „Kiel fartas via edzino?" mi demandis post la unua vodko.
„Ŝi frenezigas min."
„Tio ja estas bona, finfine vi ja estas geedzoj preskaŭ dek jarojn."
„Sensencaĵo! Ŝi frenezigas min per siaj plendoj. Laŭdire ŝia laboro pri la romano ne prosperas pro tro multe da devoj, mi petas vin."
„Nu, ŝi ja devas prizorgi la mastrumon, du infanojn kaj . . ." pretendeman edzon, mi estis dironta, sed englutis la lastajn vortojn.
„Kaj kion . . .?"
„Kaj . . . hamsteron."
„La hamstro mortis, la granda filino iradas en la lernejon, la knabo en la infanĝardenon. Ĉio dependas nur de la organizo. Mi precize kalkulis, ke akompaninte la knabon en la infanĝardenon kaj trabutikinte returnvoje, ŝi havas ankoraŭ unu horon kaj kvindek minutojn por si respektive por sia skribado. Multipliku tion per tricent sesdek kvin jare, tio estas . . . ĉiukaze enorma amaso da laborhoroj. Ĉiuokaze Goethe duoble skribintus sian kompletan verkaron, se al li restintus tiom da tempo."
„La komparo lamas. Ne nur pro tio, ĉar en la tagoj de Goethe ankoraŭ ne estis la kvintaga laborsemajno, sed jes servistoj, sed ankaŭ pro tio, ĉar la Christiane de Goethe, kontraste al via, havis neniun alian taskon ol prizorgi sian edzon".
„Tion ankaŭ mi ne malpermesas al mia Christiane."
„Se vi iom malŝarĝus ŝin, ekzemple hodiaŭ dum via libera tago . . ."
Li interrompis min fortege. „Ja ne temas pri pormastruma tago. Ne enmiksu vin en niajn aferojn. Plendinde, ke mi renkontis vin, vi ne kapablas ion alian ol fuŝi ĉies humoron."
Li forkuris, ne forgesinte postlasi mezgrandan monbileton, kiun mi malrapide transformis en brandon. Refoje mi kondutis tute malĝuste. Sed kial Christiane, devis ŝteli al si la tempon por labori? La alkoholo donis flugilojn al mia fantazio. Mi eltrovis maŝinon, ĉe kiu oni nur bezonis premi butonon, kaj en la tuta loĝejo la laboro de polvosuĉado, vaksfrotado kaj polvoviŝado estas farita. Plia maŝino surtabligis la plej elektitajn manĝaĵojn kun la precize ĝusta temperaturo, antaŭe pretiginte kaj poste reordigante la tablon. En la restoracio, en kiu mi sidis, tia maŝino ankoraŭ ne ekzistis. La kelnero forportis la brandglasojn, strange rigardante min. Mi decidiĝis iri en kinejon por vidi la filmon „La viro, kiu venis post avinjo". La filmo estis gaja, sed utopia, ĉar la ĉefa figuro estis junulo, kiu kvazaŭ ludante plenumis la mastruman laboron.
Vespere mi apenaŭ eniris mian loĝejon, kiam la telefono sonoris kaj Christiane kriis: „Kun vi mi parolos eĉ ne unu vorton plu." Nelogike ŝi post tio direktis enorman vortabundon al mi: „Ĉu ĉiuj bonaj spiritoj vin forlasis? Kial vi proponis al Bert helpi min?"
„Sed . . ."
„Ne interrompu min. Mi estis tiel bone dividinta la tagon. La knabino partoprenis lernejan ekskurson kaj revenos nur je la malfrua posttagmezo. Iu onklino, alie ne tre komplezema, volis esceptokaze iri por preni la etulon el la infanĝardeno kaj transdoni lin al mi nur je la horo de enlitigo. Bert intencis travagi la urbon je sia libera tago, manĝi eksterhejme, draŝi daŭran skaton kun Klaŭs kaj Bill kaj poste rakonti pri Mongolio. La diapozitivojn li jam kunprenis. Vi ja scias, ke li estis ses semajnojn en Mongolio."
Sed jes ke mi sciis tion. Tri fojojn mi jam rigardis ĉi tiujn bildojn tute ne interesajn por mi kaj aŭskultis liajn entuziasmajn priskribojn de la vojaĝo.
„Tiuokaze li estus reveninta hejmen nur malfrue, kaj mi estus havinta la tutan tagon por mi kaj estus povinta aldoni ankoraŭ kelkajn vesperhorojn por labori. Sed ne, li devas renkonti vin, superflue vi devas instigi lin al helpo, kaj li, alsiblinte vin, devas en si agnoski, ke vi pravas. Mi timis ekhavi apopleksion, kiam li hejmenvenis por „helpi" min. Unue li alilokis la meblojn, jen ŝatokupo de li, mi havis la honoron viŝpurigi la angulojn. Poste li alipendigis la bildojn kaj devis gipsi la truojn, jen mi la duan fojon manipulis la viŝtukon. Sed ankaŭ sen la bruo farita de li mi ne povintus labori, ĉar por helpi min, li estis aĉetinta la tagmanĝon, kiun mi ne volis okazigi. Li kunportis viandrulajon kaj skorzoneron, al kio li volis, ke ni manĝu terpomajn bulojn laŭ maniero de panjo, do ne el bulfaruno. Ne unu strekon mi povis labori kaj pro ĉi tiu tago mi tiom antaŭĝojis. Kia feliĉo, ke Bert ĵus endormis antaŭ la televidilo, ĉar Adlershof prezentas kriminalfilmon aliokaze mi estus farinta al li skandaleton. Sed al vi mi malpermesas unufoje por ĉiam enmiksiĝi en mian edzecon."
„Sed Christiane, mi ja nur celis vian bonon, ĉar vi ja ne bone prosperas pri via romano."
„Kiu diris tion al vi?"
„Kiu? Nu, tion diris, nu, tion diris neniu al mi."
„Nu jen. Ĉiun tagon mi havas unu horon kaj kvindek minutojn da tempo por laboro. En tia tempo Goethe estus povinta duoble skribi sian kompletan verkaron, sed neniu ja ĝenis lin kaj fuŝis al li la konceptaĵon. Vi ĉiam pensas, ke vi scias, kie alies ŝuoj premas, kaj tion vi montras tretante sur iliajn piedkalojn. Ĉi tiun ŝuon vi povas surmeti al vi."
Krak! Ŝi jam surhokis la aŭskultilon. Kaj mi trovis min regalita per bona riproĉo. Kiaj estis ŝiaj lastaj vortoj? Mi devas surmeti la ŝuojn. Zorgeme mi elpakis miajn novajn ŝuojn, ame rigardis ilin antaŭ ol surmeti ilin. La trejnita leganto certe divenas, kio nun venas. Ĝemante kaj plendante mi finfine havis ilin sur la piedoj, kaj mi lamis tra la ĉambro en la torturiloj, kiujn aĉeti mi lasis trompe persvadi min. Post kiam mi frotis miajn dolorantajn piedfingrojn, mi metis la komfortajn kaj elegantajn ŝuojn en la ŝrankon, kiu estis plenplena da komfortaj kaj elegantaj ŝuoj havantaj nur unu malperfektaĵon: mi ne povas surhavi ilin. Mi decidis, estonte ne plu enmiksiĝi en fremdajn edzecojn kaj ne plu aĉeti ŝuojn, kiuj sidas bone nur en unu sola loko de la mondo: en la ŝuvendejo.
Solvebla estos la problemo unu per iom da sinrego, la problemo du verŝajne ne. La tria problemo okupanta min ne dependas de miaj decidoj. Kion fari, ke ankaŭ la kreiva laborforto de hejmmastrino kaj patrino estu respektata? Vira ĉefanĝelo en feltbabuŝoj serĉata!

El: Das Magazin Nr. 1/73
trad. Dr. Karl Schulze

# Scienca informo – plej perspektiva kanalo

Nun, kiam vastiĝas la apliko de Esperanto por neesperantistoj, necesas bone analizi kaj pritrakti la eventuale plej perspektivan kanalon en la evolu-fluo de la lingvo internacia (IL), por koncentri en ĝi nemultajn fortojn de entuziasmuloj.

La plej preparita grundo, la plej bezonata branĉo kaj la plej perspektiva sfero por la apliko de IL – estas la sfero de la scienco. Kaj en la scienco, aŭ pli larĝe – scienco kaj tekniko – logike la plej grava sektoro estas la informado pri la lastaj kaj modernaj eltrovoj, atingoj, eksperimentoj en diversaj scienc-teknikaj fakoj.

Sekve la logiko de la evoluo altrudas per si mem la konkludon, ke necesas enigi la IL en la sferon de scienc-teknika informado. Kiel tion fari?

Necesas en unu el la lokoj, aŭ se eblos, en kelkaj, krei organizon (respektive, organizojn) de scienc-teknika informado. Aŭ ĉe Internacia Scienca Revuo kaj sekve ĉe ISAE, aŭ sendepende en diversaj landoj aŭ eble en ĉiuj ĉi lokoj samtempe, kaj depende de organiza formo, aŭ koncentri ĉiujn branĉojn de scienco en unu loko, aŭ certamaniere distribui temojn, al unuopaj landoj.

La formo de laboro devas esti jena. Oni altiras eruditajn homojn laŭ ellaborita listo de sciencaj kaj teknikaj fakoj el la plej diversaj landoj kaj komisias al ili, komence senpage, sed poste kontraŭ honorario (laŭ evoluo de la afero), regule sendi el la sfero de proksima al ili specialeco resumojn de l'publikitaj artikoloj, indikante ĉiujn necesajn rekvizitojn, kiel estas akceptite ekzemple en konataj „Bibliografiaj Indeksoj". Laŭ evidenta perspektivo – esperantistoj povas tion fari multe pli operative ol ajna „Indekso".

La centro ĉion kunmetas laŭ ĉapitroj, prezentantaj la branĉojn de scienctekniko kaj eldonas tion en formo de apartaj folioj, kunkolekteblaj laŭ arbitra principo, eldonante ĉion kiel suplementojn al la ekzistanta pres-organo. Dezirinda titolo de la folio estas „Scienc-teknika informo". Komenca etapo estos pena kaj malrapida pro manko de homoj kaj financaj rimedoj. Sed tiaspeca literaturo en la nuna mondo ĝuas tian postulon, ke tio kaj alio aperos post iom da tempo kaj persista laboro de entuziasmuloj. Sed ili ja tute egale ion faros. Do ili faru la plej efektivan laboron.

Por la unua tempo oni povas trakti vastigitajn sektorojn, ekzemple sub biologia ŝildo eblas kunmeti kaj medicinon, kaj agrikulturon, kaj defendon de l'ĉirkaŭanta medio k. t. p.

La provnumeroj de tiuj folioj estas dissendataj al ĉiuj institucioj de scienc-teknika informo. Sed pluaj jam estos sendataj strikte nur kontraŭ la abonpago. Kaj la komenca stadio povas esti pro tio ege modesta.

Sendube por tio necesas ellabori certan normon por ĉiuj stadioj de la laboro. Sed tio jam estas detaloj de la afero.

La ĉefa konsidero konsistas en tio, ke por sciencisto-esperantisto prezentas neniun penon – priskribi en kelkaj linioj tiujn artikolojn, kiujn li nepre legas pro siaj profesiaj celoj.

Eble eĉ estus celkonforme krei Internacian Asocion de Scienc-Teknika Informo. (IASTI), kiu devus kunlabori kun ĉiuj esperantistaj kaj neesperantistaj inform-institucioj.

La komenco de tiu laboro tuj ekpostulos instalon de esperantistoj-tradukistoj en diversaj ĉeneroj de Scienc-Teknika inform-sistemo en larĝa senco.

Kaj en Lingvoscienca Instituto de Akademio de Scienco de USSR – jam estas kreita „Problema grupo por demandoj de help-lingvo por internaciaj kontaktoj". Sed ĉiuj teoriaj studoj de tiu kaj similaj alilandaj grupoj de diversaj lingvosciencaj korpoj tuj ekpostulos havon de iu grundo de praktika eluzo de la studoj. Kaj la plej proksima kampo por tio estas sendube la sfero de scien-teknika informo.

Disvolvo de esperantistaj penoj kaj streboj en la sfero de scienc-teknika informado promesas esti ege fruktodona.

N. Danovskij, Moskvo

# OCEANO DA INFORMOJ

*Esperanto en perspektivo. Faktoj kaj analizoj pri la internacia lingvo, verkita de I. Lapenna (ĉefredaktoro), U. Lins, T. Carlevaro, Centro de Esploro kaj Dokumentado pri la Monda Lingvo Problemo, London – Rotterdam 1974, 844 p. 65 paĝoj da ilustraĵoj; 40 paĝoj da indeksoj, prezo 84 guldenoj. Plaste bindita, lukse presita, formato 190 × 135 mm.*

El esperantista vidpunkto tri bazaj faktoroj kaj evoluoj decidos pri la estonta sorto de Esperanto: a) La objektiva bezono al raciigo de la internacia lingva komunikado, b) la internaciaj kondiĉoj c) la prepariteco de Esperanto kaj ĝia movado ludi la aspiritan rolon de plene enkondukota dua lingvo. Tio signifas:

1. La problemo de la internacia lingva komunikado, surbaze de la historia evoluo de la produktivaj fortoj, fariĝas pli kaj pli aktuala kaj en ne tro fora estonteco postulos solvon. Tiu solvo dependas de la konkretaj politikaj ekonomiaj kondiĉoj de la mondo, evoluantaj laŭ konataj kaj priskribitaj leĝoj.
2. En la alproksimiĝadanta estonteco, maturiĝonta por la solvo de la lingva problemo, oni prenos *tiun* solvon, kiu praktike estas plej bone elprovita kaj *teorie* tiel priskribita, ke kun alta certeco eblas dedukti, ke tiu-ĉi solvo (= lingvo) ankaŭ sub estontaj aliaj sociaj kondiĉoj penkontentige funkcios.

Kion tio signifas por Esperanto?

Tio signifas, ke Esperanto ne *aŭtomate* prezentiĝos kiel nurnura sola solvo de la lingva problemo, kiun oni kun absoluta certeco alprenos. Esperanto nur havos ŝancon (la plenumiĝon de a) + b) supozita), se ĝiaj praktikaj rezultoj kaj ties teoria klarigo (+ la klarigo de fenomenoj aperontaj dum la tutmonda uzo en aspirata skalo) estas plene kaj absolute sufiĉe priskribitaj kaj prilaboritaj.

La problemo do estas, ĉu la esperantistoj estos bone preparitaj uzi la historian ŝancon iam prezentiĝontan? En momento, ekzemple, la esperantistoj ne estus preparitaj por sukcesi en simila ekzameno. Mankas vastaj aplikoj en scienco kaj tekniko, la lingvistika priskribo de la strukturo kaj evoluo (esperantologio) nur estas komencita kaj ne komparebla ekz. kun tiu de aliaj grandaj eŭropaj lingvoj.

Por ke tio ŝanĝiĝu, precipe en nacia skalo devas esti preparataj tiuj kondiĉoj, por ke la internaciaj praktikaj aplikoj de Esperanto kaj la nacie ellaborotaj sciencaj ekspertizoj estos absolute favoraj por tiu lingvo. Ĉar, kompreneble, internacia akcepto de internacia lingvo ĉiam estos decido de unuopaj suverenaj ŝtatoj.

Ĉio-ĉi antaŭ ĉio postulas informitecon pri la vera stato de la afero, kiun plej kompetente (kvankam ne ĉiam plej objektive) kompreneble, unue povas prezenti la uzantoj de Esperanto mem, la esperantistoj.

Ke *UEA* pri tio grandparte konscias, montras la grava laboro de Centro de Esploro kaj Dokumentado pri la Monda Lingvo-Problemo (CED), la eldonado de

la prestiĝa kaj tre serioza sociolingvistika revuo „La Monda Lingvo-Problemo", la eldono de la sube pritraktota verko kaj la preparo de la plurvoluma Enciklopedio de Esperanto. La recenzata verko estas dividita en jenaj ĉefaj ĉapitroj: I. Esperanto kiel solvo de la lingva demando en mondaj kadroj, II. Literaturo, III. En servo de kulturaj interŝanĝoj, praktikaj celoj kaj internacia solidareco, IV. Historio kaj nuntempa organizo de la Esperanto-movado, V. Atakoj kaj apogoj, VI. Perspektivoj por la estonteco (entute 23 subĉapitroj).

Verkego tiel enciklopedia ja postulus pli profundan t. e. pli decan analizon al la grandaj investitaj intelektaj kaj fizikaj fortostreĉoj de la tri aŭtoroj ol nur la listigon de kelkaj impresoj kaj notoj nekompletaj. Certagrade anticipa resumo de la aperonta Enciklopedio de Esperanto (2a eld.) „Esperanto en Perspektivo" (EenP) estas nuntempe la plej kompleta kaj plej fidinda faktoresuma (kaj parte: teze-analiza) informverko pri la praktika apliko plejdiverskampa de Esperanto de la komencoj ĝis la nuntempo, informverko tiel ekstreme valora por la tiel neglektata sed decide grava scienca argumentado en neesperantistaj (precipe lingvistaj) rondoj. Ke tamen restas iuj deziroj kaj kritikoj, eĉ mankoj, kaj diskutindaĵoj nur estas normale ĉe tia entrepreno. La celo de EenP, vaste kaj superrigarde informi pri la multfaceta problemo de IL kaj pri la atingitaj rezultoj pere de Esperanto estas bone atingita. Tamen, por vere doni „maksimume kompletan bildon pri la vere impona laboro jam farita kaj plu farota sur la kampo de la Internacia Lingvo", (XXVI), kiel en EenP celite, necesus laŭ mi aldone resumaj sed science ekzaktaj ĉapitroj i. a. pri 1. diversaj eblecoj por solvi la lingvan problemon kaj iliaj ŝancoj (nacia[j], fremdlingva instruado, tradukmaŝinoj, aliaj planlingvaj projektoj); 2. Diskutado inter sciencistoj (neplanlingvistaj) pri „artefarita" lingvo, precipe Esperanto (multas seriozaj studoj); 3. La teorio pri internacia planlingvo (interlingvistiko); 4. Esperanto: fontoj, strukturo, evoluo kaj komunikadaj potencoj. 5. La filologio de Esperanto (esperantologio: problemoj, atingaĵoj, ĉefverkoj; la verkoj cititaj p. 54–58 ne sufiĉas); 6. La valoro de Esperanto por eksteresperantismaj celoj (ekz. ĝen. lingvistiko, propedeŭtiko al fremdlingva instuado k. t. p.). Sed eble tiaj ĉapitroj povus formi samampleksan kaj same necesan novan verkon, CED serioze tion esploru. Krome iom mankas pli ekzakta fontindikado tute tra la ĉapitroj, precipe ĉe la historiaj, kiuj ofte (precipe la persekutoj) uzas nacilingvajn fontojn (kiel ne aldoni la originallingvajn citaĵojn?). EenP prezentas amasegon da ordigitaj faktoj, ofte komentante aŭ interpretante ilin, kaj krome multajn tezojn pensigajn kaj indajn al diskuto. Ekz. mistike ŝajnas al mi la aserto de la ĉefaŭtoro, ke Zamenhof „enspiris en la lingvon spiriton de humaneco kaj internaciismo" (41).

Ankaŭ tre diskutindaj ŝajnas al mi tiaj formuloj kaj asertoj, ke le rapidega progresado de la scienco kaj aliaj evoluprocezoj naskis „novan senton de efektiva aparteno al la plej vasta socia unuo, kiu samtempe konkretiĝas kiel tia: ... la homaro" (41) Zamenhof, laŭ Ivo Lapenna, „enspiris en la lingvon spiriton de humaneco kaj internaciismo, kiun li eble ne tute trafe nomis „interna ideo" ... Ĝi (la humaneca internaciismo – D. B.) donis al la Internacia Lingvo koron kaj animon ..." (41/42). „... Tiamaniere la Internacia Lingvo estis, ek de sia naskiĝo, la plej pura esprimo de vivanta sento de aparteno al la homaro" (42). Tiuj formuloj estas oratoraĵoj, sed ne sobraj konstatoj, eble akcepteblaj por sentimentala esperantisto, sed neniel ofertebla al neesperantisto sciencisto.

Entute, ankaŭ en pli postaj ĉapitroj, mi ne povas liberiĝi de la impreso, ke la ĉefaŭtoro, prof. Lapenna, supertaksas la socian efikon de internacia lingvo. Prof. Lapenna citas Zamenhof („la diferenco de la lingvoj prezentas la esencon de la diferenco kaj reciproka malamikeco de la nacioj" (370) kaj poste Barbusse („La parolmodoj intime ligiĝas al pensomodoj. Ni ne plu povas apartigi, en la stato nun atingita de nia kulturo kaj spiritostato nuntempa, la esprimon de la ideo. Jen kial la vere profunda fratiĝo devenos de la komuna uzado de la samaj vortoj, la samaj spiritformoj, la samaj korinklinoj ne sufiĉas" 370), kaj poste prof. I. Lapenna konkludas: „Restante plene en la kadro de scienca analizo, en tiu senco – sole en tiu senco – oni povas paroli pri la spontana, aŭtomata aŭ memefika solidariga funkcio de la Internacia Lingvo." (370)

Nu – tiujn tezojn, oni retrovas certagrade ĉe Benjamin Whorf en lia „lingva relativismo", laŭ kiuj la diversaj lingvoj kondiĉigas diversajn mondperceptojn (aŭ „logikojn") (kaj sekve komuna lingvo komunan komprenon de la mondo), aŭ ĉe la adeptoj de „General Semantics", laŭ kiuj necesas plibonigi kaj plipreciziĝi la lingvan interkomprenon (ĉu nacian aŭ internacian) por forigi la kaŭzojn de sociaj konfliktoj. Certe, lingva interkomunikado tre helpas al la unuigo de homaj fortoj por solvi difinitajn taskojn internacie, kaj ĉi-rilate internacia lingvo estus grandioza instrumento por raciigi kaj plifaciligi la internacian kunlaboron kaj sekve servos al la evoluo de la homaro. Kompreneble IL ankaŭ subtenas la evoluon de homa solidareco, sed sola IL tion ne kapablos. Sed la ĉefaj sociaj diferencoj inter la homoj (ĉu naciskale aŭ internacie) estas kondiĉitaj ne per la lingvoj, sed per klasoj. Fakte la tezoj de prof. Lapenna estas nenio alia ol modernigo de la koncepto pri „interna ideo".

En ĉapitro 14 (Analiza skizo pri la historio de la Monda Organizo) oni ne povas akcepti la aserton, ke la „Deklaracio pri Esperantismo" de 1905 plene „restas valida ĝis hodiaŭ" (418). Hodiaŭ estas 1974! Ja la stranga oferto de Esperanto „kiel paciga lingvo de publikaj institucioj en tiuj landoj, kie diversaj nacioj batalas inter si pri la lingvo, kaj en kiu povus esti publikigitaj tiuj verkoj, kiuj havas egalan intereson por ĉiuj popoloj (419, parto el la 1a punkto de la Deklaracio) ŝajnas pristudinda. Eble el tio fontas kelkfoje la propono, laŭ mi nereala, per Esperanto solvi la internajn lingvo-problemojn de multnaciaj ŝtatoj kiel Hindio aŭ en Afriko.

Entute la 14a ĉapitro estas tre pensiga. Certe necesas memori pri la vortoj de Hodler, ke la sorto de Esperanto „estas intime ligita kun la triumfo de la movado por starigo de paca ordo internacia" (437). Tiu penso estas tiel simpla kaj klara kaj havas plejplejan aktualecon. Des pli mirige, ke en la tuta libro nenie eĉ alludo troviĝas pri la hodiaŭaj kondiĉoj.

Neniam antaŭe en la historio de la homaro la ŝancoj por sekurigi la pacon estas tiel grandaj kiel nuntempe pro la procezo al malstreĉiĝo. Tiu evoluo estas la decida kondiĉo por iuj pluaj principaj sukcesoj de Esperanto, Kompreneble tiu procezo, respondanta al la plej elementaj aspiroj de ĉiu esperantisto, meritas la plenan konscian subtenon de la movado. Sed pri tio ĉio ajn mankas en la verko. Ĉi-rilate oni ne povas ne diri, ke la „konkludoj" kaj speciale la lasta ĉapitro „Perspektivo por la estonto" tute ŝvebas en la senaera spaco kaj neniel indikas rilaton aŭ eĉ penseton al la *reala*, konkreta internacia situacio. Tiuj rilatigoj tamen ne mankas al la pasinteco.

Multe pli klare ankaŭ oni devus reliefigi la aktualan kaj daŭre kreskantan signifon de UN kaj UNESCO kaj la eblecojn de kunlaboro al tiuj organizoj *en la perspektivo*. Karakterizo de kelkaj trajtoj de la agado de UN kaj UNESCO haj la elmontro de kunlaborebloj de la esperantistoj bonvenintus.

Sed plue laŭ la ĉapitroj ...

La fakto-prezento pri la landaj organizaĵoj (ĉapitro 15) estas tre diferenca, laŭ graveco kaj detaleco. Ĉi-rilate la kunlaborigo de kompetentaj reprezentantoj de tiuj diversaj asocioj estintus konsilinda. Ekzemple pri GDR neniu estis konsultinta. Al la plej fortaj landaj asocioj, la bulgara (457) kaj la hungara (467) ek de membriĝoj en UEA, oni dediĉis ekzemple nur po 21 linioj, kio rilate al aliaj asocioj estas misproporcia.

La ĉapitro 21 pri la persekutoj deziriĝus malpli da konjektoj kaj striktan

[daŭrigo p. 33]

# Kelkaj informoj pri la atingoj de la esperantistoj en la Germana Demokratia Respubliko

**1. Enkonduke**
Pro la speciala internacipolitika situacio, en kiu troviĝis GDR, organizo de oficiala Esperanto-movado nur okazis relative malfrue. La fakto, ke GDR nur komence de la 70aj jaroj ekhavis plenajn diplomatiajn rilatojn kun la granda plimulto de la ŝtatoj de la mondo efikis malrapidige je la elformiĝo kaj eklaborado de efika Esperanto-movado. Tamen, la atingoj de la juna movado en GDR estas atentindaj. 1965 fondiĝis en Kulturligo de Germana Demokratia Respubliko grupoj kaj gvidantaroj de la esperantistoj de GDR.

**2. Kio estas Kulturligo de GDR?**
La 1946 fondita Kulturligo de GDR (KL) estas kultura organizaĵo de GDR aktivanta precipe en medioj de la scienca kaj kultura intelektularo de GDR. Ĝia celo estas per kultura, multflanka agado (literaturo, arto, muziko, fotografio, naturagado, filatelo kaj diversaj aliaj kampoj de la personaj interesiĝoj) helpi al la evoluo de spiritoriĉaj socialismaj personecoj kaj kontentigi la multflankajn kulturajn interesojn de la civitanoj.
KL apartenas al la mandatohavaj sociaj organizaĵoj kaj do estas reprezentata en la popola-parlamento kaj en la distriktaj kaj subdistriktaj parlamentoj, kio certigas certan amasan influon kaj socian prestiĝon.
Kulturligo agadas en 6 ĉefaj sekcioj, kiuj estas plene samrajtaj kaj samstatusaj, kvankam kun tre diferenca membronombro:
1. Arto kaj literaturo (+ muziko, filmado, teatro k. t. p.)
2. Naturamikoj (kun 20 subsekcioj, i. a. arkeologoj, turistoj, astronomoj, botanikistoj, numismatikistoj)
3. Fotoamatoroj
4. Filatelistoj
5. Scienco kaj intelektulaj kluboj
6. Esperantistoj

Ĉiuj tiuj 6 sekcioj estas reprezentitaj sur ĉiuj gvidebenoj de Kulturligo, havantaj oficcan kaj honorofican aparaton kaj la necesajn materiajn rimedojn.

**3. Esperantistoj en Kulturligo**
La „Esperantistaro en KL de GDR" estas la oficiala (kaj entute la sola) Esperanto-movado en GDR. Ĝi formas memstaran organizan kaj fakan unuon en KL „Gvidprincipoj".
Ĉiu esperantisto de GDR, volanta organizite aktivi per Esperanto estas membro de KL, pagas kotizon kaj ricevas membrodokumenton.
La plej alta honorofica gvidinstanco estas „Centra Laborrondo Esperanto en Kulturligo de GDR" (CLEK), konsistanta el prezidanto, vicprezidantoj, sekretario kaj membroj (nuntempe 34 membroj). CLEK estas komparebla kun „ĉefestraro", Centra Komitato, Landa Komitato k. t. p. en aliaj landoj. „Laboraktivo" (8 membroj) kompareblas kun prezidantaro aŭ prezidiumo. Sur distrikta ebeno funkcias Distrikta Laborrondo Esperanto en KL de GDR (DLEK) kaj sur subdistrikta ebeno Subdistrikta Laborrondo Esperanto en KL de GDR (SLEK), kiu gvidas la unuopajn grupojn. La gvida piramido estas CLEK→DLEK→SLEK→grupo→membro kaj returne (laŭ respondeco kaj elektoj). Samtempe ekzistas sur loka, subdistrikta, distrikta kaj respublika ebenoj paralelaj ligoj al la kompleksaj (la 6 sekciojn ampleksantajn) estraroj de tuta Kulturligo.
CLEK havas oficialan oficejon en Berlin kun 3 tuttage pagataj laborantoj kiuj ricevas salajrojn de KL. La uzon de la oficejo, telefono, akiro de la labormaterialoj k. t. p. pagas KL.
Sur distrikta kaj subdistrikta ebenoj ekzistas ankaŭ profesiaj oficejoj de KL, kiu ankaŭ subtenas kaj kunrealigas la agadon de la esperantistoj.
CLEK havas buĝeton, simile ankaŭ la aliaj subordigitaj unuoj.
Seminarioj, laborkunsidoj de CLEK, DLEK kaj SLEK k. t. p. estas senpagaj.
Nuntempe estas organizitaj 1 100 esperantistoj en 92 grupoj de KL de GDR. Pro troaĝiĝo de la membraro la membronombro falis (pro mortoj) kaj nun stagnas, sed la membraro interne ŝanĝiĝas laŭ aĝo (plijuniĝas).

**4. Celoj de la esperantistoj de GDR**
Laŭ la ekkono, ke la praktika, nobla kaj sociutila agado *per Esperanto* estas ankaŭ la plej efika agado *por Esperanto*, la esperantistoj de GDR starigis al si la ĉefajn celojn:

*La esperantistoj de GDR regule okazigas tutlandajn konferencojn, dum kiuj estas elektataj la gvidantaroj, ankaŭ Centra Laborrondo. Jen foto pri la 3-a konferenco en 1974, Berlin, ĉe la pupitro: Rudi Graetz, sekvas W. Vildebrand, J. Vitek (ĈSSR), d-ro H. Eichhorn, G. Dimov (Bulgario), D. Blanke, H. Heinel, prof. d-ro Armand (USSR), E. Farkas (Hungario), R. Krips, S. Swistak (Pollando)*



apliki Esperanton en la servo de popola amikeco, paco, humanismo kaj socialismo, utile al sia propra ŝtato. Kaj per tiu agado kaj specialaj varbaj aktivecoj ankaŭ
efike disvastigi Esperanton en GDR. Kaj sekve:
ĝenerale plialtigi la prestiĝon de Esperanto en GDR.

**5. Pri la gvidagado de la esperantistoj**

CLEK okazigas minimume trifoje dum jaro dutagajn konferencojn, pritraktas ampleksan tagordon, alprenas decidojn k. t. p.
La laboraktivo de CLEK pli ofte, dum jaro kunvenas.
Ĉiu 5a jaro estas elektataj grupestraroj, SLEK, DLEK, CLEK. Delegita konferenco, kiun senpage partoprenas 100–150 delegitoj el tuta GDR, elektas en sekreta baloto CLEK (lastfoje 1972, denove 1976). Kooptoj, ŝanĝoj, novelektoj tamen, se necese, pli frue eblas sur ĉiuj gvidebenoj.
Sur ĉiuj gvidebenoj okazas ĉiujare plej diversaj aranĝoj, seminarioj k. t. p., kiujn ĉiu ebeno memstare kaj memrespondece en interkonsento kun la pli superaj gvidantaroj okazigas. Kulturligo subtenas per konsiderindaj financaj rimedoj kaj disponigas senpage ejojn, varbadon k. t. p.
Ĉiujare okazas specialaj seminarioj por gvidaj aktivuloj, kiujn plene financas KL (sole 1975 ni okazigis 3 seminariojn kun entute 12 tagoj, kiujn partoprenis senpage ĉirkaŭ 100 esperantistoj, inter ili 50 junuloj ĝis 25 jaroj. Tio kostis al Kulturligo konsiderindan sumon.

**6. La prestiĝo de CLEK**

CLEK estas en GDR la sola instanco, kiu okupiĝas kompetente pri la politika, faka kaj organiza agadoj de la esperantistoj de GDR. Ĝi estas kiel sole kompetenta instanco respektata. Ĉiuj presaĵoj pri kaj en Esperanto, ekspertizoj pri Esperanto k. t. p., eĉ demandoj direktitaj al universitatoj, ĝenerale estas transdonitaj al CLEK.

**7. Varbado**

Pli kaj pli ofte la surloka kaj respubliknivela varbado montras sukcesojn. Per prelegoj, broŝuroj, flugfolioj, afiŝoj, gazetartikoloj la scio pri Esperanto en GDR konsiderinde plialtiĝas. Radiointervjuoj (ankaŭ distrikte same okazas).
La taggazeto „La Mateno" (100 000 ekz.) ekde 1965 regule aperigas Esperanto-anguleton. Jam aperis la 360a artikolo (!).
La plej grandaj semajnaj revuoj de GDR publikigis ampleksajn artikolojn, i. a.:
- „Freie Welt" (500 000 ekz.), 4 grandformataj, ilustritaj paĝoj, 50/1972
- popularscienca „Urania" (90 000 ekz.) dupaĝa 6/1973
- „Neue Berliner Ilustrierte" (1 000 000 ekz.), plej granda ilustrita semajnrevuo, 2 grandformataj paĝoj, 11/1973
- en la plej prestiĝa semajnrevuo pri internacia politiko „Horizont" (100 000 ekz.) tutpaĝa grandformata artikolo 26/1975, krome jam 1973 kaj 1974 pli modestaj artikoloj,
- krom tio ĉiujare aperas 100–150 pli gravaj artikoloj en la distrikta kaj subdistrikta gazetaro,
- aperis kelkaj sciencaj studoj (vidu punkton 14)

**8. Publikigoj**

**8.1. „der esperantist"**

CLEK ekde 1965 eldonadas „der esperantist", kiu havas ŝtatan licencon kaj troviĝas en ĉiuj pli grandaj biliotekoj de GDR
Ĝi aperas 6 foje jare, 24 paĝoj, A 5 formato. Ĝis fino de 1975 aperis 74 numeroj, t. e. entute pli ol 1 700 paĝoj.
Entute publikiĝis **pli ol 1 400** korespondeziroj el 30 landoj (po n-ro ĉ. 20 korespondeziroj)
„der esperantist" informas pri la en- kaj eksterlanda Esperanto-movado, pri teoriaj, organizaj kaj fakaj problemoj de la Esperanto-agado, publikigas literaturaĵojn, distraĵojn k. t. p. Ĝi aperas dulingve (ĉ. 70 % estas Esperanta teksto, germanlingvaj artikoloj ĝenerale havas esperantan resumon).

**8.2. Aliaj eldonaĵoj de CLEK**

a) Aperis ĝis nun ĉe CLEK aŭ sub ties gvido kaj faka kunlaboro:
- 10 numeroj de „Paco" (MEM), kune 10 × 40 paĝoj = 400 paĝoj, A 4, ilustrita, luksa papero
- lernolibro (ŝtata eldonejo)
- 2 vortaroj Esp./Germ., Germ./Esp. (ŝtata eldonejo)
- gramatiko de Esperanto
- 2 kantaroj
- broŝuro pri Laborista Esperanto-movado
- „Nuda inter lupoj", romano, 8 000 ekz., post 8 monatoj ĉe la eldonajo elĉerpita
  Tio signifas entute pli ol 92 600 ekzempleroj.

b) aperis krome en Esperanto
- 4 prospektoj, (2 × GDR, Erfurt, Rostock) sume 25 000 ekz.
- „La germana popolo kaj UN" (60 p.)
- „GDR – bildoj kaj faktoj" (240 p.)
- „Klereco por hodiaŭ kaj morgaŭ" (60 p.)
- „Junularo" (60 p.)
  Tio signifas entute 63 000 ekz.

c) Estis sinkronigitaj en Esperanto 3 koloraj filmoj pri GDR

d) En preparo:
- la romano de Bertolt Brecht „La trigoŝa romano"
- katalogo de Esperantaj publicaĵoj kai de aliplanlingvaj projektoj ekzistantaj en GDR-bibliotekoj (ĉ. 5 000 titoloj)
- ampleksa vortaro Germana/Esperanto (ĉ. 40 000 vortoj)
- nova lernolibro
- historio de internacia kaj germana laborista movado (ampleksa germanlingva verko)
- broŝuroj pri tradicioj de loka laborista Esperanto-movado
- varbbroŝuroj k. t. p.

**9. Esperanto-libroj akireblaj en GDR**

En la internaciaj librovendejoj kaj ĉe CLEK estas aĉeteblaj multaj titoloj.
Estas oficiale aboneblaj diversaj Esperanto-gazetoj (i. a. Bulgario, Jugoslavio, Hungario, Pollando).

**10. Pri internaciaj aktivecoj**

10.1. Membrecoj
CLEK havas membrojn i. a. en UEA (individuajn membrojn) kaj MEM.
CLEK (ties Junulara Sekcio) ekde 1971 estas kolektiva membro de TEJO
10.2. Internaciaj aranĝoj en GDR
Okazis i. a. diversaj internaciaj konferencoj, seminarioj, tendaroj k. a.:
- 1967 en Rostock, Karl-Marx-Stadt
- 1970, 1971, 1972 internaciaj tendaroj en Karl-Marx-Stadt
- 1972 internacia konferenco en Seifhennersdorf (ĉe Dresden)
- seminario esperantista en la kadro de la Monda Festivalo de la Junularo kaj Studentoj (1973) en Berlin k. t. p.

**11. Junularo**

Ekzistas speciale Junulara Komisiono (= Junulara Sekcio) ĉe CLEK kun memstara gvidantaro. Ĝi nuntempe havas ĉirkaŭ 200 membrojn kaj troviĝas en fazo de plena reorganizado kaj novvigliĝo.
Ekzistas pli kaj ofte speciale junularaj aranĝoj, seminarioj k. t. p.
Evoluas bonaj kontaktoj al la socialisma junulara organizajo de GDR (*L*ibera *G*ermana *J*unularo). En oficiala kontrakto inter LGJ kaj Kulturligo estas fiksitaj ankaŭ la esperantistoj.

**12. Faka agado**

CLEK havas jenajn specialajn komisionojn, kiuj okupiĝas pri specialaj fakaj problemoj:
1. Pedagogia-metodika komisiono
2. Komisiono por esplori la historion de la Esperanto-movado
3. Terminologia komisiono
4. Fakgrupo Interlingvistiko/Esperantologio
5. Fervojista komisiono.

Ekzistas klopodoj por aktivigi i. a. esperantistajn medicinistojn, teknikistojn, komputistojn k. a. fakulojn konantaj Esperanton.

**13. Scienca agado (Interlingvistiko)**

Speciale sukcese agadas la Fakgrupo Interlingvistiko/Esperantologio ĉe CLEK sub prezido de lingvosciencisto prof. Falkenhahn (Humboldt-Universitato, Berlin).

(daŭrigo de p. 30)

**Oçeano . . .**

limigon je pruveblaj faktoj kun detala fontindikado. Plej magre pritraktita, paradokse al la titolo, estas la perspektivoj. La ĉi-titola sesa parto (795–802) same kiel la aliaj konkludaj partoj ne traktas la necesajn sociajn tutmondajn kondiĉojn, taktikojn kaj vojojn por ĝeneraligi Esperanton sed nur abstrakte difinas kelkajn certe aprobindajn principojn de unueca poresperanta agado. Forgesante la vortojn de Hodler eĉ ne frazeto pri la plej grava antaŭkondiĉo por la sukceso de Esperanto troveblas: t. e. paco, internacia malstreĉiĝo kaj kunlaboro. Kie la verko finas, devus komenci grava nova parto.

Malgraŭ ĉiuj kritikaj notoj oni devas klini sian kapon antaŭ la giganta laboro farita de la tri aŭtoroj.

Estas tute neeble, ke tia verkego ne havas mankojn, ne allasus diversajn interpretojn aŭ lasus nerealigitaj iujn dezirojn kaj imagojn.

EenP estas gravega mejloŝtono survoje al la scienca pritrakto de la grandioza fenomeno, kio estas efektive la praktika organizita uzado de konscie kreita lingvo.

Sendube do la prinotita verko estas bonega bazo, tamen ne kelkloke senkritike uzebla, por verkado de esperantlingvaj aŭ prefere *nacilingvaj* studoj, por pretigo de analizoj, prelegoj k. t. p. Certe estas ĝusta la en „Esperanto" 12/74 esprimita propono daŭre kompletigi la informojn entenatajn en EP laŭ la fiksita ĉapitraro. Oni rekomendu EenP al ĉiu grava biblioteko.

Ĝi estu baldaŭ disvendita por ebligi duan prilaboritan eldonon.

D. Blanke

**Bonvolu publikigi, disvastigi inter viaj membroj!**

## 1-a Esperanto feriado en GDR

En la bone ekipita internacia kampadejo „Intercamping" rekte ĉe Berlin (GDR) en lagoriĉa kaj arbarplena regiono, okazos la 1-a Esperanto-feriado de la 5a ĝis la 18a de septembro 1976. La kampadejo troviĝas rekte ĉe lago (Krossin-lago). Ekzistas por luado boatoj, naĝiloj kaj aliaj sportiloj. En tiu-ĉi ideala kampadejo oni povas komforte ripezi, banadi, ekskursi, kunesti kun esperantistoj kaj konatiĝi kun la vidindaĵoj de la ĉefurbo de Germana Demokratia Respubliko, kiu estas atingebla de la kampadejo per buso, ŝipo, interkvartalaj trajnoj. Sur la kampadejo ekzistas vendejo, bona gastejo, duŝiloj, komunuzebla kuirejo, klubĉambroj k. t. p.

La esperantistoj de Berlin zorgos por riĉa kaj varia programo, organizos prelegojn, seminariojn, filmprezentadojn, ekskursojn, distrajn aranĝojn k. t. p. Estas antaŭvidita la organizado de kursoj por 3 gradoj.

Tamen oni notu, ke la organiza flanko de la partopreno plene kuŝas en la manoj de „Intercamping" mem, kiu disponigas al la esperantistoj favorajn teknikajn kondiĉojn.

La prezoj por tranokto estas:

1. Propra tendo, po persono 3 markoj por nokto.
2. Aldone por propra aŭtomobilo potage 1 marko.
3. 4-lita kabano (limigita nombro da lokoj) aŭ 3–4-lita moderne ekipita tendo, po persono 8 markoj por tagnokto.
4. Feria domo (3-lita ĉambro) por ĉambro 45 markoj por tagnokto.

Por GDR-anoj, studentoj kaj pensiuloj validas aliaj kategorioj de prezoj.

Ĝenerale oni devas mem zorgi por ĉiutaga nutrado, sed la esperantista preparkomitato esploros de eblecojn de kolektivaj manĝoj en proksima restoracio. Interesitaj esperantistoj sin anoncu ĉe *Centra Laborrondo Esperanto en Kulturligo de GDR, 108 Berlin, Charlottenstr. 60.* La *limdato estas 1a de julio 1976.* La partoprenantoj devas havigi al si la necesajn pasportojn, vizojn, la valutojn laŭ la internacie validaj kondiĉoj. Pagado de la kotizo por tranoktado nur surloke.

Informiloj pri la 1-a EFo kaj aliĝiloj riceveblas ĉe Centra Laborrondo. Centra Laborrondo tamen ne okupiĝos pri pasportaj problemoj kaj nur donas petitajn informojn. La nombro de la alveturontaj esperantistoj kun *propraj tendoj* estas nelimigita (ĝis la 1a de julio 1976).

---

La fakgrupo havas la celon
instigi neesperantistajn sciencajn instituciojn serioze kaj kontinue okupiĝi pri la problemo de internacia lingvo, speciale pri Esperanto, ties multaj sciencaj aspektoj, kaj popularigi bazajn sciencajn sciojn pri tio,
kolekti sciencajn materialojn pri interlingvistiko kaj esperantologio, arkivigi kaj disponigi ilin al interesitoj,
kompili bazajn sciencajn materialojn pri interlingvistiko kaj esperantologio kaj publikigi ilin en sciencaj revuoj,
funkcii kiel ekspertizanto,
organizi sciencajn kunsidojn (por la 20 diversprofesiaj fakgrupanoj),
organizi sciencajn kolokvojn por interesitaj laikaj sciencistoj.

Ĝis nun ekzistas interesaj rezultoj:

a) aperis en GDR tri ampleksaj sciencaj studoj pri Esperanto kaj la problemo de internacia lingvo en akademiaj lingvistikaj revuoj (prof. Spitzbardt, D. Blanke),
b) estis akceptitaj novaj difinoj por la 18-voluma enciklopedio de GDR (Meyers Neues Lexikon),
c) estis organizitaj tri tre sukcesaj kolokvoj kun lingvosciencistoj (1971, 1974 en Leipzig, 1973 en Jena),
d) estas akceptitaj por publikigo en plej prestiĝaj lingvistikaj akademiaj revuoj 4 pliaj studoj,
e) estas aranĝita prelego antaŭ doktoriĝontaj lingvistoj en Humboldt-Universitato de Berlin (majo 1975),
f) estas en preparo diversaj sciencaj studoj prezentotaj al diversaj sciencaj institucioj kaj por publikigo enkaj eksterlande.

# Atentu interesuloj!

Senpagajn provnumerojn de „Paco" eldonitajn en GDR, ankaŭ en iom pli granda kvanto, vi povas ricevi ĉe
Centra Laborrondo Esperanto en Kulturligo de GDR, Charlotten-Strasse 60, DDR – 108 Berlin

# EL LA „TRIGROŜA OPERO"

de B. Brecht

## Kanto, per kiu Polly aludas al siaj gepatroj sian edziniĝon al la rabisto Macheath

I.
Kiel virgulin', kia iam mi estis
samkiel vi, pri viro mi revis,
kiu eble al mi ankaŭ foje venos;
kion tiam fari mi scii devis.
Kaj se li riĉas
kaj eĉ agrablas
kaj estas semajne eĉ pura vir',
kaj scias, kio ĉe damo decas,
estas „Ne" nur mia dir'.
La kapon oni tute ne perdas
kaj ĉiam nur ĝenerale sin movas.
Lunbril' certe ludas sur nokta kord'.
boato certe foriĝas de l'bord',
sed io plu esti ne povas.
Ĉar tuj sindoni oni ne povas,
necesas ja esti senkore, fride.
Ja tiom multe povus okazi.
Nur „Ne" povas esti dirite.

II.
La unua estis viro el Kent,
neniu pli forte viriĝis.
La dua havis tri ŝipojn sub vent'.
La tria pro mi freneziĝis.
Kvankam ili riĉis
kaj eĉ agrablis
kaj estis semajne eĉ puraj viroj,
kaj sciis, kio ĉe damo decas,
estis „Ne" nur miaj diroj.
La kapon mi tute ne perdis
kaj ĉiam nur ĝenerale min movis.
Lunbril' certe ludis sur nokta kord;
boato certe foriĝis de l'bord',
sed io plu esti ne povis.
Ĉar tuj sindoni oni ne povis.
Necesis esti senkore, fride.
Ja tiom multe povus okazi.
Nur „Ne" povis esti dirite.

III.
Sed iun tagon, kaj la tag' estis blua,
iu venis, kiu ne petis min.
Li surnajligis la ĉapon en mia ĉambro,
kaj mi ne scipovis reteni lin.
Kvankam li ne riĉis
kaj eĉ ne agrablis
kaj estis dimanĉe eĉ nepura vir'
kaj ne sciis, kio ĉe damo decas,
ne plu estis „Ne" mia dir'.
La kapon mi nun tute perdis
kaj ne nur ĝenerale min movis.
Lunbril' ja ludis sur nokta kord'.
La boata fiksiĝis ĉe la bord'.
kaj esti alie ne povis.
Jen ne sindoni oni ne povas,
neeblas ja esti senkore, fride.
Ja tiom multe devis okazi.
Kaj „Ne" ne povis esti dirite.

## La balado pri la agrabla vivo

I.
La vivon de spritgigant' ne gloru,
kun libro, sen manĝaj' en la stomako,
dum ratoj rodas gaje je l' barako.
De mi kun tiuj ĉi fabeloj foru.
La simpla viv' ne trovas mian plaĉon.
Sed kiu emon sentas, vivu ĝin.
Neniu hom' de tie ĝis Berlin
mallonge nur eltenus tian kaĉon.
Ne helpas eĉ libero ĉe malsat'.
Agrablan vivon donas nur bonstat'.

II.
Aventuristoj ja, aŭdacanimaj,
avidaj estas spiti la danĝeron;
bontrovas ili ĉiam diri veron,
por ke filistroj sentu sin sentimaj.
Sed je l'vesper' vi vidas ilin fride
kaj mute enlitiĝi kun edzin',
timante klaĉon, kaj pro la ruin'
en l' estontec' gapante noktrigide.
Nu, certe ne laŭdindas tia fat':
Agrablan vivon donas nur bonstat'.

III.
Min mem mi eble povus ja kompreni,
se ŝatus mi pli granda vidi min.
Vidinte tiajn homojn en proksim',
mi tamen tuj decidis min deteni.
Al povra saĝ' ĉagreno nur najbaras,
kaj penon ja postulas la bravec'.
Do post malriĉ', solec', aŭdac, saĝec'
vi fine al grandeco finon faras.
Jen solvo de l'problemo pri beat':
Agrablan vivon donas nur bonstat'!

Trad. D-ro K. Schulze

## „Trigroŝa Romano" en Esperanto!

La mondfama „trigroŝa romano" de Bert Brecht aperos ankaŭ en Esperanto. Ĝin eldonos la eldonejo Edition Leipzig, kiu ankaŭ aperigis la furoran „Nuda inter lupoj" de Bruno Apitz. La tradukinto denove estas d-ro Karl Schulze, Berlin, GDR.

*Sceno el la „Trigroŝa Opero"* Foto: Zentralbild



Rudi Graetz

# Kelkaj pensoj pri la 60-a Universala Kongreso

Ekde la jaro 1919 mi komencis lerni kaj utiligi Esperanton. Nur 43 jarojn pli poste mi havis la eblecon partopreni unuan fojon Universalan Kongreson de Esperanto, nome en la jaro 1962 en Kopenhago. Eĉ kun la diligentaj preparlaboroj de la tiama LKK mi povis konatiĝi. Sidante tie en la vicoj de la diplomataj reprezentantoj mi povis ĝui la imponan malfermon de la kongreso, kiel gasto de la inaŭguro.

Ekde la jaro 1965 mi ofte havis la eblecon partopreni UK-ojn en diversaj eŭropaj landoj. Sed por mi kompreneble la 60-a UK en Kopenhago havis apartan signifon kaj intereson. Ne nur ĉar mi povis kompari ĝin kun la 47a en la jaro 1962, sed ankaŭ ĉar ĝi diferencis de la aliaj UK-oj.

Novaj estis la „malfermo" en du partoj, akcepto de rezolucio al la Eŭropa Konferenco por Sekureco kaj Kunlaboro en Helsinki, la MEM-aranĝo kun diskuto kaj rezolucio al Helsinki kaj speciale ankaŭ la agrabla laboratmosfero dum la komitatkunsidoj, la kongresaj laborkunsidoj kaj aliaj aranĝoj. Nova ankaŭ estis mesaĝo de UNESKO, kiun sendis ĝia ĝenerala direktoro, Amadou-Mahtar M'Bow al la 60-a UK.

En la „Solena Inaŭguro" antaŭtagmeze estis reprezentitaj diplomatoj el 20 ŝtatoj. Vere impona nombro kaj vere impona aranĝo. La „Malfermo" okazis posttagmeze. Feliĉa solvo, ĉar tiamaniere la reprezentantoj de la landaj organizoj havis la eblecon, saluti la kongreson kaj ankaŭ eblis transdoni salutojn de la ambasadoro de GDR en Kopenhago, kiu antaŭe akceptis la GDR-delegitojn.

La amasmedioj raportis pri la kongreso. Sed montris sin tamen ankoraŭ influo de kontraŭuloj de UEA, kiuj misinformis la gazetaron, radion kaj televidon. Tiuj, anstataŭ raporti pri la vera karaktero de la kongreso, kiu estis laborema, senkverela kaj vere neŭtraleca, kredis al ili. Sed nur parte tiuj kontraŭuloj sukcesis, kiel en Danio kaj en FRG, kie ili per la amasmedioj disvastigis i. a. la malverajon, ke la kongreso en Kopenhago ne estus neŭtraleca kaj ke en okcidento okazus baldaŭ „propra" mondkongreso.

La 1 100 kongresanoj ĝuis la pli ol 100 aranĝojn de la 60-a UK. Ĉar ne eblas nomi ilin ĉiuj, mi nur menciu la sukcesplenan Someran Universitaton, la aranĝon pri la virinoj kun la temo: „La socia pozicio de la virino", kie ankaŭ al viroj eblis diskuti, kaj la publikan MEM-kunvenon. La Bulgara Esperanto Teatro denove montris bonkvalitan spektaklon kaj la pola artistino Jadwiga Gibczyńska pruvis, ke ŝi estas unu el la plej bonaj aktorinoj en la ĝisnunaj Universalaj Kongresoj. Ankaŭ Roberto Bánky de la Hungara Ŝtata Pupteatro bone regis sian arton.

La publikan MEM-kunvenon partoprenis 126 esperantistoj, kiuj esprimis per vigla diskutado i.a. „sian sinceran apogon al la laboro de la Eŭropa Konferenco por Sekureco kaj Kunlaboro en Helsinki kaj profunde esperas, ke surbaze de la decidoj de la registaroj en Helsinki la homaro atingos pli rapide la noblan celon de daŭra paco, sekureco, kunlaborado kaj amikeco".

Ĉar la afero de la esperantistoj nur povas prosperi dum pacaj tempoj, ili „arde subtenas la solvon de la interŝtataj diskutproblemoj per pacaj rimedoj, por eviti la militajn konfliktojn en la intereso de la homa civilizo kaj progreso".

Ke la esperantistaro speciale agadas ankaŭ por forigo de la lingvaj baroj inter la popoloj per la helpo de la Internacia Lingvo, esprimas inter alie ankaŭ la propono de la Komitato de UEA al la Sekureca Konferenco en Helsinki en rezolucio per jenaj vortoj: „Proponas, ke la komitato de registaraj ekspertoj, kiuj kontrolos la realigadon de la konferencaj decidoj, pozitive konsideru la jam entreprenitajn paŝojn por apliki Esperanton en sociaj, politikaj kaj sciencaj medioj (parlamentoj, partioj, sindikatoj, universitatoj) kaj helpu al plejeble vasta antaŭenigo de tiuj klopodoj".

Post Kopenhago kaj Helsinki laŭ mi nun i.a. estas speciale grava studi la finakton de la konferenco de Helsinki kaj konkludi per ĝi por nia propra estonta laboro.

Menciindas ankoraŭ renkontiĝoj kun danaj virinoj kaj kongresaninoj kaj inter danaj pacamikoj kaj MEM-anoj en la kadro de la kongreso.

Se ĉio bone funkciis dum la 60-a Universala Jubilea Kongreso, necesas nepre laŭdi ĉi tie la Lokan Kongres-Komitaton sub gvido de Gustav Kühlmann, kiu solvis tiun malfacilan taskon kun siaj helpantoj en malpli ol unu jaro.

Necesas laŭ mia opinio nun ankoraŭ diri kelkajn vortojn pri la prezidinto de UEA prof. d-ro Ivo Lapenna. Lia karaktero ne lasis ripozi lin. Ĵus antaŭ la TEJO kaj Universala-Kongresoj en Danio, kiuj okazis en julio/aŭgusto 1975 aperis ellaboraĵo „Hamburgo en Retrospektivo" de la eksprezidanto kun verajoj, duonverajoj, subŝovaĵoj, fantaziaĵoj kaj sekve maltrafaj konkludoj. Por kiu celo?

Li ne forgesu ke, se li havus alian karakteron, li hodiaŭ povus esti influriĉa honorprezidanto de UEA. Provante lanĉi novan internacian Esperanto-organizon, tiel nomatan „neŭtralan", li nur finfine povas fiaski.

Feliĉe en UEA troviĝas sufiĉe da realisme pensantaj funkciuloj el la tuta mondo, kiuj garantios ĝian pozitivan neŭtralecon kaj per tio garantios ĝian ekziston kaj pluan evoluon. Kaj la laboro en tiu formo ankaŭ servos al la mondpaco.

# Rezolucio de MEM

## al la Eŭropa Konferenco por Sekureco kaj Kunlaborado HELSINKI

La esperantistoj ĉeestintaj la publikan kunvenon de Mondpaca Esperantista Movado, venintaj el pli ol 40 landoj de la mondo al la 60-a jubilea Universala Kongreso de Esperanto en Kopenhago, esprimas sian sinceran apogon al la laboro de la Konferenco kaj profunde esperas, ke surbaze de la decidoj de la registaroj en Helsinki la homaro atingos pli rapide sian noblan celon: daŭra paco, sekureco, kunlaborado kaj amikeco.

La esperantistaro speciale agadas ankaŭ por forigo de la lingvaj barieroj inter la popoloj per la helpo de la Internacia Lingvo.

Ni arde subtenas la solvon de la interŝtataj disputproblemoj per pacaj rimedoj, por eviti la militajn konfliktojn en la intereso de la homa civilizo kaj progreso.

En Kopenhago, 28-an de julio 1975

Por la kunvenintoj:
N. Aleksiev, prezidanto de
Mondpaca Esperantista Movado
(MEM)

# Proverboj

*La proverboj estas elektita el la „Proverbaro Esperanta" de Dro L. L. Zamenhof.*

1. Afabla vorto pli atingas ol forto.
2. Agrabla estas gasto, se ne longe li restas
3. Akvo kaj pano servas al sano.
4. Al ĉevalo donacita oni buŝon ne esploras.
5. Al ĉiu besto plaĉas sia nesto.
6. Al hundo bastono-al hom' leciono.
7. Aliaj domoj, aliaj homoj.
8. Al fiŝo ne instruu naĝarton.
9. Al la papero ne mankas tolero.
10. Altan arbon batas la fulmo.
11. Ankaŭ diablo tondron suferos.
12. Antaŭe intencu kaj poste komencu.

Jiři Kořinek

# Reguloj de Esperanta fonetiko

Korekta kaj unueca prononcado estas grava por ĉiu lingvo, despli por tutmonde uzata internacia lingvo, kia estas Esperanto. Tamen multaj lingvoj nur en la lasta tempo fiksas normojn de korekta prononcado, kiel ekz. por la ĉeĥa lingvo ĝin faris siatempe la koncerna sekcio de Ĉeĥa Akademio de Artoj kaj Sciencoj. La reguloj estas gravaj por ĉiu, kiu volas ĝuste paroli, sed precipe por la aktoroj, deklamantoj, radioparolistoj, oratoroj, prelegantoj k. s.

Kiel en gramatiko de nia lingvo sub la 16 reguloj kaŝiĝas multaj subtilaĵoj eksplikendaj kaj plejparte detale klarigitaj en la bonega duonoficiala Plena Gramatiko de Kalocsay-Waringhien, same ne plu sufiĉas, ke oni kontentiĝu en la fonetiko per sola regulo: prononci fonetike (laŭskribe) kaj akcenti la antaŭlastan silabon.

La pli ol 80-jara uzado de Esperanto fiksis ĝian plej bonan kaj belsonan prononcadon, kiu fariĝis ĉiam pli unueca. Ankaŭ ĝi estas normigita en la Plena Gramatiko. Ĉar la nacilingvaj lernolibroj preskaŭ ĝenerale neglektas tiun punkton, precipe gravan por la memlernantoj, fidante je bona klarigo fare de instruantoj (ofte mankanta), ni volas en ekstrema koncizo ripeti al ni ĉi tiujn regulojn.

1) La akcento troviĝas senescepte sur la antaŭlasta silabo: ami, amanta, respektive. Apostrofo anstataŭas la lastan silabon[1]: kor', feliĉ'. Unusilabaj vortoj ĝenerale estas senakcentaj. Ili ricevas akcenton, se la senca akcento falas sur ilin: Mi parolas ne al *vi*, sed al *ŝi*. Serĉu ĝin ne *sur* la tablo, sed *sub* la tablo. En poemoj ili povas laŭ ritmoskando ricevi duonakcenton.

2) Esperanto havas longajn kaj mallongajn vokalojn. Ĉiu akcentita vokalo en la antaŭlasta silabo *estas longa*, se ĝin sekvas unu konsonanto: bela (prononcu béla signifas ĉefakcenton, longecon), nova (nova), ruza (rúza), feliĉo( feliĉo), jaro (jàro); same se ĝin sekvas finvokalo: patrio (patrío), balau! (baláu!), krei (kréi); aŭ se ĝin sekvas du konsonantoj, el kiuj la dua estas likvido *r* aŭ l: patro (pátro), kadro (kádro), tablo (tàblo), kudri (kúdri), sablo (sáblo), neebla (neébla), sabro (sàbro). Antaŭ duopo rl estas prononco kurta: Karlo, perlo. Se la akcentitan vokalon sekvas du konsonantoj, el kiuj la dua ne estas *r* aŭ *l*, aŭ se sekvas pli ol du konsonantoj, la akcentita vokalo estas *ĉiam mallonga:* fenestro, pordo, forta, finno, pastro, majstro, planko. Mallongaj estas la akcentitaj vokaloj en pronomoj, numeraloj, prepozicioj, korelativoj, ekz: ili, oni, mia, viaj, ilia; unu, dua, tria sesa, preter, apud, super; kiu, tio, ia, ĉies, kiam, tiom, ie, nenio, ktp.

*Longaj* estas la interjekcioj ho (hô), ve (vé).

3) En kunmetitaj vortoj la ĉefakcento estas sur la antaŭlasta silabo, sed ankaŭ la flankelementoj konservas sian iom pli malfortan akcenton kaj vokallongecon, se ili havas tian: skribotablo (skribotáblo), antaŭĉambro (antaŭĉambro). La akcenton en skrib-, antaŭ- ni nomas flankakcento. Tamen ĝi ne povas senpere najbari kun la ĉefakcenta antaŭlasta silabo; se tio okazas, la flankakcento perdiĝas kaj restas nur la longeco de la flankelementa vokalo, se la longeco estis en la radiko: ferĉeno (ferĉéno), sed feroĉeno (féroĉeno); do: strátangúlo, stràtflànko, fenestrokovrílo, kólĉeno, mántúko, mànoprémo, antaŭtúko, kàpdolóro, kápvundo, aŭtoaérbrémso. (Ni rimarkas, ke *ŭ* kondutas kiel konsonanto).

*RIMARKO*: En poemoj povas laŭ ritmo de la verso ricevi flankakdenton ankaŭ aliaj silaboj krom la ĉefakcenta. Do en trokea verso ekz.: „díris al imperiestro . . .“ (-o-o-o-o); en amfibraka verso oni skandus ekz.: „li díris al impériestro“ (o-oo-oo-o). Majstra verso ankaŭ en kunmetaĵoj klopodas konservi la naturajn flankakcentojn.

4) Plena Gramatiko distingas ĉe la vokaloj ankaŭ la vastecon, ĉar ekz. pluraj nacioj havas kelkmaniere prononcatajn e (germanoj, hungaroj e, ö, ä), a, i. Sed tion ni, ĉeĥoj, povas neglekti, ĉar ni ĝenerale prononcas vokalojn laŭ la donita normo. Ankaŭ konsonantojn ni korekte prononcas. Ni nur bone memoru diferencon inter *s* kaj *z*! Do: universitato, diversaj, pensi, persono, Same likvidon *r* ni ĝuste prononcas sur la palato, (franca, gorĝa prononco ne estas korekta); *k* estas pura kiel la ĉeĥa kaj latina, kaj ne posthavas h, kiel ofte germanoj misprononcas; do neniam khaj, khelo, sed nur kaj, kelo!

5) *Hiato.* Kiam vokalo *i* najbaras al alia vokalo, ĝi ligiĝas kun ĝi per malforta apenaŭ aŭdebla konsonanto j, kiun mi signas per j. Do: mia mija, dio dijo, krei kreji, Ĉeĥoslovakio Ĉeĥoslovakijo, pereji, tijal, nenije, kiju, balaji, tijo ktp.

6) *Asimiligo.* La eblecoj de niaj parolorganoj limigas la absolutan fonetikecon de ĉiu ajn lingvo, do ankaŭ de Esperanto, kaj kaŭzas, ke en flua parolo kelkaj konsonantoj asimiliĝas al siaj najbaroj, ŝanĝiĝas je parenc-sonoj. Ni distingas jenajn du kategoriojn de konsonantoj: mutajn: p t k f s c h, al kiuj respondas la parencaj subaj voĉaj: b d g v z j g h konsonantoj. Se en la vorto najbaras muta konsonanto kun voĉa, asimiliĝas ĉiam la unua en la paro al la dua, t. e. oni ĝin prononcas kiel parencan konsonanton el tiu vico, el kiu devenas la dua konsonanto en la paro. Ekz.: subteno (prononciĝas supteno), absoluta (apsoluta), korbtenilo (korptenilo), blovpafilo (blofpafilo), ekzemplo (egzemplo), ekzerci (egzerci), nazkaverno (naskaverno) ktp. Ankaŭ se la vorto finiĝas per voĉa konsonanto en prononco aperas plej ofte la parenca muta. Ekz.: mov (móf), sub (sup) k. s. Sed la asimiligo okazas tute aŭtomate kaj oni ne bezonas ĝin lerni, kaj simple ĝin nur konstatas.

[1]) nur ĉe substantivoj

(El Panoramo 1/2 1974, Literatura almanako de „Starto“, organo de CEA)

Jiři Kořinek

# Esperanto - ĉu lingvo preciza?

Kvankam ni emfazas logikecon kaj precizecon de nia lingvo, de sia infanaĝo Esperanto portas en si kelkajn malregulaĵojn. Iuj infiltriĝis el la etnaj lingvoj kaj allasis ilin la aŭtoro mem. Iuj montriĝis kiel intence enkondukitaj por pliprecizigi certajn nociojn, do ebligi subtilajn nuancigojn. Tion ni povis konstati ĉe la pasivaj participoj, kie la pasiva preterita participo ebligas esprimi la emfazon pri la finiteco de ia ago aŭ okazado, do precipe post longedaŭraj diskutoj kaj disputoj inter t.n. atistoj kaj itistoj feliĉe definitive solvis kaj normigis laŭ la Zamenhofa uzo la Akademio de Esperanto.

Por internacia planlingvo estas dezirinda idealo maksimuma precizeco. Unusignifeco semantika ne estas malhelpata de metaforaj kromsencoj de vortoj. Elvokiveco de tiaj metaforaĵoj estas des pli granda ju pli ofte ili estas uzataj en nia literaturo, ju pli ofte ankaŭ la etnaj lingvoj uzas la samajn metaforojn, sed ĉe la freŝe, nove uzataj ankaŭ de ilia trafeco. Sinonimoj ĝenerale ne reduktas precizecon de la lingvo, male ili povas liveri pluajn nuancigojn kaj estas bonvenaj ĉe la larĝe uzataj nocioj de la kumuna lingvo, ekz.: malbela, malplaĉa, aĉa, *turpa*; malproksima, fora, lontana, dista; mallonga, *kurta*; rapidegi, *hasti* ktp. Sed ne kondamnante la prefikson mal- oni darfu ankaŭ uzi *malkonciza, malkurta*

ks., se oni volas estigi malkutiman, penshaltigan novecon aŭ krei freŝan rimon.

Ĝenaj estas sinonimoj ĉe fakaj terminoj, ekz. *boaco, rangifero, norda cervo; kleo, klefo; kobajo, kavio* ktp. Tiaj balastoj por la vortaroj estiĝis parte pro nedisciplineco de aŭtoroj aŭ nehavigeblo de la koncernaj terminaroj, fakvortaroj.

Sed precizecon de lingvo atencas homonimoj, kiuj iam eĉ per kunteksto kaŭzas dusencaĵojn, miskomprenojn. Tiujn la planlingvo devas elsarki kaj oni prave enkondukis apud rodo – *rongon*, devizo – *devison*, maĉo – *matĉon*, kirko – *cirkuon* ks. Ĉi tien ne apartenas la homonimoj ŝajnaj, ekestantaj per afiksoj, *kataro, boleto, sentema* ks. Similaj ekzistas senĝene ankaŭ en la etnaj lingvoj, ili en kunteksto preskaŭ ne kaŭzas miskomprenojn, male, allasas plurajn vortludojn.

Sed mi volas ĉi tie observi nun el pluraj du vortojn, al kiuj la lingvouzo, ja eĉ uzo de Zamenhof mem, donis du tute maisamajn sencojn, ja eĉ tute malajn. Temas pri la verbo d e v i, nome pri ĝia negativa formo. *Ne devas* signifas – *ne havas devon* analogie kiel *ne rajtas* ne havas rajton, *ne povas* – ne havas povon, *ne scias* – ne havas scion ktp. Do se mi diras: mi ne devas tion fari – signifas logike: mi ne havas devon tion fari, sed mi rajtas tion fari se mi emas, volas tion fari, neniu malpermesas tion al mi. Sed samtempe ĝi povas signifi, ke mi tion *devas* ne fari, ke mi do havas malpermesitecon tion fari, ke mi *havas devon* ne fari tion por la malpermeso. Kia kontraŭsenceco kontrabandita en nian planlingvon el iuj etnaj lingvoj: oni ne devas kaj oni samtempe devas! Tiu ĉi kontraŭsencaĵo estas sankciita per ekzemploj en la Plena Vortaro: Pri *gustoj oni disputi ne devas*[Z], *oni* devas ne disputi; *oni ne devas havi tro da konfido al si mem*[Z]; *mi ne devas malateni tion*[Z] mi devas ne malatenti tion. Kaj sekvas pluraj tiaj ekzemploj. Similajn uzojn oni ne malofte poste trovas ankaŭ en nia literaturo. Se oni jam ne volas uzi alian verbon, dum jardekoj sufiĉe vaste uzatan kaj listitan en multaj vortaroj, spite ke ĝin strangakaŭze ignoras PV kaj PIV, nome la trafan verbon *darfi*, oni povas uzi la verbon devi kaj la negativecon esprimi ĉe la sekvanta verbo aŭ vorto: *oni devas ne havi tro da konfido al si mem, aŭ oni devas havi ne tro da konfido al si mem.* Kelkfoje taŭgas la verbo *rajti* por eviti tian kontraŭlogikaĵon, sed pli bone la malpermesitecon, evitendecon esprimas eksplicite la plej trafa verbo darfi. Tiam signifus: *mi ne devas tion fari hodiaŭ – mi ne havas devon tion fari hodiaŭ sed mi libervole povas, mi ne rajtas tion fari hodiaŭ* – mi ne havas rajton tion fari hodiaŭ, *mi ne darfas tion fari hodiaŭ* – mi devas tion ne fari aŭ pro mia morala sindevigo, aŭ ies malpermeso, kvankam mi eble naturan rajton havus. Estus dezirinde, ke ni celu al tia unusenca precizigo ĉe la formo „ne devi", kaj la mallogika uzo fariĝu arkaisma.

La dua el la ĉie tie tuŝataj vortoj estas la prepozicio *trans.* Ĝi signifas laŭ la PV: Prep. montranta lokon kuŝantan pli malproksime ol al objekto, kiu estas komplemento de tiu prepozicio: 1 sen lokŝanĝo: *la popoloj loĝantaj trans la maro. Antaŭ la malleviĝo de la suno oni devas esti trans la maro; aŭskulti trans la muro. Kie!* Sed samtempe: *pensoj iras trans la limo sen pago kaj timo*[Z] kien! *Hanibalo iris trans la Alpoj (kien!;) ĵetu pilkon trans la muro*[B] kien! *La hirundo flugis trans la riveron*[Z] kien! *Veturi trans la maron*[Z] kien! Konfuzo, ĉu? Kion do signifu: *Oni vidis homojn promenadi trans la limo . . .* Ĉu ili promenadis transe de la limo aŭ trans la limon transpaŝante ĝin? Estus same grave rezervi por *trans kun nominativo* lokmontron sen lokŝanĝo – kie, kaj por *trans akuzativo* lokŝanĝon, transpason de io. En dubaj kazoj pri la lokŝanĝo estus korekte: la ŝnuro pendis tra la korto, la knabino saltadis trans la svingŝnuron. Ĉe konsekvenca uzado estus tiam korektaj: *Pensoj iras trans la limon sen pago kaj timo. Hanibalo iris trans la Alpojn*, ks. Tia uzo estas ankaŭ plej konforma al la nuna kutimo. La pli fruaj mallogikaj uzoj estu listeblaj aŭ kiel arkaismoj aŭ kiel simplaj eraroj.

Moderna tempo, epoko de scienca-teknika revolucio, de cibernetiko kaj kosmonaŭtiko postulas ankaŭ de planlingvo optimuman precizecon kaj konstantan precizegadon.

Henrik Seppik, Estonio

# Pri neologismoj

Zamenhof intence kreis nur fundamenton de la lingvo, sur kiu poste, dum la praktika uzado (sekve en natura maniero) estis starigota la definitiva konstruaĵo kun ĉiuj ĝiaj detaloj. Tion ni ĝis nun faris kaj la proceso daŭras. Ĉiuj lingvoj evoluas kaj perfektiĝas, pliriĉiĝas, precipe la novaj lingvoj. Ankaŭ Esperanto ne estas escepto.

La Fundamento enhavas nur ĉirkaŭ 900 radikvortojn, dum la nunaj vortaroj estas kelkoble pli dikaj. Sekve la neologisma problemo ne estas nova, sed preskaŭ same malnova kiel la lingvo. Zamenhof mem uzis multajn novajn vortojn. Siatempe ankaŭ tiaj vortoj kiel ekz. *abunda, agnoski* (rekoni), *akuzi* (kulpigi), *amara* (maldolĉa), *aspekti* (elrigardi), *bunta* (diverskolora), *diafana* (travidebla), *fuĝi* (forkuri), *pitoreska* (pentrinda), *rezisti* (kontraŭstari), *sledo* (glitveturilo), *spuro* (postsigno), *stumbli* (faleti), *svelta, stulta* (malsaĝa), *suflori* subdiri), *trajno* (vagonaro), *miskompreni, farenda* ktp. estis neologismoj, sed hodiaŭ ili estas integriĝinta parto de la lingvo.

Certe neniu kontestas la relative novajn radikvortojn *dekado, festivalo, kampanjo, mitingo, prezidio, kosmonaŭto, aeronaŭto, sputniko, tajpi* (maŝinskribi), *agresi, agresiva, baŭmi* (stariĝi sur la malantaŭaj piedoj), *trejni, nupto* (geedziĝa festo) k. a., sed aliflanke *prezidento* (estro de respubliko) estas dubinda.

*Prezidanto* kaj *prezidento* estas forme tro similaj, nur malfacile rimarkebla unulitera diferenco, kaj ankaŭ esence la diferenco inter ekz. ŝtata prezidanto kaj prezidanto de Akademio estas tre malgranda. En la naciaj lingvoj oni uzas por ili unu kaj saman vorton kaj ankaŭ en Esp. la diferencigo estas pedanta harfendado, same kiel estus pedanta harfendado por diferencigo de ekz. piedo de homo, ĉevalo, kato, birdo, meblo (ankaŭ verspiedo) enkonduki novajn vortojn. Plene kondamindaj estas la neologismoj *„primavero"* anst. aŭ apud printempo kaj *„saŭno"* anst. (ŝvit) banejo. Printempo, kiu devenas el la franca, estas ankaŭ pro tio preferinda, ke ĝi estas unusenca, dum *primavero*, prenita el la itala-hispana, signifas en ili ankaŭ promolon (france primevère) kaj havas unu silabon pli ol printempo. El la finna pruntita „saŭno" povas esti uzata nur kiel etnografia esprimo en tekstoj pri Finnlando.

Derivado ekzistas en ĉiuj lingvoj kaj ne Zamenhof ĝin elpensis. Nur en neniu alia lingvo ĝi estas tiom disvolvita, regula kaj produktiva kiel en Esperanto. Ĝi estas karakteriza trajto de nia lingvo. Sekve temas pri reformo, pri rompo de la strukturo de la lingvo, kiam oni parton el la mal-vortoj (ĉiujn ne estas eĉ eble, ĉar mal- estas tre produktiva) anstataŭigas per apartaj radikoj. Vere, ili estas pli mallongaj, sed ili malfaciligas la lernadon kaj uzadon de la lingvo kaj kelkaj el ili havas nesimpatian aspekton kaj ne sonas bele, ekz. *disipi* (malŝpari), *poltrona* (malkuraĝa), *streta* (mallarĝa), *turpa* (malbela). Krome *basa* (malalta) estas tamen derivaĵo el baso( basa voĉo) kaj *olda* (maljuna) certe ekhavos ankaŭ la sencon „malnova", ĉar en la naciaj lingvoj oni ne diferencigas inter „maljuna" kaj „malnova". Ankaŭ la tendenco per si mem estas pensiga: hodiaŭ oni forigas la mal-vortojn, morgaŭ povos sekvi ekz. la sufiksoj -ino kaj -ejo.

Alia afero, kiam oni enkondukas novajn taŭgajn vortojn por esprimi nuancon, kiun la koncerna mal-vorto ne havas. Ekz. *magra* (malgrasa; tro simpla, malriĉa, malabunda) rezulto, rikolto; *leĝera* (malpeza) aŭto, muziko, poeziaĵo;

*rara* (altvalora pro sia maloftece) libro. Kiel komandvorto maldekstra estas tro longa kaj facile miskomprenebla, tial en bezono oni uzas lefta.

Al alia ekstremo apartenas evitado de internaciaj vortoj kaj formado de artifikaj, volapükecaj kunmetaĵoj kaj derivaĵoj, kiuj izolas la Internacian Lingvon de ĉiuj aliaj lingvoj kaj malfaciligas ĝian kompreneblecon eĉ por espistoj. Sekve ne *elcento* (kvankam ĝi estas ebla), *duiliono, duciklo, milmetro, milgramo, ekzistadismo,* sed *procento, biliono, buciklo, kilometro, kilogramo, ekzistencialismo.* Laŭ la 15-a regulo de la fundamenta gramatiko internaciaj vortoj (sekve ankaŭ imperialismo – imperialisto, kolonialismo – kolonialisto) havas plenan vivrajton en Esperanto, des pli, ke ekzistas ja diferenco inter imperiismo kaj imperialismo, koloniisto kaj kolonialisto. Al neaprobindaj kuriozaĵoj apartenas ankaŭ ekz. „maltuja" (kion signifas „Pardonu mian maltujan respondan je via urĝa peto"?) kaj „egindustrio" anst. *granda industrio* aŭ *grandindustrio.*

Ĉiu kulturlingvo konsistas el pluraj lingvoj: komuna lingvo, ĉiutaga parollingvo, literatura lingvo (poezia kaj proza), scienca kaj teknika lingvo, dialektoj, slangoj kaj ĵargonoj. Por konversacio kaj korespondado sufiĉas kelkaj centoj da vortoj, sed la literatura lingvo bezonas riĉan vortaron kaj la scienca kaj teknika terminaron, kiun laiko ofte ne komprenas. La „poezia libereco" permesas al la poetoj kelkfoje devii de la normala lingvo, uzi dialektaĵojn kaj arkaismojn. En Esp. kiel tiaj povas servi neologismoj. Sekve, trovinte en poezio neologismon, ne rapidu ĝin uzi en normala prozo, des malpli en la ĉiutaga vivo. Kaj tiuj, kiuj ne volis ellerni pli da vortoj ol estas necese por korespondado kaj simpla konversacio, ne grumblu, kiam en literaturo ili trovas nekonatajn vortojn.

Ne ĉio, kio ie eble senpripense estas uzita, estas aprobinda, kaj la vortaristoj, kies tasko estas ja ne nur registri, sed ankaŭ normigi kaj direkti la evoluadon de la lingvo, evitu enlistigi kaj sekve sankcii erarajn, nebonaj formojn kaj hazardajn neologismojn. La Akademio oficialigas, kiel ĝis nun, nur tion, kio estas jam ĝenerale uzata kaj fariĝis pli-malpli integriĝinta parto de la lingvo.

# Kie aboni al „Paco"

*Abonprezo:*
Por socialismaj landoj – laŭ la subaj indikoj:
Por aliaj landoj – 15 fr. aŭ egala valoro.

**Aŭstrio:**
S-rino A. Sindl, A – 3108 - St. Pölten, Wagram Traiseng. 26

**Belgio:**
Edm. Lödör, 385 Brusselsesteenweh, B-9219 Gentbrugge

**Britio:**
P. Hewitt, I, Saltram Close, Nythe, Swindon, Wilts, Grandbritio

**Bulgario:**
Bulgara MEM-komitato, Bulv. Ĥristo Botev 97, Sofia, 3 lv.

**Ĉeĥoslovakio:**
Ĉeĥa Esperanto-Asocio, MEM-sekcio, Jilska 10, 110 00 Praha – 1 30 kr.

**Danlando:**
Egon Starup, Vingetoften 34, 2730 Herlev

**Finnlando:**
Erkki, Järvinen, Urkonkivenpolki 2-168, 00440 Helsinki – 44

**Francio:**
Fédération Espérantiste du Travail, 179, rue Ordener, 75018 Paris (p.ĝ.k. Paris N-ro 902-52)

**Germana Demokratio Respubliko:**
Centra Laborrondo Esperanto en Kulturligo de GDR, Charlottenstr. 60, 108 Berlin 10 m

**Hungario:**
Hungara MEM-komitato, Kenyermezö utca, Budapest – VIII 30 f.

**Italio:**
Mauro La Torre, via De Carolis 119, I-00136 Roma, (pĝk. 1/44162)

**Japanio:**
Ĉe Tasuo Satoo, 777 Ooizumigakuen-tyò, Nerima-ku, 177 Japanio (Japana Pacdefenda Esperantista Asocio)

**Jugoslavio:**
Dim. Bjelanoviĉ, str. Zahumska 23/b 18, 11000-Beograd

**Kubo:**
Oscar Otero, Havana Esp.-rondo, Poŝtkesto 314, Habana – 1

**Pollando:**
Pola Esperanto-Asocio, ul. Jasna 6, Warszawa

**Popola Respubliko de Koreo:**
Korea Esperanto-Asocio, Poŝtkesto 16, Pjenjang

**Rumanio:**
S-rino Irma Fülop, str. Calan 12, etj. I, Sibju

**Sovetunio:**
Unuiĝo de sovetaj societoj de amikeco kaj kulturaj rilatoj kun aliaj landoj, (s-ro Berjozav) Kalinina 14, Moskva K – 9 1,80 r.

**Svedio:**
K. Kvist, Rinmansgatan 13, S-660-92 – Deje (p.ĝ.k. n-ro 442478)

**Usono:**
Jim Deer, 12946 NE Hancock, Portland, Oregon 97230

**Vjetnama Demokratia Respubliko:**
Vjetnama Pacdefenda Esperantista Asocio, 68 Ly Thoung Kiêt, Hanoi

**Aliaj landoj:**
Ĉu turni sin al unu el la ĉi-supraj adresoj, ĉu aboni ĉe s-ino G. Roux, Route de Villeneuve, 47150 Monflanquin (Francio) (p.ĝ.k. Nantes 816-52)

---

## Redakta komitato:

William GILBERT (Francio), Ĉefredaktoro
Detlev BLANKE (GDR)
Kimiaki KURITA (Japanio)
Stanislaw SWISTAK (Pollando)
Nikola ALEKSIEV (Bulgario)
Arta aranĝo: Kiril DRAJEV (Bulgario)
Lingva konsultanto: Asen GRIGOROV (Bulgario)

## Kunlaborantoj:

Kolomano KALOCSAY (Hungario)
D-ro Istvan SZERDAHELYI (Hungario)
D-ro Magomet ISAEV (Sovetunio)
Doc. S. N. PODKAMINER (Sovetunio)
Mihaly GERGELY (Hungario)
Rudi GRAETZ (GDR)
Oldrich KNICHAL (ĈSSR)
Antonie SINDL (Aŭstrio)
DAO ANH Kha (DRV)

---

**Tiu-ĉi numero estas bulteno de la GDR-MEM-sekcio kaj redaktita de ĝi.**

---

## Kien skribi:

PREZIDANTO: Nikola Aleksiev, str. Nezabravka 1, vhod II, Sofia – 13, Bulgario

VICPREZIDANTOJ: Karl Kvist, Rinmansgata 13, S-660-92 Deje, Svedio
S. N. Podkaminer, ul. Ŝkolnaja 48/7, 197010 Leningrad, USSR

ĈEFREDAKTORO: William Gilbert, 30 rue Croix-Montoire 37000 Tours, Francio

ĜENERALA SEKRETARIO: Drahomir Koĉvara, Haliĉska 50, 70500 Ostrava-Hrabuvka, ĈSSR

SEKRETARIOJ: Hideo Kumaki, PO Box 17, Edogawa, Tokio, Japanio D-rino Magda Ŝaturova, Posta 1, D 10, Bratislava, Slovaka Esperanto-Asocio, ĈSSR

CENTRA ADMINISTRANTO: Boris Popov, Bulgara MEM-komitato, bulv. Ĥristo Botev 97, Sofia 3, Bulgario

KASISTINO: Germaine Roux, Route de Villeneuve, 47150 Monflanquin, Francio (pĝk. Nantes 816-52)

GRAVE: abonpagojn el socialismaj landoj direktu al Sofio 3, bul. Ĥristo Botev 97, por „PACO". El iliaj landoj – al la kasistino.

---

*Eldoninto de tiu ĉi numero:*
GDR-MEM-sekcio Kulturligo de GDR / asocia sekretariejo (Centra Laborrondo Esperanto de GDR). Redakcio: 108 Berlin, Charlottenstrato 60, Telefono: 2 20 29 91. Respondeca redaktoro: Detlev Blanke, Redakcia komisiono: Otto Bäßler, Ludwig Schödl, Rudi Graetz, Rudolf Hahlbohm, Werner Pfennig. Redakcia fino: 20a Oktobro 1975. Presejo: Grafischer Grossbetrieb Völkerfreundschaft Dresden, Betriebsteil Meissen. 5438 - 36

